# ROK-GAZET'

10
2003



OCCITÁNIA
Ralf Glomp
DĴ Kunar
Etna
MHz
Persone
Kajto
JoMo
Kore
Ĵomart/Nataŝa
Esperanto Desperado
Merlin
Dolcxamar

*In-spir'!..*
de Morice
BENIN




KAFE kaj KEF




Kabah

**Saluton karaj legantoj!** Jen finfine vi tenas en viaj manoj tutnovan ekzempleron de Rok-Gazet'. Post tre longa (tro longa!) silento via gazeto reaperas por informi vin pri la stato de la muzika movado en Esperantio. Kaj estas giganta tasko ĉar numtempe tiu esperanta muzikmovado estas pli vigla ol iam ajn. For estas la tempo kiam estis nur kelkaj kasedoj kaj malmultaj muzikistoj kaj muzikstiloj. Nun svarmas la diskoj, la grupoj kaj (plej grave) la stiloj. Vere, tiu kiu asertas ke Esperanto ne havas kulturon ne scias kiom multe li eraras. Se kiel ni, vi opinias ke tiu gazeto estas nepra informilo en nia movado, tiam helpu nin pluvivigi ĝin. Verku artikolojn, recenzojn, transdonu informojn. Aŭ pli simple, diskonigu tiun revuon! Ni tion vere bezonas ĉar estas pluraj junaj esperantistoj kiuj esperantiĝis post la apero de la pasinta numero. Agrablan legadon al vi...

**Tony Guyot**, ĉef-redaktisto.

## LANDAJ KOTIZPERANTOJ

**UEA**, Libroservo
Nieuwe Binnenweg 176,
NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando

**Aŭstralio**
Libroservo de Aŭstralia Esperanto-Asocio
Esperanto-Domo,
143 Lawson Street, Redfern NSW 2016

**Belgio**
FLANDRA Esperanto-Ligo
Frankrijklei 140, BE 2000 ANTWERPEN

**Brazilo**
BRAZILA Esperanto-Ligo
Coixa Postal 03625,
BR 70084-970 BRASÍLIA - DF

**Francio**
Esperanto-France
4 bis, rue de la Cerisaie, FR-75004 Paris

**Katalunio**
Centro de Esperanto Sabadell
Apartat 407, ES 08200 SABADELL

**Norvegio**
NORVEGA Esperanto-Ligo
Eldonejo Esperanto
Olaf Schous Vei 18, NO 0572 OSLO

**Svedio**
SVEDA Esperanto-Federacio
p/a Lisbet ANDREANSSON
Södra Rörum PL 455, SE 242 94 HÖRBY

**Usono**
Esperanto-Ligo de NORD-AMERIKO
POB 1129, EL CERRITO, CA 94530

**Rok-gazet' serĉas perantojn por aliaj landoj.**

### ABONO

La abono validas por 3 numeroj ne por unu jaro

**Abontarifoj**
16 € por tri numeroj
21 IRK (Internacia Respond-Kupono)

**Unuopaj numeroj** (krom numeroj 3, 4, 6 kaj 7, kiuj jam elĉerpiĝis)
5,35 €, 7 IRK

**Anoncetoj**
Ĉiu linio kostas 1 €, 1,5 IRK

### PAGMANIEROJ

UEA-konto, kodo: vini-j
IRK
Internacia Poŝtmandato je la adreso de Vinilkosmo
poŝtĝiro al la poŝtĉekkonto:
CCP Toulouse 20041 01016 0670857J037 28, FR-31000 Toulouse
Bank aŭ poŝtĉeko al Vinilkosmo (nur por Francio).
Eblas aboni pere de la TTTejo de Vinilkosmo
**http://www.vinilkosmo.com**
Bankaj kromkostoj por la pago per kreditkarto (2.65 €)



**ROK-gazet' (Esperanto-Muzik-Magazino)**
**FR-31450 DONNEVILLE, Francio**
**tel.: +33 5 61 81 95 65, fakso: +33 5 34 66 04 15**
**www.rokgazet.free.fr**
**www. vinilkosmo.com**

## ABONILO

**Familia nomo** ______
**Persona nomo** ______
**Asocio** ______
**Adreso** ______
**Tel/Faks** ______
**Retadreso** ______ **Dato kaj subskribo** ______

☐ Mi deziras aboni ekde n-ro
☐ Mi deziras riçevi la n-rojn:
1☐, 2☐, 5☐, 8☐, 9☐
☐ Mi deziras reaboni ROK-gazet' on

☐ Mi sendas 16 € per ĉeko aŭ poŝtmandato (nur por Francio)
☐ Mi sendas 16 € aŭ egalvaloron per internacia poŝtmandato al Vinilkosmo
☐ Mi sendas 16 € per UEA-konto al Vinilkosmo (UEA-kontkodo: vini-j)
☐ Mi sendas 21 IRK al Vinilkosmo

**Administration-rédaction**
**Administrejo-redaktejo:**
***ROK-gazet'***
(Esperanto-Muzik-Magazino)
FR-31450 Donneville, Francio
tel.: +33 5 61 81 95 65
fakso: +33 5 34 66 04 15
Retadres: vinilkosmo@esperanto.org
eurokka@club-internet.fr
TTT-ejo http://
www.rokgazet.free.fr
www. vinilkosmo.com

Directeur de publication/eldondirektoro:
Floréal Martorell

Rédacteur en chef/ĉefredaktisto:
Tony Guyot

Rédacteurs/redaktistoj:
Flo!
Tony Guyot
Niko Volośin
Richard Favry

Saisie/Enkomputiligo:
Flo!
Tony Guyot
Niko Volośin
Gunnar Fischer
Vanessa Chédé

Fotoj:
Kristina Vidotto
Niko Volośin
Flo!
Gilbert Stammbach
Francis Vernhet
Arno Lagrange
Sakari Kauppinen
Dominique Couturier

Dessins/Desegnoj:
Arnau Torres
Niko Volośin
Vanessa Chédé

Contrôle linguistique/Lingvo-kontrolo:
Flo!
Tony Guyot
Rikardo Cash

Distribution/Distribuo:
ROK-gazet'Reto/Réseau de ROK-gazet'
Associations espérantistes/
Esperanto-asocioj

Dépôt légal à parution
Edité par/Eldonas:
***ROK-gazet'***
**(Esperanto-Muzik-Magazino)**
**FR-31450 Donneville, Francio**

Por kontaktoj kun
teknika art-redaktoro Niko Volośin:
p.k. 26, Lucjk-18,
UA-43018, Ukrainio.
rete: <esperanto@fk.lutsk.ua>

N° Siret : 421 384 884 00019
RCS Toulouse : A 421 384 884
N° TVA / AVI : FR 30 421 384 884

# Antaŭparolo

***Karaj legantoj,***

*Pasis longa tempo sen apero de via ŝatata Rok-gazet', jen finfine ĝi!*

*Rok-gazet' transiris per ĉi tiu numero novan periodon de sia vivo. Mi esperas ke ekde nun ĝia aperritmo estos pli regula (1-foje jare). Dum pluraj jaroj la redakcio de Rok-gazet' suferis pro manko de ĉefredaktisto, kaj tiam mi mem plenumis tiun pezan taskon. Sed pli kaj pli kreskis laboro en la diskeldonejo kaj studioj de Vinilkosmo, mi devis rezigni pri la kunordigado kaj redaktado de Rok-gazet'. Post pluraj alvokoj finfine, Tony Guyot kaj poste Niko Vološin sin proponis por prizorgi kaj kunordigi la redaktadon de Rok-gazet' kaj ĝian disvastigon. Kompreneble Rok-gazet' havas la valoregan kunlaboradon ankaŭ de kontribuantoj kiaj Rikardo Cash, Gunnar Fischer, Rafa Blanco, Ionel Onet, Richard Favry, Xavier Godivier, Herman Deceunink, Roel Haveman, kaj aliaj por okazaj kontribuantoj. Mi volas ĉiujn ilin danki pro ilia persistema kunlaborado, kiu kontribuas al pliriĉiĝo de nia esperanto-kulturo.*

*Dum tiom longa silenta periodo multo okazis en la esperanto-muzika mondo. Okazis multaj eventoj, aperis multaj muziknovaĵoj, ktp. Ĉi tiu numero provas trakti kiom eble plej multajn, sed fizike ne eblis aldoni pli sen ankoraŭ pli longe prokrastigi la aperon. Certe multaj okazaĵoj pasintaj ne estas prezentitaj, sed mi esperas ke vi komprenos la malfacilon de la tasko kaj restos indulgaj antaŭ la sindonema laborego de la redakto-teamo. Venontaj numeroj estos iom post iom pli kompletaj kaj finpoluritaj kaj ĉefe plenumos nian fiksitan celon, t.e. pritrakti kiel eble plej akurate, komplete, precize, kaj objektive la vivoevoluon de esperanto-muzikkulturo.*

*Kompreneble ni ne konas ĉion, sed se viaflanke vi havas informojn, aŭ malkovras ion gravegan, sciigu tion al nia redaktejo. Dank' al tiu spontana interaktiva kontribuo ĝis nun Rok-gazet' sukcesis kolekti la informojn disajn el la tuta mondo. Mi profitas la okazon ĉi tie por inviti homojn kunlabori kun la nova redakto-stabo por fari raportojn de muzikaj eventoj, recenzojn, kaj pritrakti diversajn temojn kiuj povus esti interesaj por Rok-gazet'. Aliflanke mi provos informi vin pri aktualaj projektoj de Vinilkosmo, kiuj espereble povos aperi en la venontaj monatoj.*

*Unue en la vico venas la 5-a albumo tute akustika de Persone. Ĝi respegulas la intimecan etoson de tiu nova repertuaro de la plej fama esperantobando, kiujn kelkaj el vi jam povis ĝui dumvive en UK en Montpeliero, KAFE en Tuluzo, KEF en Svedio kaj Finnlando. Paralele prepariĝas kaj bone evoluas la granda projekto Elektronika Kompilo, kiu prezentos aktualan elektronikan muzikon en esperanto fare de kelkaj konataj sed ankaŭ pluraj tute novaj artistoj kaj DĴoj el plej diversaj landoj. La fina rezulto alportos sufiĉe gravan kaj surprizan verkaron al esperanto-muzikkulturo. Estu atenta!- Ne maltrafu la eventon kaj la okazon aktualigi vian espomuzikan kolekton!- Kelkaj el la artistoj estis malkovritaj pere de interreto dank' al la bona flaro de la arta reĝisoro de la projekto, nome Gunnar Fischer.*

*Alia interesa projekto estas produktado de la unua hiphopa esperanto-albumo de la talenta pola artisto Eterne Rima. Pluraj aliaj projektoj estas en preparo, sed nun tro fruas por paroli pri ili! Kiel vi povas konstati, esperanto-muziko estas vigla kaj vokas pli kaj pli da intereso ĉe la artistoj — kaj tion pruvis ankaŭ la lasta albumo de Morice Benin, In-Spir'.*

*Granda atingita etapo por Vinilkosmo estis ankaŭ la malfermo de ĝia propra sonstudio en Donneville en Junio 2001. Tio alportas plian ilon por produktado de esperanto-muziko en kvalitaj kaj profesiaj teknikaj kondiĉoj. Grava evento estis la starigo de la TTTejo de Vinilkosmo* ***http://www.vinilkosmo.com*** *kiu prezentas ĉiujn muzikproduktojn disponeblajn en la katalogo de Vinilkosmo. Pere de ĝi eblas vidi kaj aŭskulti muzikfragmentojn por havi ideon pri la stiloj, kaj eĉ mendi rekte per kreditkarto!*

*Plej laste, ĉiuj kiuj ŝatas kaj intersiĝas pri muziko kaj volas interŝanĝi ideojn, konatiĝi kaj rilati kun aliaj pri tiu temo aŭ simple transdoni informojn, povas aliĝi la muzikan ret-liston:* ***per-esperanto-muziko@yahoogroups.com***
*Por aliĝi estas pluraj manieroj. La plej simpla estas sendado de malplena mesaĝo al la adreso:* ***per-esperanto-muziko-subscribe@yahoogroups.com*** *Vi povas sendi ankaŭ normalan mesaĝon en kiu vi klarigas vian deziron al: per-esperant-muziko-owner@yahoogroups.com*

*Vi trovos en ĉi tiu numero plej diversajn artikolojn kiuj prezentos novajn artistojn kaj diskojn, kiuj parolos ankaŭ pri ekzemple kiel teknike, poezie, kaj muzike sukcesi verkadon kaj tradukadon de kanto; aŭ kial gravas ne kopii pirate diskojn; prezento de muzikaj TTTejoj, ktp. Vi iom post iom malkovros la tutan enhavon de la muzika magazino.*

*Mi nun invitas vin fari muzikan vojaĝon tra la esperanto-muzika mondo. Ĉu vi pretas!? ĉu vi pretas!? por la veno... de Rok-gazet!?*

***Flo!***

# EN LA NUMERO



# TEKNOLOGOJ

**Tut-Tera-Teksaĵo estas la nova reklamilo kaj propagandilo por Esperanto-muzikistoj. Jen la rekopio de TTT-paĝo pri E-muziko kun multaj informeroj pri diversaj muzikistoj, okazintaĵoj de Esperanto-kulturo.**

(Represita post la permeso de la aŭtoro de la TTT-paĝo).

JEFO espéranto Jeunes

**JEFO Informas**
revuo de
JEFO / Espéranto-Jeunes

**Version française**

Tut-Tera Teksaĵo

**MusicExpress**

## La muziko en Esperanto eksplodas en Interreto!



**Atentu!** Legu rapidege tiujn paĝojn, ĉar antaŭ esti leginta la lastan vorton, ilia enhavo estos jam, malnova, kaduka, eĉ prahistoria! Eble, tiuj paĝoj mem-detruiĝos! Estu singardema!

Jes! Oni almenaŭ povas diri, ke ĉio moviĝas en la reto! Oni ne plu scias, kien direkti la muson! La ret-paĝoj kun elŝuteblaj muzikoj en Esperanto multobliĝis dum la lastaj monatoj, semajnoj kaj eĉ tagoj!

Vizitante tiujn diversajn paĝojn, evidentiĝas la juneco kaj viveco de la muziko en Esperanto! Estas diversaj sortoj, kaj por ĉiuj oreloj! Jen do la tute lastaj alvenintaj, kiam mi skribas tiujn frazojn:

***Piĉismo***

Mi ĵus eksciis la ekziston de la tute nova TTT-ejo de la subgrunda Ukrajna grupo *Piĉismo*. Atentu! Ne aŭdigu inter ĉiuj oreloj! Kaj ĝuste, ne miru pri la iomete maltrankvila etoso de ĉi tiu artikolo, mi nuntempe malkovras plurajn erojn de tiu muziko.
Ŭaŭŭ! Tio frakasas!

**http://www.pichismo.narod.ru/**

***Festivalo en Rusio***



Jomo dum koncerto en Rusio

Anoncita nur hieraŭ en la novaĵ-grupo *Soc- culture-esperanto*, la TTT-ejo de la Eola festivalo en Rusio, ebligas malkovron de 19 kanzonoj de deko da artistoj, kies stilo estas pli klasika ol tiu de Piĉismo ☺. Vi trovos ankaŭ foto- albumon de la festivalo per la sama paĝo.
**http://www.andreo.mailru.com/**

La festivalo Eola okazis proksime de Sankt- Peterburgo, dum marto 2001. Estas do tute novaj paĝoj! Inter la artistoj, aŭskulteblas la Franca kantisto ***Jomo*** (Jean-Marc Leclerc) kaj la Rusa kantisto ***Oĉjo Dadaev,*** kun kiu iuj inter vi eble jam babilis per Interreto.

Ĵomart kaj Nataŝa

Antaŭ kelkaj tagoj aperis la TTT-ejo de ***Ĵomart kaj Nataŝa***, Kazaka paro, kiu loĝas en Svedio. Ili duope kantas melankoliajn kanzonojn, korplenajn.

En ilia belega TTT-ejo, vi trovos foto- albumon, la tekstojn de iliaj kanzonoj, kaj dudekon da iliaj kanzonoj, tuj aŭskulteblaj!

**http://jomart.net/**

***Babilemaj muzikistoj!***

Ĵomart estas tre babilema, kiel Oĉjo. Kaj vi povas ofte retrovi ilin kun aliaj esperantistoj por diskuti en Interreto. Oĉjo kaj Ĵomart kaj pluraj membroj de JEFO aperas jam en la "*Galerio de babilemuloj*". Se vi venos babili, sendu ankaŭ vian foton!

**http://lendir.karelia.ru/chat/**

Pliaj TTT-ejoj de artistoj:

***Kore***




Kore estas nova rokbando de Nanto en Bretonio, Francio (Nantes / Naoned).

"*Kore estas tre koninda plene profesinivela bando. La kantisto de Kore estas verŝajne la plej belvoĉa kantisto en Esperantujo (kaj li kantas plene sen Franceca elparolo...).* "

Tion skribis Bertilo antaŭ kelkaj tagoj pri Kris Spitzer, la ĉefkantisto de Kore. Se oni scias ke Kris malkovris Esperanton, nur antaŭ du jaroj, la futuro de muziko en Esperanto anonciĝas do tre movanta!

**http://elkore.free.fr/**

Malkovru tri kompletajn kanzonojn, inter kiuj du novajn en mp3.com:

**http://mp3.com/kore**

*Persone*

Kaj Bertilo (Bertilo Wennergren) scias pri kio li parolas, ĉar li-mem estas membro de la Akademio de Esperanto, kaj ankaŭ membro de la Sveda rokbando ***Persone!***




Jes! En Francio, la famega kantisto Charles Trenet malsukcesis iĝi akademiano, sed en Esperantujo eĉ la rok-muzikistoj povas! Persone estas la plej fama rokbando en Esperantujo. Eĉ ekzistas dissendolisto de ĝiaj fervoruloj! Kompreneble, vi do povas malkovri ĝin fote kaj muzike en Interreto!

**http://purl.org/net/persone**



Plia nepre malkovrinda grupo: la Finnlanda grupo ***Dolcxamar!*** Kun X bonvolu! Ĉar Dolcxamar ne estas de nia mondo... Sed silentu! Mi nenion diris! Rendevuu diskrete en ilia ttt-ejo.

**http://www.nettie.fi/dolcxamar**

Kaj malkovru ilian tut-teran sukces-kanton: "Ĉu vi pretas por la veno de Dolcxamar?" en mp3.com.

**mp3.com/Dolcxamar**




Multaj artistoj ne havas personajn paĝojn en Interreto sed havas plurajn erojn de iliaj diskoj en la usona TTT-ejo **mp3.com** kaj en la brazila TTT-ejo:

**http://www.musicexpress.com.br/**

Tiu lasta TTT-ejo estas nur portugallingva, sed ne problemas por trovi la esperantistajn artistojn. Sufiĉas elekti tra la listo de artistoj aŭ elekti rekte "Esperanton" inter la proponitaj sortoj de muzikoj.




En la TTT-ejo de mp3.com la paĝoj rilataj al Esperanto estas malpli facile malkovreblaj. Gunnar Fischer provas listigi ĉiujn en sama paĝo de tiu TTT-ejo:

**mp3.com/Stations/Esperanto**

Gunnar estas li-mem fama en Esperantujo pro siaj muzikaj verkoj, kaj ankaŭ kiel prezidento de *GEJ - Germana Esperanto Junularo*. Verdire, esperantistoj multobliĝas en diversaj roloj! Vi do povas aŭskulti Gunnar-on alias ***DĴ Kunar***:

**mp3.com/kunar**

Kelkaj pliaj adresoj en mp3.com:

- mp3.com/**Dolcxamar**
- mp3.com/**JacquesYvart**
- mp3.com/**JomartNatasha**
- mp3.com/**Kajto**
- mp3.com/**Kompanoj**
- mp3.com/**Kore**
- mp3.com/**Magnus**
- mp3.com/**MasxaAndreo**
- mp3.com/**Persone**
- mp3.com/**Radikulo**
- mp3.com/**Solotronik**

*Muziko-Panorama*




Ĉar mi ne povas listigi tie ĉiujn paĝojn, kaj eĉ se mi povus tiu listo eksdatiĝus post kelkaj tagoj, mi kreis novan paĝon en Interreto, kiu ebligas retrovi, ĉion, kio disponeblas rilate al muziko. Tiu paĝo nomiĝas "Muziko-Panorama". Mi provos ĝisdatigi ĝin plej eble, sed tiu laboro anonciĝas malfacile ĉar vere la muziko en Esperanto elverŝiĝas ĉie en la Tototo ☺

**http://purl.org/net/muziko**

Kaj ankaŭ per "**travel.to/muziko**"

*La diskoj aĉeteblas!*

Kaj ne forgesu! Kun aŭ sen Interreto, vi ja povas aĉeti multajn diskojn kaj kasedojn. Estas per diskoj, pli da disponeblaj muzikoj kaj kun pli bona kvalito ol en Interreto. La intereso de Interreto estas ĉefe faciligi unuan malkovron.

Vi povas aĉeti KD-ojn dum la diversaj Esperanto-aranĝoj kaj per la diversaj libroservoj kaj butikoj de asocioj. Ekzemple per la JEFO-butik' en Francio.

Por malkovri pli da elektoj, mendu kompletan katalogon poŝte aŭ retpoŝte, aŭ fakse al ***Vinilkosmo***, kiu eldonas multajn diskojn en Esperanto kaj ankaŭ la Muziko-magazinon ***Rokgazet'***.

**Vinilkosmo**
**Fr-31450 Donneville**
Tel: +33 (0)5 61 81 95 65
Fakso: +33 (0)5 34 66 04 15
**Vinilkosmo@esperanto.org**




Kaj mi ĝuste volis fini tiun artikolon, pri la plej bona lasta TTT-ejo ĵus aperita! La tute nova TTT-ejo de ***Vinilkosmo!*** Tiu trilingva TTT-ejo en Esperanto, franca kaj angla ebligas jam malkovri erojn de multaj diskoj kaj mendi ilin enrete. Jam 40 titoloj disponeblas!

Tiel, per Interreto, vi povas nun malkovri la muzikojn en Esperanto kaj ankaŭ venigi ĝin ĉe vi!

**http://www.vinilkosmo.com/**

Freneze, muzike kaj Interrete!

Zav'
XGodivier@Esperanto.org

*Muziko-Panorama* *Esperanto-Panorama*
**travel.to/muziko** **travel.to/esperanto**



**Muziko en Dmoz**
http://dmoz.org/World/Esperanto/Muziko

esperanto panorama
**Muziko-Panorama**



VIVU VIVE




# 2000: festivale franda. KAFE kaj KEF

De Tuluzo al Helsinko disvolviĝo kaj malmontaro. De Tuluzo al Helsinko ŝtonkaj fera historio, frenezaj bovinoj kaj saĝaj druidoj. De Tuluzo al Helsinko mallarĝa maro kaj ĝisosta mona sato, vegetaranoj, drogemuloj kaj ŝtatoj. De Tuluzo al Helsinko Rolando kaj Ilmatar, Pireneo kaj preskaŭ Arkto, Jomo kaj Dolcxamar... KAFE kaj KEF.

Kelkfoje la rondeco de la ciferoj elravas nin ĉiujn kaj la dumila jaro ne preterpasis nian okcidentan monderon sen allasi kelkajn spurojn. Kaj jen ĝi regalis Esperantion per neforgeseblaj kulturĝuindaĵoj, similaj laŭ organizo, konceptoj kaj enhavo sed trafe, feliĉe kaj ĉarme malsamaj parolante pri travivaĵoj, geografia ĉirkaŭaĵo...

Tuluzo, urbo de iama hereza (laŭ katolika percepto) regiono, proksima al mezaj Pireneoj, muzike konstante kreiva, socie vigla kaj ĉiam altira. Komence de julio 2000, la revo de utopiuloj, post unua klopodo PREFI, finfine sukcese realiĝis.

Same bunta kiel la gastiganta urbo, la programo elstaris ĉefe pro la koncerta fako, tial ke la plej konataj kaj aktualaj E-bandoj prezentis antaŭ aŭskultema kaj dancema publiko siajn lastajn verkojn. Dum ses vesperoj kaj noktoj, en halo kie la sonkvalito vere elstaris, kaj "klasikaj" kaj "novbakitaj" ensembloj promenigis la publikon tra ege malsamaj stiloj kaj muzikaj konceptoj. La "klasikaj" Persone, Kajto, Kaj Tiel Plu, Ĵak Le Püil, F-ino Barlaston, Jomo kaj Liberecanoj montris prizorgitan evoluon kaj evidentigis ke eblas starigi longedaŭran muzik-sperton ene de la E-sceno. Kion pri la "novbakitaj"? "Pli ol promesplenaj" estus mia spontanea respondo. Dolcxamar, Kore kaj Esperanto-Desperado, kia mirinda triopo kiu kore dolĉigis (ne de-) espere esperantan muzikan mareton dum KAFE! Por ska-muzikemulo kiel mi, ŝatanta Madness aŭ Kortatu, la propono de E-Desperado plej altire okazas. Aldone al la skaaĵoj, tiu dana bando ankaŭ spertumas kun ciganaj, latinaj kaj balkanaj ritmoj kaj "reutiligas" noblajn E-materialojn, kiel mitan "Sola". Se ili trafas taŭgajn akustikajn kondiĉojn, ne havus grandan obstaklon por sukcesi ĉe ne-E-publiko.

Sed festivalo ne limiĝas al aranĝoj, programeroj, prelegoj, ktp. La partoprenantoj kolorigas kaj nuancigas tiajn eventojn. Ĉi-foje la partoprenantaro buntis je aĝo, sintenoj, landoj (iu diris tamen, ke ĉiuj ĉirkaŭ-mediteraneaj povus konsistigi unu nuran landon, almenaŭ en E-aferoj), ŝatoj... Ankaŭ apudaj ciganoj alportis propran eron. Belega vetero helpis subĉielan kunestadon, kaj kantokaj babilrondoj estis ofte malfermitaj al venantaj novuloj. Kataluna junularo reprenis iel forgesitan skandaligan tradicion de Feliptempa KEJ kaj plifortigis la mediteranean trajton de KAFE.

De Tuluzo al Helsinko kelkaj feinoj mallaŭtigis bruemajn klaĉojn, disŝiritajn voĉ-kordojn. Kontrolo al fumemo, alkoholumado kaj ne leĝaj drogoj. Sed interŝanĝe ni ricevis sendoganan enirbileton al KEF-a sentejo, kaj ni flugis super la lando de intimeco, beletro, sopirŝpruco, viv-inspiro, kaj rajdis tra la rava regiono de ensorĉiga literaturo. Jes fakte, poezio delikate svarmis kaj verse plenigis la angulojn de matura KEF (unuafoje en Helsinko). La Ibera Skolo fiksis gigantan mejloŝtonon ene de sia multflanka kaj kreiva agado, kaj helpe de la proksimaj eĥoj de Kalevala didaktike kaj sente alproksimigis al laika publiko la arton de la poezio, kaj sentigis nin ĉiujn iomete poetoj. La urbocentro de la suomia ĉefurbo eble tremetis pro la pasiointenso en la recitado aŭ flamenkokantado, pro la elfluigo de teneraj intimaĵoj, pri diskreta alvoko al belego. Sed ne nur liriko, la Ibera Skolo ankaŭ flirtis kun la dramaturgio, kaj por la unua fojo (ĉi-foje Ibere Premiere aŭ Ibere Ridege) ili mem produktis surogaton de vodevilo kiu ĝis rideksplodo amuzigis la publikon (mi preskaŭ "ekstazis" pro la rastafaria aspekto de la majstro Ludoviko).

Kvankam la buĝeto por koncertoj ne tiom grandis kiel en Tuluzo, ni spektis bonegajn koncertojn kaj konis novajn grupojn, ĉefe el Rusio. La ekskursoj kaj konatiĝo kun somera luma Helsinko efike kontribuis al riĉega programo kiu havigis al finna ĝenerala publiko koncerton sur promenejo Esplanade. Diskreta kaj milda fajro, jen la ĉarmo de la KEF-2000. Kaj nun al kiu estas la vico en (supozeble) 2003, ĉu Islando, Norvegio, Estonio, Danio..? Kaj kion pri dua KAFE, ĉu ĝi transiros la Pireneojn?

**Aŭtoras Rafael Blanco Arbe.**







VIVU VIVE

# Esplanado resonis Esperante

**Dum tuta semajno ĉi-somere Helsinko estis ne nur unu el la naŭ ĉi-jaraj kulturaj ĉefurboj de Eŭropo, sed la nekontestebla ĉefurbo de Esperanto-kulturo en la tuta mondo. Tie nome okazis la sepa Kultura Esperanto-Festivalo, aranĝo plene dediĉita al kulturo kreita kaj kreata originale en Esperanto.**



Dolcxamar

Per Aarne Fritzon

Se iu loko estas kvazaŭ la somera koro de Helsinko, tio devas esti la Esplanado, la verda kaj tradici-saturita promenejo inter la Sveda Teatro kaj la Bazara placo. Kaj ĝuste tie, sur la estrado rekte antaŭ la fama Kapela restoracio kaj je nur ŝtonĵeta distanco de la ne malpli fama figuro de Havis Amanda, unu fruan julian vesperon triumfe dissonegis kantrefrenoj esperantaj. Dum preskaŭ tri horoj la promenantoj kaj la terasaj biertrinkantoj en la ĉiam vigle vizitata parko povis ĝui sinsekvajn koncertojn de ne malpli ol tri el la plej elstaraj nun aktivaj Esperanto-ensembloj: Ĵomart kaj Nataŝa, Persone kaj Dolcxamar.


Juhani Haavisto

Tiu koncertaro en medio publika kaj prestiĝa ja estis nur unu inter konsterna multego da programeroj dum la Kultura Esperanto-Festivalo okazinta en Helsinko inter la 17-a kaj la 23-a de julio. Sed ĝi estas frapa ekzemplo de la organiza lerto, iniciatemo kaj aŭdaco, kiuj karakterizis tiun ĉi unuan finnlandan KEF-on kaj faris el ĝi la senkompare plej varian kaj sukcesan el ĉiuj sep okazintaj ĝis nun.

Kiel festivalejo servis la urbofinancata internacia kulturcentro Caisa tute centre de Helsinko. La celo de la centro estas servi kiel multkultura edukejo kaj renkontejo por homoj finnlandaj kaj alioriginaj. Kunlaborante kun Caisa la KEF-organizantoj do trovis ne nur bonegan prezentejon sed ankaŭ valoran kaj samspiritan partneron.

Preskaŭa ducento da plentempaj festivalpartoprenantoj el sume 23 landoj ĝuis programon tiel kvante kaj kvalite abundan, ke ĝi serioze defiis la absorbokapablon de eĉ plej ambicia kulturfanatikulo. Dum ĉiu el la sep festivalaj tagoj okazis pluraj artistaj prezentoj diversĝenraj. Krom tio la festivalanoj povis elekti inter kapturniga nombro da seminarioj kaj prelegoj literatur- kaj kulturtemaj, aŭ mem ekzerci siajn kapablojn en laborgrupoj pri teatro, verkado, komiksdesegnado, kantado, dancado aŭ rolludado.

Kadre de la muzika programo ni revidis plurajn malnovajn KEF-konatojn. La kantduopo Ĵomart kaj Nataŝa (Svedio) ĉi-foje levis sian karakterizan kombinon de melodia raveco kaj elektre intima publikkontakto al ankoraŭ pli alta nivelo de rafino, dum la veterana rokbando Persone (Svedio) malavare demonstris la vaston de sia gamo, prezentante eĉ du tute malsamajn plenformatajn koncertojn dum la semajno — unu akustikan kaj unu amplifilan — ambaŭ kun pluraj novaj kantoj. La dana-bosnia-pola bando Esperanto Desperado revenis en nova konsisto kaj teksis riĉe densan sontapiŝon de etno-roko onde ritma kaj nerezisteble danciga.

Kaj post plurjara foresto reaperis Juhani Haavisto (Finnlando/Svedio), iama klavaristo de Amplifiki, nun debutanta kiel solartisto kaj evidente tuj trafanta en la korojn de la publiko per siaj memkomponitaj kantaĵoj 1970-jarecaj. Sed surpodiiĝis ankaŭ pluraj muzikaj talentoj neniam antaŭe prezentitaj KEF-kuntekste. Miĥail Povorin (Rusio) estas en sia hejmlando jam de longe alte taksata kiel kantverkisto. Nun ankaŭ la KEF-publiko havis ŝancon frandi la fajne nuancitan sentemon fluantan malantaŭ lia simpatie modesta surpodia teniĝo. La kantisto Paŝa Korotenko (Ukrainio) akompanis sin per gitaro kaj impresis per voĉa ekvilibrismo kaj surscenejo karismo. Sola manko, ja korektebla, estis malklara artikulacio, kiu malhelpis plenan aprezon de la tekstoj. Sed la ĉiusence plej eksploda KEF-debuto sendube estis tiu de Dolcxamar (jes, ĝi skribiĝas ĝuste tiel!) — la unua tutfinnlanda rokbando Esperanta. La kvaropo formas tute novan kaj novstilan konstelacion sur nia muzika firmamento, sed rapide ascendontan — tion ne eblas pridubi post la entuziasmega publika reago al la bonhumore aplomba sinprezento de la bando.


Nataŝa kaj Miĥail Povorin


Paŝa Korotenko

Neniu antaŭa KEF donis tiom da atento al nia originala beletro, kaj la eksterordinara abundo kaj kvalito de la literaturprogramo grandparte dankeblas al la klopodoj de kvar hispanoj — Jorge Camacho, Miguel Fernández, Liven Dek kaj Antonio Valén — kaj unu portugalo — Gonçalo Neves. Temas pri kvin sesonoj de la tiel nomata Ibera Skolo, la verŝajne plej fekunda kaj plurtalenta aktivularo en la nuntempa Esperanto-literaturo, de jaroj vigle kaj kvalite aganta sur la kampoj poezia, fikcia, esea, kritika, polemika, redakta,

pedagogia kaj ankoraŭ pliaj. Ilia grupa partopreno en Helsinko fakte estis okazo unika — onidire ĝis nun neniam renkonteblis same multe da ili samtempe ekster Iberio. Al la festivalanoj ĝi alportis profitan okazon kleriĝi kaj inspiriĝi. Per longa vico de prelegoj kaj seminarioj la kvin iberoj ne nur ebligis al ni konatiĝon kun ili mem kaj la diversaj facetoj de sia propra literatura agado. Ne, ili ankaŭ prezentis leginstigajn enkondukojn al la verkaroj de pluraj aliaj nuntempaj aŭtoroj esperantaj (ekz. Mauro Nervi kaj Mau Zifu), gvidis stimulajn diskutojn pri temoj kiel la naturo de poezio, la kriterioj de serioza literaturkritiko aŭ la versteknikо de Kalocsay, analizis esperantan roklirikon, kundebatis la neceson aŭ neneceson de literaturaj neologismoj kaj organizis spirhaltige belan vesperan deklamprogramon dediĉitan al la esperanta ampoezio. Inter alie! Sed la Esperanto-literaturo daŭre nutras sin ankaŭ per nordiaj radikoj. Tion pruvis la sinprezentoj de du nun aktivaj verkistinoj finnlanddevenaj — la poeto Anja Karkiainen kaj la plurfaceta aŭtorino kaj movada aktivulo Sabira Ståhlberg.


Skeĉas Miguel Fernández


Esperanto Desperado

Krome la KEF-aj lumĵetiloj ĉi-foje trafis eĉ nian grafikan literaturon — en la ĉefa salono pendis la supozeble unua ekspozicio iam ajn dediĉita al la originala Esperanta komiksarto. Per ampleksa kolekto de originaloj tie prezentiĝis tri nuntempe aktivaj desegnistoj: Niko Vološin (Ukrainio), kies karikaturojn ni okcidentanoj ĉefe konas el Rok-Gazet', Martin Weichert (Svedio), kiu sola en Esperantujo kultivas la konatan ĝenron de unustriaj ŝerckomiksoj kun fiksa rolantaro, kaj Arnau Torras Tutsaus (Katalunio), la grafike brila kaj teme malpudora "subgrunda" satiristo de Esperantujo.

Aliajn aspektojn de la Esperanto-kulturo prilumis prelego de Vladimir Trifonĉovski (Bulgario) pri la nialingva teatro, kaj la duparta kaj riĉe sonilustrita superrigardo, kiun donis Flo Martorell (Francio) pri la historio de Esperanto-muziko.

El la kutimaj kampoj de originala Esperanto-kulturo ŝajne nur unu estis malpli ol riĉe reprezentita dum KEF 2000, nome la teatro. Por ŝtopi tiun breĉon, brave elpaŝis du porokaze formitaj amatoraj grupoj. Unu konsistis el la ĉiam pretaj iberskolanoj, kiuj sub la nomo *Ibere Libere* prezentis burleske satiran skeĉon verkitan de Gonçalo Neves. La alian, *Variantoj*, formis kvin junaj komencantinoj el Helsinko, kiuj kuraĝe entreprenis surscenigon de la primovada satiraĵo *Gastamo* de Spomenka Štimec. La foje ankoraŭ stumblan lingvoregon de la aktorinoj kompensis lerte humura mimiko. Dum la festivalo prezentiĝis ankaŭ unu vere ambicia teatra projekto, tamen ekster la strikta kadro de originale kreita Esperanto-kulturo. Temis pri la tradukita dramo *Frambodeklivo* de la finnlanda verkistino Stina Katchadourian, kiu rapide sed kortuŝe skizas la mallongan vivopadon de la avangarda kaj nur postmorte aprezata svedlingva finnlanda poetino Edith Södergran (1892—1923). La rolon de la poetino ludis Sabira Ståhlberg, kiu mem esperantiĝis ne nur la nacilingve furorintan teatraĵon sed ankaŭ jam pli frue plenan kolekton de Södergran-poemoj. Helpe de sia kunaktorino Hanna Hjelt, ŝi prezentis al ni kunsentindan portreton de tiu vasta animo kaptita en cirkonstancoj sufoke malfavoraj.

Hipnotige atentokapta estis ankaŭ la dancospektaklo *La hundo lumas*, senvorta sed humure poezia, kiun prezentis Kim J. Henriksen (Danio).

Kadre de la festivalo okazis ankaŭ duontaga seminario titolita "Dudek jarojn post Raŭmo — ĉu ni diras ion kulture originalan kaj internacie valoran?". Partoj de la altnivelaj kaj stimulaj kontribuoj de tiu diskuto estas nun legeblaj interrete.

La KEF en Helsinko do evidente vere elstaris per sia programo kultura, nepre la ĉefa afero.

Sed aldoniĝis ankoraŭ multo pli, kvazaŭ bonifike. Menciiĝu nur preterpase sed apreze la atenta prizorgo de la ĉeestantaj infanoj (kiujn oni eĉ regalis per propra altkvalita kulturprogramo), la bone provizita libroservo, la serio de miniprelegoj pri aspektoj de finnlanda literaturo kaj kulturo, la ambicie preparita ĉiunokta diskejo sub verva gvido de la diskjokeo kaj rim-mitraleto Gunnar Fischer (Germanio), kaj la duontagaj ekskursoj al ĉelaga saŭnejo kaj la historia fortikaĵo Suomenlinna (svede Sveaborg).

Originala Esperanto-kulturo ja laŭdifine tuŝas precipe Esperanto-parolantojn. Tiu ĉi KEF tamen sukcesis en eksterordinare alta grado penetri la konscion de ankaŭ la ne-esperantista finnlanda publiko. Artikoloj kaj intervjuoj aperis en trideko da diversaj gazetoj finn- kaj svedlingvaj, inter kiuj troviĝis la du ĉefaj ĵurnaloj *Helsingin Sanomat* kaj *Hufvudstadsbladet*. Aranĝantoj kaj artistoj intervjuiĝis ankaŭ en multaj televidaj kaj radiaj programoj lokaj kaj tutlandaj, el kiuj pluraj estis direktitaj speciale al junulara publiko. El kvanta vidpunkto la suma raportado laŭtakse eĉ superis tiun de ekz. la UK en Tampereo en 1995. Sed ankoraŭ pli grava estas la fakto, ke nia lingvokomunumo nun ne nur rememorigis la eksteran mondon pri sia ekzisto, sed fakte montriĝis per siaj flankoj plej facile alireblaj kaj freŝimpresaj. Rokmuzika kantaĵo, por doni ekzemplon, ja estas tuja kaj tre konvinka pruvo pri la vivanteco de Esperanto — eĉ por tiu, kiu ne komprenas la vortojn.

**Resume:** La Kultura Esperanto-Festivalo 2000 en Helsinko estis la ĉiurilate pleja ĝis nun. Kaj tion ni dankas al longdaŭraj, skrupulaj kaj amaj klopodoj de la ĉeforganizantino Riitta Hämäläinen kaj granda nombro de aliaj finnlandaj esperantistoj. La finnlanda KEF-teamo transprenis stafete la zorgon pri aranĝo unika en Esperantujo kaj levis ĝin al nivelo tute nova. Ilia festivalo fariĝos la modelo kaj normo, kiun ontaj KEF-organizantoj aspiros atingi. Imagu elementlernejan instruistinon, kiun oni post jaroj invitas al la abiturienta festeno de iama, aparte favorata unuaklasano ŝia. Imagu ŝiajn sentojn, kiam ŝi konstatas, ke el la aminda infano kreskis juna homo bela kaj talenta. Ion tre similan nome sentis en Helsinko tiuj el ni svedoj, kiuj iam mem kunorganizis KEF-ojn — trakuris nin mikso de ĝojo, fiero, humilo kaj diskreta sed dolĉe larmopreta sentimentaleco.

KEF plenkreskiĝis!



VIVU VIVE

Represita kun permeso el *Informus'* (taĝĵurnalo de la 55a IJK)

# Grandioza reveno de Amplifiki

Unuan fojon post larmoplena disiĝo, Amplifiki en la originala konsisto el Bertilo Wennergren, Mike Englund kaj Kim Henriksen koncertumis ĉi tie en Veszprém. La etoso preskaŭ ne estis priskribebla. Dekoj da - precipe inaj - fanoj svenis. Aliaj kriis sian animon el la korpo. Ĉi tie nun en monda premiero la unuaj vortoj de Bertilo post la kongreso. Vive kaj ekskluzive por *Informus'*:

**Informus': Kial tiu neatendita reveno?**

**BW:** Stranga sento de deĵavuo. Kvazaŭ ke tio jam okazis antaŭe.

**Informus': Sed sincere, kiam vi decidis koncerti ĉi tie?**

**BW:** Tio estis kiam Mike alvenis. Antaŭe vere nenio estis planita. Kim konstatis ke ni ĉiuj tri estas ĉi tie kaj proponis ke ni iomete kunludu. Sed mi diris, ke tio iomete ne taŭgas. Aŭ estu neniu, aŭ estu plena Amplifiki-koncerto, ĉar estas fino de la jarmilo, suneklipso kaj tempo por mirakloj.

**Informus': Verŝajne ja nur kelkaj el la kongresanoj ĉeestis vian lastan komunan koncerton dum la IS en Kolonjo 1986/87. Do probable la plimulto ne perceptis la "historian" momenton. Ĉu vi mem sentis ankaŭ tiun historian pezon kaj ĉu vi mem estis maltrankvila antaŭ la koncerto?**

**BW:** Ni estis iom maltrankvilaj, ke la plej multaj de la kongresanoj tute ne komprenus kial tiuj tri maljunuloj insistas ludi strangan muzikon sur la scenejo. Eble la nomo Amplifiki al ili tute ne estas konata. Sed la pezon de la historio ni apenaŭ atentis antaŭ la koncerto.

**Informus': Kaj dum la koncerto?**

**BW:** Jes, dume ĉio ŝanĝiĝis. Mi tuj rimarkis ke la publiko ja tute bone rekonas nin kaj la muzikon. Kaj estis iom emociige ludi tiujn malnovajn kantojn antaŭ tia entuziasma publiko.

**Informus': Ĉu temis tamen nur pri okaza koncerto aŭ ĉu origina Amplifiki denove aŭdeblos nun estonte ankaŭ aliloke?**

**BW:** Malfacila demando. Ĉio estis nur improviza, tute ne antaŭvidita okazo. Mi dubas ke estos ia plena revivigo. Sed ne maleblas ankoraŭ iaj aperoj.

**Informus': Kiel idolo de la Esperanto-junularo, kian konsilon vi havas por ni?**

**BW:** Mi volas diri al la Esperanto-junularo ke ili leviĝu de siaj postaĵoj kaj kreu novajn muzikgrupojn, kiuj estos la estontaj Amplifiki-oj.

**Informus': Dankon.**



INTERVJUO

# Max, kantisto de Freundeskreis

**GEJ-Gazeto: Vi jam surbendigis unu albumon kaj via dua nomiĝas "Esperanto". Kiel vi eksciis pri Esperanto?**

**Max:** Mi sciis pri Esperanto jam kiel infano. Ekzistas ja tiu naturamika junularo kaj en la ĉirkaŭo de Stuttgart estas multaj "arbarhejmoj" (verŝajne domoj de ili, - **Gunnar Fischer**) kien oni iras semajnfine kun la familio kiam oni estas tedite de la urbo. La infanoj povas tiam ludi ĉe la infanludejo kaj la gepatroj povas trinki vinon. Tie estis multaj maljunuloj, naturamikoj ("Naturfreunde", - **GF**), normalaj laborantoj do, kiuj kulturis tion (Esperanton - **GF**). Tiel mi ĉiam denove ekaŭdis la esprimon "Esperanto". Tial mi sciis pri Esperanto kaj iam ekestis la demando pri kion ni faru kun la dua albumo, kion reprezentas Freundeskreis muzike? Post tio ni ekpripensis, bone, ni faras hiphopon, ni faras muzikon. Muziko estas ĉiukaze monda lingvo. Ni repas, mi repas en la germana, Seco kelkfoje kunestas kaj ni volas fari ion kun Deborah. Do ni estas ofte dulingvaj, kelkfoje eĉ kun tri lingvoj. Kiel ni nomu tion? - Esperanto. Tiel tio ekestis.

**GG: Do al vi plaĉas la ideo de Esperanto kaj ne la lingvo?**

**Max:** La lingvo mem ne estas tiom grava por ni, vi ja eĉ faras tutajn gazetojn en Esperanto. Por ni Esperanto estas sinonimo por hiphopo, por la speco de hiphopo kiun ni faras, por muziko. Do ni prenis tiun Esperantokonceptaĵon kaj uzis ĝin por nia celo. Ni estas por la ideo sur kiu baziĝas tiu lingvo, nome ke homoj sin interŝanĝas, ke la popoloj sin interŝanĝas, ke iĝas facile por ili komuniki ankaŭ trans limoj. Tiun enhavan dimension de Esperanto ni simple transigis al la muziko kiun ni faras. Ni pensis: Bone, la muziko kiu ni faras ni nomas Esperanton, ĉar por ni ĝi estas afero kun la sama celo, kaj Esperanto estas iomete por ni relikvo. Ĝi ja havis sian bonan tempon en la dudekaj kaj tridekaj jaroj kaj en la oriento ankoraŭ en la kvindekaj kaj sesdekaj, sed hodiaŭ ĝi ja ne plu estas parolata de vere multaj homoj.

**GG: Sed jes.**

**Max:** Kiom da estas en la mondo? Kvar milionoj? Tri milionoj?

**GG: Jes, oni diras, tri milionoj. Mi pensas ke oni povas multon fari per tio.**

**Max:** Jes certe, ĝuste, sed tamen, se mi nun pripensus eklerni plian lingvon mi pli verŝajne lernus la hispanan, ĉar tiam mi povus vojaĝi al Sudameriko, al Hispanio, aŭ mi plibonigus mian francan, tiam mi povus vojaĝi al Francio, en la Karibio kaj al multaj Afrikaj landoj. Sub praktikaj aspektoj Esperanto ne tre utilas. Mi volas diri ke idealistoj parolas Esperanton ĉar estas bele kulturi lingvon. Ankaŭ al mi ĝi plaĉas. Sed por mi lingvo estas ankaŭ praktika afero. Pro tio mi ankaŭ ne lernis la latinan sed la francan ĉar mi preferas tuj ekparoli anstataŭ resti kun ĉio sur teoria nivelo.




**GG: Mi pensas ke Esperanto bone funkcias.**

**Max:** Do, kiam vi estas en Italio, ĉu la homoj komprenas vin kun Esperanto?

**GG: Do, mi ankoraŭ ne iris en picovendejo kaj parolis tie Esperanton. Sed ni estis en Italio kaj mia patro kontaktis Esperantistojn kiuj poste altelefonis nin. Ni diris al ili ĉe kiu plaĝo ni estas. Unu tagon ili alvenis kaj anoncis: Surmetu varmajn vestaĵojn, nun ni veturas en la montaron.**

**Max:** Tio estas bela. Tio plaĉas al mi, mi ankaŭ legis, ke la homoj, kiuj kulturas ĝin, do la Esperantistoj, ke ĉe ili okazas interŝanĝo, ke oni povas iri ĉien, ke vi povas tranokti ĉe familioj ĉie en la mondo, paroli kun ili Esperanton kaj restas kelkaj tagoj tie. Sed tamen estas malgranda cirklo de homoj. Kiom da homoj ekzistas en la mondo? Ses miliardoj, do, se vi lernas la ĉinan vi povas paroli kun kvinono de la mondo. Se vi lernas Esperanton vi povas paroli kun centmilono. Egalas, por ni Esperanto estas la muziko kiun ni faras kaj kompreneble ni scias de kie ĝi venas. Tion ni ankaŭ diras en ĉiu intervjuo sed tamen ni faris ion novan el ĝi.

**GG: Kiun politikan sintenon vi kunigas kun tio?**

**Max:** Simple la internacionalismon, rigardu nian logotipon, la terglobo kaj du manoj kiuj manpremas unu la alian.

**GG: De kie vi havas tion cetere? Tre memorigas pri grafikaĵoj uzataj en la Esperanto-movado.**

**Max:** Tion ni verkis mem. Ni ankaŭ jam konas la estetikon. La Esperanto-movado ja estas verdire proletara. En sia origino ankaŭ socialisma. Do ĝi havas ankaŭ siajn fontojn en la socialisma grafiko kaj pri tiu ni estas sufiĉe spertaj.

**GG: Kion vi volas esprimi/transdoni kun viaj kantoj?**

**Max:** Unue ni volas fari muzikon kiu plaĉas al la homoj kaj kiu tuŝas ilin sur pure muzika nivelo. Plie ni volas rakonti al la homoj kion ni faras, kia la mondo estas laŭ ni, kaj volas ke ankaŭ ili sin retrovu en niaj rakontaĵoj. Tio estas ĉio.

**GG: La kanto ja ne estas en Esperanto, ĝi enhavas kelkajn esperantlingvajn vortojn, la germanan kaj ankoraŭ aliajn lingvojn. Kiuj lingvoj estas efektive?**

**Max:** La franca, Deborah ja regas la francan, plie tie estas ankoraŭ la hispana: "escuchar el lenguaje". Tio signifas "aŭskultu la lingvojn" kaj "estay representanto" signifas "mi reprezentas". Plie ankaŭ enestas Esperanto, ekzemple "amikaro" kio ja ankaŭ troviĝas sur la KD mem kaj signifas "Freundeskreis", plie "mondano", tio estas la "Weltbürger".

**GG: En la franclingva parto estas skribita ke Esperanto estas la lingvo de la amo kiun ĉiu parolu.**

**Max:** "Tour à tour", lingvo kiu iom post iom disvastiĝos. Tio estas pensita metafore. Esperanto estas sinonimo por fratiĝo kaj espero. Ni volas disvastigi esperon per la kanto. Esperanto - "c'est la langue de l'amour", la lingvo de la amo, kiu iom post iom disvastiĝos. Esperanto - "et ce jour l'espoir est né?", kaj je tiu tago la espero naskiĝos denove. Tio estas metaforo por la spirito sur kio baziĝas Esperanto. Ĝi diras ke la homoj komuniku trans la limoj kaj donu unu al la alia siajn manojn.

**GG: Kun kiuj Esperantistoj vi havis kontakton kiam la kanto estis verkata?**

**Max:** Kiam ni estis skribantaj la kanton kun neniu sed kiam ni faris la intron (introon? - **GF**) ni ekhavis kontakton pere de mia patrino kun sr-o Schäffer de la Esperanto-klubo de Stuttgart. Lin ni altelefonis kaj diris kion ni intencis. Ni tiam sendis al li por la intro (introon? - **GF**) fakse tekston kiun li tradukis por ni. Poste estis foiro en Stuttgart. Tie estis ankaŭ Esperantostando kun homoj de multaj diversaj lokoj, ankaŭ homo el Benino kiu parolis la intron (introon? - **GF**).

**GG: De kie vi havas la Esperantovortojn en la kanto?**

**Max:** Mi aĉetis tri Esperantolibrojn kiujn mi kun multa peno tralegis.

**Intervjuis: Britta Loose.**
**Tradukis el la germana: Gunnar Fischer.**
**Represita kun permeso de GEJ-Gazeto.**





# KRITIKLOJ

Vinilkosmo

# JoMo Friponas!

## La unua kodisko surbendigita en propra Vinilkosmo-Son-Studio!




JoMon ne plu bezonas prezenti, li jam sufiĉe famas. Li multe koncertas en Esperantujo, ĉu kun la bando Liberecanoj, ĉu sola. Pro tio oni ofte petis ke JoMo surbendigu tiun personan etoson kiu kutime ĉeestas liajn solo-koncertojn, ekzemple en Kerkrado (IJK), Ostravo (IMUR), ĉeboksaro (Festo de la lingvoj), Torino (IJF), Wetzlar (IS), diversaj EoLAj, KAFE, kaj IJKoj. Vi ja scias ke JoMo estas fripono. Lasite libera en la tutnova studio de Vinilkosmo, kaj kaŝite de la mondo, la kantisto ne povis kontraŭstari sian emon aldoni "kelkajn" pliajn akustikajn instrumentojn kaj voĉojn. Tial tiu ĉi soloalbumo ne nur fidele respegulas la scenejan etoson de la koncertoj de JoMo kiam li ludas Sooooola!, sed ĝi ankaŭ havas etajn plusojn. Jen ege multstila kodisko de JoMo kun gajaj kaj dancigaj kantoj latinamerik-etosaj, kantriaj, slavecaj, kaj eĉ blusaj, kun tekstoj elvokante la espomovadon, pacon, amon, liberecon, apartan atentan zorgon al nia kara planedo, naturo, kaj la Homaro. En la kanto "En la IJK" kunkantis lokaj esperantistoj, kaj en la porinfana kanto "Suno sunu" kunkantis esperantistaj infanoj. En ĝi aperas ankaŭ liberecana kanto memore al Buenaventura Durruti, mortinta dum la hispana civilmilito, kaj elstara espotraduko de "La Bambo" fare de A. Zocato. La rezulto de tiu ĉi kodisko estas etosiga, danciga, indega por varmaj noktoj de espaj renkontiĝoj ĉie en la mondo. Unuafoje ĝi estis prezentita okaze de la koncerto de JoMo dum la 57a IJK en Strasburgo, kie ĝi furoris!

JoMo Friponas! Referenco: VKKD 44, disponeblas ĉe la kutimaj libroservoj aŭ rekte ĉe Vinilkosmo.

**Vinilkosmo (Esperanto-Muzik-Prod.),**
**FR-31450 Donneville, Francio**
**Tel/faks.: +33 / 5 61 81 95 65,**
**Faks.: +33 / 5 34 66 04 15,**
**Retadreso: vinilkosmo@esperanto.org**

Eblas mendi kaj aĉeti ankaŭ rekte enrete pere de TTT-ejo: **http://www.vinilkosmo.com**

# Brazíleca Símbíozo!




Tiu albumo estas frukto de kunlaboro inter la konata brazila muzikisto **FLÁVIO FONSECA** kaj la elstara poeto **GERALDO MATTOS**, prezidanto de Akademio de Esperanto.

La disko *Simbiozo* prezentas bukedon de muzikstiloj kolorigitan de la sudamerika etoso kaj de kreema arta riĉeco. El ĝi vi aŭdos karnavalan sambon, ŝoron, bosanovon, latinan ĵazon, noveraan muzikon kaj eĉ iun elektronikan! Ĉiuj aranĝoj estis registritaj per diĝita sonsistemo, en altnivela kaj plej freŝdata teknologio.

La belegan modernan kovrilon kreis Elison Simas, kun ĉiuj kantitaj tekstoj kaj aliaj informoj. Pluraj invititaj muzikistoj partoprenis: Jorge Cardoso, unu el la plej konataj mandolinistoj en Brazilo; Eugenio Matos, pianisto kaj muzikestro; Evandro Barcellos, kavaketisto kiu specialiĝis pri karnavala sambo; Marcelo Lafeta, spertega gitaristo, kiu partoprenis en du kantoj; Gilza Maria, kiu bele ludis tenoran bekfluton; kaj Cristina Pancieri, konata en Esperantio pro aliaj kunlaboroj kun Flávio Fonseca.

Nepre nemalhavebla KD! Ĝi plibriligas la esperantan kulturon, kaj vi povas uzi ĝin por disvastigo de Esperanto, en bazaj kaj daŭrigaj kursoj, kaj, ĉefe, por aŭdi, reaŭdi, rereaŭdi...

La diskon eldonis BEL (Brazila Esperanto-Ligo). Vinilkosmo distribuas ĝin pere de sia katalogo kaj TTT-ejo **www.vinilkosmo.com**

**Tony Guyot.**

# Povus esti simple



Persone

Povus esti simple

(13 titoloj; 56 minutoj)

Unu malbela flanko de la Esperanto-muzikmerkato estas ke kiam oni finfine vere ekŝatis la kantojn de certa albumo, ĝi kun kvazaŭ 100%-a certeco ne plu haveblas pro elĉerpiĝo. Malfacilas do kolekti la albumojn kiuj rerigardante plej influis dum certa tempo la junularan movadon, kies kantoj iĝis tre famaj kaj ofte rekantiĝis dum renkontiĝoj. Unu de tiuj verkoj laŭ mi estas la en 1996 aperigita ***Povus esti simple***, la tria albumo de **Persone**. La Sveda rokgrupo ĉiukaze jam estis konatega en Esperantujo sed per tiu ĉi albumo (denove) skribis Esperanto-historion. Feliĉkaze oni reeldonis la KDn kaj dum la KEF 2000 mi havis la eblecon aĉeti ĝin je modesta prezo.

Kompare al la unuaj du albumoj, la stilo rimarkinde malmoliĝis. Mi ne plu nomus tion poprokon sed klare (gitaran) rokon. Tio ne signifas ke Martin Wiese, Anders Grop kaj Bertilo Wennergren subite perdintus la senson por melodieco - mi eĉ tutinverse dirus ke la sono estas samtempe pli melodia, roka kaj densa ol iam ajn. Ne plu troviĝas iuj spuroj de la molrokaj 80-aj jaroj en ĝi – la sono estas plene el la 90-aj jaroj kaj bone respegulas la ĝeneralan evoluon de rokmuziko en tiu tempo ankaŭ ekster Esperantujo.

Male al la antaŭa albumo ***En la spegulo***, la kantoj ne temas plejgrand-parte pri (perdita) amo. Ĉifoje eble la foto sur la malantaŭa flanko de la KD kiu montras la tri Personanojn en urba strato jam tre bone ilustras pri kio temas: La ordinara ĉiutaga vivo kun ĉiuj problemoj, malbelaj situacioj kaj sia tuta tristeco. La refreno de la unua kanto kurte donas la ĝenerale validan mesaĝon *Povus esti simple sed estas ne*, tial ankaŭ la titolo de la KD mem estas trafe elektita. Sed pli mi nun ne volas citi de la tekstoj, tro malfacilas decidi kiuj estas la 2-3 plej majstraj linioj de la 13 verkoj kaj oni ĉiukaze prefere ĝuu ilin komplete.

La kanto ***Povus esti simple*** mem laŭ mia impreso iĝis la plej konata kanto de la KD kaj oni de temp' al temp' aŭdas ĝin en Esperanto-diskotekoj ĉar ĝia rapideco bone dancigeblas ĝin. *Mondo aŭ mi* trafe priskribas la sentojn kiujn multaj el ni havis en la 90-aj jaroj kiam post la falo de la fera kurteno en orienta Eŭropo ekestis pluraj militoj interalie en eksa Jugoslavio. Per ĝi Persone daŭrigas sian tradicion de kontraŭmilitaj kantoj, same kiel kun la brilega *Reĝoj de cindro* kiu aperis jam en diversa formo sur la ***Vinilkosmo-kompil' 1***. Mi nomus ĝin minimume parte eĉ pli bona ol la famegan "ĉu vi pentas?" de la unua albumo ĉar ĉifoje la muziko laŭ mi pli bone kongruas al la temo. *Ili venos* esprimas la deziron eskapi el la trista ĉiutago. Kiom granda realismo malgraŭ la sciencfikciaj elementoj: La situaciojn priskribitajn en la unuaj du strofoj mi kvazaŭ ekzakte travivis dum mia studado en Catania (Sicilio)! La temon de la ĝojmalplena vivo ankaŭ pritraktas *Maskobalo* kiu sonas kiel fia grimaco kontraŭ la socio kun ĉiuj siaj surfacaĵoj kaj ŝajnigoj. *Mejlojn for* aldonas plian vidpunkton nur tro bone konatan al ni esperantistoj: ĉu amo ne estas tiom forta ke indas vivi eksterlande por trovi kontentecon tie? Dum pecoj kiel *Revoj* kaj *Vortoj* bonege rokas kaj danceblas, tamen restas loko por pli sentemaj kantoj kiel *Kiam amo regas* (tio ne signifas ke la aliaj kantoj ne enhavus sentojn!). Sed la plej eksterordinara muzikaĵo sur la tuta albumo sendube estas *Nun mallumas ekstere* ĉar ĝi estas plene akustika kaj pro tio tute diversas de la aliaj. Tielmaniere la akustikaj koncertoj kiujn la tri Svedoj faras ekde kelkaj jaroj estas almenaŭ per unu verko reprezentitaj. La harmonie impresa sono ne plu similas al U2 aŭ The Police sed memorigas pri Simon & Garfunkel.

Kio restas fine por skribi? ***Povus esti simple*** ankaŭ duonan jardekon post ĝia aperigo perdis nenion de sia viveco kaj aktualeco. Se vi interesiĝas pri moderna muziko kaj Esperanto-rokkulturo, tiam tio ĉi estas la ĝusta elekto por vi!

# ...sed estas ne




**(8 titoloj; 28 minutoj)**

Kadre de la *Kolekto 2000* aperis la kvara albumo ***...sed estas ne*** de la Sveda triopo. Kiel la titolo jam aludas, ĝi laŭstile daŭrigas la antaŭan verkon ***Povus esti simple***, nome per same gitarplena rokmuziko. Atentaj oreloj tamen trovos ĉifoje iom pli da vario inter la kantoj kaj pli fajnan sonon. Malmola roko spertis ĝeneralan reviglîĝon en la malfruaj 1990aj jaroj, do tiu ĉi albumo povas roli kiel digna reprezentanto de tiu periodo. Denove unu akustika peco rondigas la bildon kaj bone montras la plian talenton de Martin Wiese (elektraj kaj akustikaj gitaroj, ĉefkantado), Bertilo Wennergren (drumo, harmonia kantado) kaj Anders Grop (elektra basgitaro, harmonia kantado). La tekstoj, grandparte de Martin kaj krome de Bertilo verkitaj, rakontas pri amo, rilatoj kaj la kun tiuj ligitaj krizoj kaj problemoj. Kelkfoje temas pri okulfrapa kaj ĉiam pri elstara liriko, ofte kun trista aŭ meditema, sed foje ankaŭ kun gaja aŭ revanta tono. Komplete nigrablankaj ilustraĵoj kaj fotoj memorigas pri la malvarma granduрba vivo. Per solida rok-albumo la plej fama Esperanto-rokgrupo montras ke ĝi vere meritas tiun titolon. Nura kritikpunkto: La tuto tro mallongas!

**Aŭtoras DĴ Kunar.**

La disko estas havebla ĉe Vinilkosmo.
Muziko en la MP3-formato kaj/aŭ tekstoj de Persone troviĝas ĉe:
**http://purl.oclc.org/net/persone**
**http://www.mp3.com/stations/persone**
**http://www.musicexpress.com.br/persone**
(tekstoj ĉi tie en la portugala)


KRITIKLOJ




# PERSONE akustika

Jam aperis la longe atendita akustika albumo de Persone! La fama esperanta rokbando havas de kelkaj jaroj ankaŭ alian vizaĝon: tute akustikan, kun du gitaroj, kontrabaso kaj bele interplektiĝanta harmonia kantado. Multaj kiuj ĝuis iliajn etosplenajn koncertojn (i.a. en UK en Montpeliero, KAFE en Tuluzo kaj pluraj KEF en Svedio, Danio kaj Finnlando) senpacience atendis diskon kun tiu repertuaro de la bando.

Ĝi alvenis, transprenanta la etoson kaj intimecon de la koncertoj al via KD-ludilo! La disko enhavas naŭ novregistritajn kantaĵojn kiel ekzemple la jam klasika *Mi ĉiam kredis*, la mistika *Perloj sur la ter'* kaj la svenige bela akustika transformaĵo de la iama elektra furoraĵo *Revoj*. Aldone al la novregistritaj pecoj la KD finiĝas per du jam eldonitaj kantaĵoj kun plibonigita sono. Recenzo aperos en RG n-ro 11.

Jam nun eblas mendi la diskon ĉe Vinilkosmo: **www. vinilkosmo.com**

# Kia Kora viv'

Aŭtoras DĴ Kunar

La 9-a KD (7 titoloj; 29 minutoj) de la *Kolekto 2000* prezentas novan grupon el Francio ***Kore***. Malfacilas decidi ties stilon: Ĉu nun nomi ĝin pop- aŭ rokmuzikon? Ĉio sonas mole kaj similas al verkoj el la 1980-aj jaroj, aliflanke ĝuste la tre agrabla roka gitaro sufiĉe elstaras. Eble "tre popa roko" do taŭgas kiel esprimo.

Ĉiukaze oni ne povas paroli pri ĝenerala leĝeraĵo. La tekstoj pritraktas seriozajn temojn kiel aideson, danĝeran aŭtostiradon kaj prostituadon. Laŭ lingva nivelo, la grandparte ne originalaj sed tradukitaj pecoj ne tiom ravas; evidente ili ne havas la brileco de ekz. *Persone*-tekstoj. Krom la gitaro menciendas la plaĉa pianoludado; ĝis nun malofta talento en Esperantujo! Kris Spitzer plene konvinkas per sia klara voĉo kaj dum la alte kantitaj partoj ŝajne provas imiti la famegan Freddy Mercury (sen atingi ties geniecon tamen). Kiu cetere malkontentas pri la nur duonhora daŭro de la KD, povas akiri du pliajn pecojn el la interreto. La tre altkvalitaj grafikaĵoj forigas la lastajn dubojn ke temas pri vere profesinivela albumo. Ne ĉiu rokgrupo devas esti tiom malmola kiel *Persone*.






Eblas mendi la diskon ĉe Vinilkosmo: **www. vinilkosmo.com**
La muziko en la MP3-formato de *Kore* troviĝas ĉe:
**http://www.mp3.com/kore**
**http://www.musicexpress.com.br/kore**
(tekstoj ĉi tie en la portugala).

# NOVA KD

La sudokcidenta franca asocio Esperanto 24, en Dordonjo, produktis kompaktdiskon nomatan ***Duone***. Ĝi konsistas el dek kanzonoj eŭrop- k latin-ĵazstilaj. Ĝia interpretanto k komponisto **Thierry Faverial** (Tjeri) jam prezentis sin sursceneje okaze de la UEA kongreso en 1998, dum la spektaklo de "la Kompanoj" en Montpellier. Li partoprenis kiel kantisto k muzikisto en ties KD-o ***Survoje*** produktita de Vinilkosmo kadre de "Kolekto 2000".

Por *Duone* li ricevis helpon de sia amiko Marcel Redoulez por verkado de multaj el la tekstoj. Ĉi-lasta kunlaboris pri la lastaperinta disko de "Kajto", k antaŭe pri tradukado en tiu de Jacques Yvart. Gravas ke esperantista kanzonaro diversstila pliriĉiĝu. Tial ni klopodis por naski tiun muzikan verkon. Eblas konatiĝi skribe k sone kun *Duone* ĉe la jena adreso: **http://www.faverial.fr.st**

**Esperanto 24, 22bis rue Charnay Frachet, FR-24000 Perigueux, Francio.** Retadreso: **esperanto.24@laposte.net**



# Latinpopo por la mondo

**Merlin Esperante: *Por la mondo***
(9 titoloj, 28 minutoj)

La 5-a KD kiu aperis kadre de la "Kolekto 2000" de Vinilkosmo alportas finfine kaj novan kaj ekstereŭropan grupon al Esperantujo: *Merlin* (Esperante) el Brazilo. La unua albumo de tiu kvinopo enhavas ĉefe latinpopon ( = popon kun latinmuzikaj influoj), po unu kanto estas Sudamerika mondmuziko kaj sambeca bosanovo. Rimarkeblas la forta Brazila karaktero de la muzikaĵoj precipe en la ludmaniero de la klavaro, la perkutiloj kaj la akustika gitaro, jen tre bonvena malsimileco al la nuntempe plej ofte Eŭropa Esperanto-muziko. Krom la tipa poproka instrumentaro (drumo, basgitaro, klavaro, akustika kaj elektra gitaro), foje ankaŭ aperas ŝajne per sintezilo faritaj arĉinstrumentoj kaj latunaj blovinstrumentoj. La roka elektrika gitaro vere plaĉas, tamen ĝi ne venkas la ĝenerale ritman sed molan sonon de la kantoj. Kiu tralegas la tekstojn ne nur ĝeniĝas pro kelkaj lingvaj eraroj sed precipe miras pri ilia parte granda seriozeco kaj pripensemo, nekutima kontrasto al la sufiĉe leĝera muziko. Kelkaj de ili vere bonas sed neniu elstare brilas. Kion diri do konklude? Eĉ se mi verŝajne ne tro ofte relegos la tekstojn aŭ kunkantos (kiel ekz. ĉe *Persone*), tiu ĉi verko bone taŭgas kiel agrabla akompano por senzorga kaj senstreĉa tago.










# Poproko kaj pli el Brazilo

**Merlin: *Ho! Mia kor'!***
(10 resp. 15 titoloj, 38 resp. 60 minutoj)

La dua albumo de ***Merlin*** (nun sen la aldono "Esperante") agrable surprizigas per la granda muzika evoluiĝo de la Brazila grupo. La sono estas multe pli malmola, riĉa kaj vere aktuala; tion kaŭzas rokaj kaj funkaj gitaroj, fortaj drumoj, voĉaj efektoj, tre diversaj sinteziloj, spicaj perkutiloj kaj gruva baso. Kelkfoje ankaŭ du pliaj voĉoj plivariigas la kantadon. Plaĉas ke la devenlando de la artistoj ĉifoje ne montriĝas nur ĝenerale en latinaj influoj en la muziko sed en la stilo de pluraj kantoj mem: Unu ekzemple estas flamenko, alia memorigas pri la Brazilaj televidserioj kiuj havas similan titolmuzikon. Krom tiu laste menciita troviĝas plia malrapida kanto sur la disko: ***Ho! Mia kor'!***, la famega poemo de Zamenhof, kun tre bela muzika akompano. La KD enhavas komputilajn datumojn, interalie instrumentajn versiojn de kvar muzikaĵoj por kunkanti kaj kanterojn de la unua albumo por doni impreson pri ĝi. La tekstoj en ordas, tamen krom kelkaj lingvaj eraroj en la tekstoj precipe ĝenas la ideo de "verda soldato" kiu "neniam rezignu" pri "vera milito" - laŭ mia interpreto malĝusta idealo de militema Esperanto-radikalulo. Tamen entute tre rekomendinda albumo. Finfine nova muziko por junularaj Esperanto-diskotekoj!

**DĴ Kunar**

Por mendi la diskon turniĝu al Vinilkosmo.
Muziko en la MP3-formato troviĝas ĉe:
**http://www.musicexpress.com.br/merlin**

# Mondanaj Amplifikidoj



Por mendi la diskon turniĝu al Vinilkosmo.
Muziko en la MP3-formato troviĝas ĉe:
**http://www.musicexpress.com.br/espodespo**

**Esperanto Desperado: *Brokantaĵoj***

(13 titoloj, 48 minutoj)

**Aŭtoras DĴ Kunar**

**Esperanto Desperado** duoble memorigas pri Amplifiki, la unua rokgrupo en Esperantujo: Unue pro sama muzikisto kaj due pro reuzo de la fama kanto *Sola*. La dana-bosnia-pola grupo prezentas buntan programon de gaja skao, emociplena cigana kanto kaj mondmuziko. Al grandparte senzorge ĝojaj pecoj aldoniĝas kelkaj pli meditemaj muzikaĵoj. Anstataŭ la raŭka voĉo de Kim J. Henriksen feliĉkaze ofte eksonas tiu vere melodia de Amir Hadziahmetovic. Ambaŭ bandanoj verkis preskaŭ ĉiujn tekstojn, plie menciindas kontribuoj de William Auld, Maria Amanta Smilet kaj Attila Jozef. Krom la kutimaj rokinstrumentoj (drumo, baso, gitaro) aŭskultiĝas ankaŭ akordiono kaj fluto. La altkvalita sono de la muziko alportas specialan ĝuon al la oreloj, malofta fenomeno en Esperantujo! Pluraj kantoj kiel ekzemple *Ska-virino* jam iĝis tre popularaj kaj regule plenigas esperanto-diskotekojn. Tiun ĉi bonetosan kaj agrable freŝan albumon mi nur povas forte rekomendi.

# Freŝa vento el Sudameriko

**Aŭtoras DĴ Kunar**

**La Porkoj: *Ŝako***

(9 titoloj; 25 minutoj)



Por mendi la diskon turniĝu al Vinilkosmo.
Muziko en la MP3-formato de La Porkoj troviĝas ĉe:
**http://www.musicexpress.com.br/laporkoj**



Ke bona Esperanto-muziko ne nepre devas veni el Eŭropo, tio ne estas novaĵo. Sed ke ekzistas bonega rokmuziko el Argentinio, tion nun pruvas **La Porkoj** per sia unua albumo kiu aperis kadre de la *Kolekto 2000*. Aparte de pluraj verkoj en la ĵus menciita stilo, Alejandro Cossavella kaj liaj kunbandanoj prezentas unu baladon kaj unu bluson. La rokaj partoj tamen restas pli fortaj kaj determinas la viglan, vivoplenan, ĝojan kaj ĝuan karakteron de la KD. La instrumentoj estas tipe rokaj, nome drumo, basgitaro kaj - kiel ĉiam en bona rokmuziko - elstara elektra gitaro; en la malrapidaj pecoj eksonas akustika gitaro. Plie plaĉas la klara, ofte alta kaj bone komprenebla kantado. En la maldecetaj tekstoj, ilustritaj cetere per kongruaj desegnaĵoj, la atenta aŭskultanto trovos foje ankaŭ alludon pri la Esperanto-movado mem. Tamen eĉ pli interesas la alparolo de "pacaj batalantoj" en la kontraŭmilita kanto. Kiel kritikpunktoj notindas ke la rokaj pecoj iom similas unu al la alia kaj ke la albumo mem tro mallongas. Sed entute temas pri konvinka KD kies rapidaj partoj jam plurfoje montris sian taŭgecon por dancado en etosplenaj Esperanto-diskotekoj.

# *Muziko Intermonda*

**Dolcxamar: *Lingvo Intermonda***

(9 titoloj; 31 minutoj)

**Aŭtoras DĴ Kunar**

Malofte ekestis tiom da furoro pri Esperanto-muzikgrupo kiel en la kazo de **Dolcxamar**. Jes, oni vere skribas ĝin kun ikso! Kaj ne nur tiurilate la Finnaj muzikistoj ĉirkaŭ Patrik Austin rompas konatajn konvenciojn... La laŭ propra priskribo "plej moda" grupo de Esperantujo ludas absolute aktualan muzikon kies stilo apenaŭ ekzakte difineblas. Oni jam uzis la vorton "ummuziko" por priskribi la frenezan mikson inter roko, repo kaj tekno kiu plie enhavas iometojn da metalroko, popo kaj drumenbaso. La samtempe agresivetan kaj melodian sonon de la sufiĉe malmolaj kantoj kreas veraj instrumentoj (elektra gitaro, basgitaro, klavaro) same kiel samplaĵoj. Ĉe la kantado ĝenas kelkaj misakcentitaj vortoj, dum la tekstoj restas parte tre misteraj. Inter junuloj famiĝis la hiphopo *Ĉu vi pretas?!*. Kvankam la albumo certe tro mallongas kaj ne atingas la brilan etoson de la koncertoj, laŭdendas la propra kaj eĉ ekster Esperantujo unika stilo de **Dolcxamar**. Tiu grupo estas sendube grava gajno por la Esperanto-muziksceno. Mi volas pli!



Por mendi la diskon turniĝu al Vinilkosmo.
Muziko en la MP3-formato de Dolcxamar troviĝas ĉe:
**http://www.mp3.com/dolcxamar**
**http://www.musicexpress.com.br/dolcxamar**




**La eldonejo:**
Le loup du Faubourg
21, rue de la Roquette
75011 Paris, Francio
mariloup@club-internet.fr
Tel/Faks: +33 - (0)1 40 21 12 40




# ETNA: Musis

La aŭtoro **Richard Favry,**
elfrancigis Tony.









Ivana, Joelle kaj Mauro kantis unuafoje kune dum ununura koncerto en Svilando en 1996. Post reveno al Parizo — ilia loĝloko, Rosine aliĝas al la grupo. Ili oficiale kreas Etna-n kun repertuaro el la balkana kaj mediteranea folkloro, ligita al ilia deveno.

Ili nun estas kvarope. Ili ĉiuj venas el "aliloke", pli-malpli el centra aŭ suda Eŭropo. Kune ili klopodas rekrei, memori, relerni muzikojn, kiuj povintus esti iliaj. Ili rekreas ilin, miksante memorajojn kaj profundajn dezirojn, mitojn, rakontojn kaj malnovajn kliŝojn. Ofte iliaj respektivaj influoj miksiĝas. Ĉiu alportas sian kontribuon kun la plezuro esplori.

En 1998, Etna koncertadas kaj registras sian unuan albumon (8 memproduktitaj titoloj). Ili kantas en la kabareto *Le Loup du Faubourg* en Parizo, kaj tie la aventuro de ***Musis*** konkretiĝas. Tiu nova albumo kun 13 titoloj (Ref: LFB033, produktita de *Le Loup du Faubourg* kaj distribuita de *Socadix Europe Distribution*) lasas pli grandan lokon por originalaj komponaĵoj en la lingvoj serb-kroata, greka kaj itala, sed ankaŭ napola, makedona kaj friula*.

Treege rekomendinda.

*Friulo estas itala regiono apud Venecio.

# TONYNARA: Live 2




Post dek jaroj sursceneje kaj ĉirkaŭ 600 spektakloj, Tonynara deziris eldoni vivan albumon. Tiu deziro konkretiĝis dum tri koncertoj registritaj en Liono.

El tiuj tri esceptaj vesperoj naskiĝis du albumoj. La unua haveblas de marto 1999, la dua, ne delonge aperita, estas distribuita de ***Coop Breizh***.

Tonynara kreiĝis en 1989 far Tony Canton (violono, *tin whistle*), Nass Hassani (kantado, *bodhran*, gitaro, mandolino) kaj Rachid Hassani (gitaroj, banĝo, mandolino, koruso). Ili kreis repertuaron influita de irlanda folkloro. Jarojn post jaroj, Tonynara pliriĉiĝis de du aliaj muzikistoj: Estelle Anasellem (kontrabaso, koruso) kaj Yves Donzal (perkutinstrumentoj, gitaroj, koruso) kaj teknika skipo. Ili nun ofertas — turneon post turneo — spektaklon cele nutrita de akuştikaj instrumentoj. Kvankam privilegiante la "vivan" flankon per cento da koncertoj jare, Tonynara tamen prenas tempon por eniri en studion kaj surdiskigi siajn ideojn kaj kantojn.

Konkludo: bonega koncerto. Aŭskultu la muzikon kaj la ĝojon de ĉiuj ĉeestintoj dum tiu vespero... Mi certas, ke la sonteknikistoj devis fortranĉi almenaŭ unu horon da aplaŭdo.

**Richard Favry**, elfrancigis Tony.

MALKOVRINDAĴO

UNU el la ĉefaj evoluoj en politike konscia rok-muziko dum la 90-aj jaroj estis la apero de la losanĝela grupo **Rage Against The Machine** (Furiozo kontraŭ la Maŝino). La kvaropo unue aŭdiĝis en 1992 per sia samnoma debuta disko. La ĝenerala koncepto estis miksi rep-kantadon, metalon kaj grunĝon, kun politike radikalaj vortoj. Tiun vojon jam provis aliaj grupoj, sed neniam per la sama teknika lerto, la idealismo




rimarkinde, la gitaristo ricevis sian universitatan diplomon ĉe Harvard), ili celas reprezenti tiun flankon de Usono, kiun Hollywood ne volas montri: tiujn usonanojn, laŭ kiuj perforta politika agado estas la sola maniero venki maljustan politikan kaj ekonomian sistemon en la propra lando kaj en la tuta cetera mondo. Sufiĉas citi la simplan kaj potencan devizon el ilia plej konata kanto: "Fuck you, I won't do what ya tell me." Nun konate tutmonde, la grupo reaŭdiĝis en 1995 per nova disko, ***"Evil Empire"** (fia imperio)*, kiu multaspekte estis daŭrigo de la antaŭa disko. Kaj nun, Rage Against The

# FURIOZO KONTRAŬ LA MAŜINO

kaj la kolero de ĉi tiu kvaropo. La kantisto, Zack De La Rocha, estas de cigana deveno. Li prezentas revoluciemajn versojn per grado de energio kaj senbrida kolero, kiajn malmultaj kantistoj atingas. La nigra gitaristo Tom Morello estas la muzika animo de la grupo kaj certe nekredebla ludanto. En la disko li uzas sian gitaron laŭ sennombraj imageblaj manieroj, imitante diversajn strangajn sonojn kaj saltante senĝene de unu stilo al alia.


Gitaristo Tom Morello

Machine denove ĝojigis siajn fervorajn aŭskultantojn per plia disko, ***"The Battle of Los Angeles"** (La Batalo de Losanĝelo)*. Ilia daŭre pliiĝanta tutmonda famo ne ŝanĝis la radikalismon de la grupo. La nova eldonaĵo, malpermesata de multaj usonaj radiostacioj kaj certe ne bonvena ĉe MTV, estas plia sona atako kontraŭ kapitalismo, kaj la amas-komunikiloj, kiuj kontrolas la opinion de la homoj. Interalie, ĝi enhavas

La ritmofako, kiu konsistas el basisto Timmy Commerfield kaj drumisto Brad Wilk, estas ĉiam fidinda. Estas interese noti ke la grupo senhezite rifuzis uzi samplilojn, sintezilojn aŭ aliajn elektronajn ilojn en la disko, sed Morello kreas tiom da specialaj efektoj per sia gitaro, ke estas malfacile konstati tion. Ĉar ĉiuj grupanoj devenas de nefavorata socia tavolo (kvankam, defendon de Mumia Abu Jamal, la iama nigra pantero, kiun oni mortkon-damnis pro krimo pri kiu li ne nepre respondecas. Ankaŭ ĉi-foje la muzika aspekto trafas novajn kampojn, denove tute sen la uzo de iu ajn teknologia helpilo. Rage Against The Machine estas nun faranta mondan turneon.

**Aŭtoras Gabriele Corsetti.**

# Adiemus III




La nova Adiemus (la tria) estas la plej varia. Ĝi portas nin tra diversaj tempoj kaj lokoj por instrui al ni ***Dancojn de l' Tempo. Dances of Time*** portas nin al la 16-a jarcento, kiam aperis la kurdancoj, la franca *courante* kaj la, iom pli rapida, itala *corrente*. Per ***Blua Bolero*** ni vojaĝas tra la Hispanio de la 18a jarcento. Ni poste ekskursas tra la ĝermanaj Alpoj por ĝui La la Koora, tipe ruran dancon tiuregionan (*ländler*). Sekvas ***Aŭrora Danco***, kies fluto memorigas la aŭskultanton rumbo. Ni revenas al Eŭropo, pli precize al Italio, por aŭskulti ***Enkondukon al Pavano*** de kie ni flugas al la Francio de Ludoviko la XIV-a por danci ***Menueton***. En pluraj lokoj oni praktikas dancadon por venigi pluvon. La ***Pluvdanco*** ĉi-diske, per siaj sonoriletoj kaj tamburoj, memorigis min pri pluv-venigaj procesioj en Orienta Eŭropo. ***Afrika Tango*** portas nin al la komenco de la 20a jarcento, kiam tiu danco latin-amerika populariĝis tra la mondo. La ***Sarabando*** estas aparata muzikaĵo, komponita speciale por Adiemus-koncerto ĉe UNESKO, kaj la solaj sonoj uzitaj en ĝi estas tiuj de la literoj u-n-e-s-k-o. Ni revenas al la ĝermana mondo de la 19-a jarcento por ***Vienna Valso***. ***Himno al Danco*** havas ion el kimra himno, dum ***Dorso-ĉe-Dorse*** estas ĉarma franca (infana?) kvadrat-danco (*quadrille*).

Kiel en la antaŭaj du albumoj (vidu Rg 8, p. 19 kaj Rg 9, p. 26), ankaŭ ĉi-albume Adiemus kantas en neekzistanta "lingvo", konsistanta el silaboj brile aranĝitaj, kiuj ja sonas lingvece, kaj al kiuj ne mankas certa erotikeco. Kantas la speteto Adiemus, akompanata de la Londona Filharmonia Orkestro dirigentita de Karl Jenkins, kiu estas ankaŭ la komponinto, kaj de la blovinstrumentisto Pamela Thorby. Antaŭ ol ignori la muzikon de Adiemus kiel stranga, aŭskultu ĝin. Eble ĝi plaĉos ankaŭ al vi.

**Ionel Oneț**

# OCCITÀNIA

***Okcitanio*, kio ĝi estas?**

***Unu tero....*** La landoj de okcitana kulturo etendiĝas sude de la riverego Luaro (Loire), de Bordozo (Bordeaux), ĝis Cunéo en la Aosta Valo en Italio, kaj laŭiras mediteraneon ĝis la Arana Valo en la Pireneaj Montoj norde de Hispanio.

***Unu historio....*** Pro sia geografia vasteco, Okcitanio reprezentas ne neglekteblan parton de la franca historio, kaj entenas kulturajn kaj spiritajn trezorojn tro ofte nekonatajn. Okcitanio estas preskaŭ dek jarcentoj da historio, tiu de la trobadoroj, kiuj inventis la esprimon de amsento, tiu de la kataroj fronte al la Inkvizicio dum la Mezepoko, la historio de tiu bonveniga tero kiu sorbiĝis je multaj kulturoj, interalie orienta kaj cigana.

***Unu lingvo....*** La okcitana lingvo evidentiĝas esti la kultura radiko de milionoj da homoj. Ankoraŭ hodiaŭ, du milionoj da personoj parolas ĝin flue, dum ses milionoj komprenas ĝin.

***Unu muziko....*** Simile al la lirika poezio kiu estis kreita en la 12a jarcento, la muziko de Okcitanio estas antaŭ ĉio melodia. Ĝi kunigas la sentemon, la *viv- kaj partig-ĝojon* de tiuj poetoj kiuj estis la Trobadoroj.




Ĉion ĉi volas enkonduki per tiu ĉi unua albumo la bando Occitània.



Occitània konsistas el naŭ okcitanaj artistoj kaj muzikistoj. Ĉiuj 17 titoloj de la kd-albumo estas en la okcitana lingvo, veraj sentivaj kaj festivaj melodioj ĉerpitaj el la repertuaro de la trobadoroj. Tiuj verkoj, kiuj datumas de 800 jaroj, estas adaptitaj, foje libere, de la aŭtoroj Gérard Zuchetto, Jean Falissard, kaj Michel Rousset.

Jean Falissard estas fama kantisto kiu furoris en la jaroj 70-80aj kun vendo de miliono da diskoj en Francio. En 1998 li realigis projekton kun la pariza produktejo Flèche Productions de Claude François Junior (filo de famega franca kantisto de la' 60-aj jaroj, Claude François, kiu forpasis dum li estis en la pinto de sia sukcesega kariero). Tiu projekto estis albumo titolita *Terra nuna*, mondmuziko en kiu mestizas inuitaj (eskimaj) kantoj, muziko laŭ inspiro de norda Kanado kun nuntempaj aranĝoj. Tiu disko sukcesis (proksimume cent mil albumoj vendiĝis).

Kiam Jean Falissard prezentis tiun ĉi novan projekton pri okcitana muziko al Claude François, tiu tuj entuziasmiĝis kaj pretis lanĉiĝi en tiun novan aventuron okcitanan.

Tiam Jean Falissard sin turnis al Gérard Zuchetto, verkisto, rakontisto, kantisto, kaj aŭtor-komponisto, agnoskita en Eŭropo kiel fakulo pro siaj esploroj pri la trobadoroj kaj okcitana muziko. Ankaŭ li tuj aliĝis al la naskiĝanta projekto, kaj rilatigis Jean Falissard kun



elstaraj okcitanaj artistoj. Tial ni retrovas ĉe la kantado kun Jean Falissard la mirinde belan voĉon de Isabelle François (ŝajne neniu parenca ligo kun Claude!), kiun esperantistoj jam havis plezuron renkonti dum la Universala Kongreso de Montpellier en 98. Isabelle kantis en la solena malfermo en Esperanto kaj en la okcitana akompanata de saksofonisto. Pli poste ŝi kantis ankaŭ en la okcitana rokkoncerto kun sia bando Mescladissa (vidu *RG* n-roj 8 kaj 9).

Isabelle prilaboris kun Dominique Regef spektaklon pri nuntempa okcitana muziko per tradiciaj instrumentoj (vjelo, araba ljuto "rebek", kaj delrubo) kiujn li majstre ludas. Ankaŭ li senhezite aliĝis al la projekto de Occitània, en kiu li fariĝis unu el la plej gravaj instrumentistoj pro lia aŭtenteca ligo inter la sonoj de nuntempaj kaj mezepokaj instrumentoj. Dominique Regef ludis kun tre famaj artistoj kiaj Malicorne, Stephan Eicher kaj Eric Lareine.




Alvenis ankaŭ alia grava muzikisto, Michel Rousset el Carcassonne, famega pianisto kiu ludis interalie kun Nana Mouskouri kaj Michel Sardou.

Jen la ĉefaj instrumentistoj de la bando Occitània.

En tiu ĉi disko partoprenis en unu kanto ankaŭ la ciganoj Kiko kaj Pepito de Los Chicos, kiuj ludis ankaŭ en la Montpeliera UK. Ili tiel bildigas en la albumo la ciganajn influojn de la regiono de Montpellier, Sainte Marie de la Mer, ktp., de kie devenas la konataj artistoj Manitas de Plata, Gipsy Kings, Los Chicos, k.a.

Aŭskultante la diskon oni tuj mergiĝas en tiun okcitanan etoson el mediteraneaj koloroj kiuj intermiksiĝas helpe de varmetosaj kaj sentemaj melodioj renaskigitaj el la Mezepoko kaj revivigitaj per la kunfandiĝo de tiatempaj kaj nuntempaj instrumentoj. La temoj de la kantoj, same kiel la muziko, miksas la nuntempon kun pasinteco: Calandreta (la hodiaŭaj dulingvaj okcitan-francaj lernejoj, kaj Montsegur (kie estis bruligitaj la lastaj kataroj).



La ko-disko haveblas ĉe:
Flèche Productions
37 av. des Ternes
FR-75017 Paris
Tel : +33 (0)1 40 55 90 91
Faks : +33 (0)1 40 55 99 77
TTTejo : www.occitania.mu






La okcitana kulturo ĉeestas la tutan albumon ĉu tekste, ĉu muzike, kaj tion oni tre forte sentas en la titoloj "Mediterranèa", "Tramontana", "Occitània", "Gitano d'Òc", "Montsegur" kaj "Provença". Tiuj titoloj portas en si la bonodoron de suda Okcitanio kie kreskas vitoj, olivarboj, lavando, kaj pinarboj, proksime de la joda blua maro. Oni povas aŭdi ankaŭ la cigalojn kiuj kantas pro la varmo, kaj vidi tiom da koloroj sunaj... Jes ja, tiu ĉi albumo tiklos ĉiujn viajn sentojn plenigante de sunradioj vian menson.

Por Isabelle kaj Jean, titolo kia "Monstsegur" estas rememoro pri popolo persekutita, sed ankaŭ opono kaj protesto al maltoleremo kaj integrismo. Estas alvoko por malfermiteco kaj libereco. En tiu ĉi albumo, Isabelle kantas veran himnon je Okcitanio kune kun Jean Falissard, kaj per la titolo "Occitània" ŝi volus iom renovigi la malnovan okcitanan himnon "Se canto", sed ĉu ŝi sukcesos post tiom profunde enradikigita tradicio!? Ĉiukaze, la energio de tiu ĉi "Occitània" riskas plifortigi la identecon de nuntempa okcitana kulturo, kaj tio jam havas grandegan meriton.

Jen do sin prezentas al vi bonega okazo por malkovri tiun kulturon kaj ties lingvon.

Premiere la bando Occitània koncertis por prezenti sian albumon en Ramonville (apud Tuluzo) en la Havana Cafè la 19an de junio 2001. Elstara kaj etosiga koncerto kiu montris la talentan voĉon kaj profesiecon de Isabelle, kaj de Dominique per siaj tradiciaj instrumentoj. Ili estis vere impresaj.

**Kompilis kaj gustumis Flo.**



# DOSIERO-EspoDĴ-oj

**Rok-Gazet': Kial vi decidis labori kiel Eo-DĴ?**

**DĴ Kunar:** Ekde miaj unuaj diskotekvizitoj en kaj ekster Esperantujo mi volis fari tion. La ebleco elekti la muzikon simple fascinis min. Krome, nur se vi mem surmetas la muzikon vi povas certi ke ĝi 100%-e plaĉos al vi.

La unua nokto dum kiu mi DĴumis estis tute hazarda okazo: DĴ Nucki (Marc Steßgen) iel ne emis dum tiu vespero kaj transdonis la taskon al mi.

**RG: Kiam kaj kie vi komencis labori kiel DĴ en Esperantujo?**



**persona nomo: Gunnar**
**familia nomo: Fischer**
**DĴ-a nomo: DĴ Kunar**

# DĴ Kunar

**K:** 1a de januaro 1994, IS en Neu-münster (Germanio).

**RG: Ĉu vi ankaŭ laboras ekster Esperantujo (kelkfoje) kiel DĴ?**

**K:** Jes. Dum kelkaj jaroj mi laboris en porjunula diskejo. Tio estis oferto al 12- ĝis 15-jaruloj kiuj en Germanio normalkaze ne povas eniri diskotekon. Do ni instaligis dimanĉe en junularcentro la aparatojn necesajn, vendis enirbiletojn por 0,99 DEM kaj senalkoholajn trinkaĵojn. Bedaŭrinde ni ne sukcesis allogi novulojn kaj la normala publiko post iom da tempo simple kreskis el la celita aĝgrupo.

Plurfoje mi jam DĴis okaze de familiaj aŭ deamikaj festoj, interalie dum German-ĉeĥa geedziĝo kaj en Kolonja trinkejo. Dum mia studjaro en Italio mi eĉ surmetis la muzikon en pluraj "normalaj" diskotekoj!

**RG: Ĉu laŭ vi ekzistas granda diferenco inter esperanta kaj neesperanta diskoteko?**

**K:** Nu ja, la publiko konsistas el tute normalaj homoj kiuj do ŝatas tute normalan, internacie konatan muzikon. Oni ofte surmetas muzikon ludata ankaŭ en la radio aŭ de MTV, VIVA ktp. Sed dum en ordinaraj diskotekoj (en Germanio almenaŭ) preskaŭ la tuta muziko estas en la angla kaj usondevena, en Esperanto-renkontiĝoj pli kaj pli aŭskultiĝas aliaj lingvoj kaj kulturoj. Kaj ne devas temi pri internacie sukcesaj kantoj sed ofte estas vere tiuj titoloj kiuj laŭ la devenlandanoj estas bonaj. Ni jam plurfoje faris "neanglalingvan" horon dum E-renkontiĝoj kiu efektive daŭris multe pli ol 60 minutojn...

E-diskoteko do montras ke kompreneble ekzistas alternativo al ununacia sono kaj ke eblas krei vere multkulturan etoson.

Kvankam "La Bamba" tute ne estas pure esperantuja fenomeno, ĝi laŭ mia takso en Esperanto-diskotekoj funkcias pli bone. La dancantoj dum Eo-renkontiĝoj averaĝe sin konas pli bone ĉar ili havas pli bonan eblecon konatiĝi ekster la diskoteko. Oni vidas sin ja dum la venonta tago denove! Pro tio ankaŭ novuloj estas pli bone integrataj. ĝenerale la homoj pli bone interharmonias.

**RG: Ĉe kiuj renkontiĝoj vi jam laboris?**

**K:** IS, IJF, IJK, KEF, MIRo, IJS, KES (ne dum ĉiuj oficiale, tamen).

**RG: Ĉu vi havas certan laborfilozofion?**

**K:** Unue kompreneble mi volas distri la homojn! Mi plej ŝatas kiam mi sukcesas kontentigi la diversajn muzikgustojn.

**RG: Ĉu vi jam faris proprajn kantojn? Se jes, kiujn?**

**K:** Ekde 1997 mi faras propran muzikon. La plej granda parto estas samplobazita, tamen tute diversstila, eble pro la fakto ke en la diskoteko oni ja bezonas diversspecajn muzikaĵojn. Temas do pri nuntempa elektronika muziko ĝenerale (tekno, trenco, haŭzo, denco, bigbito, drumenbaso) kaj aliflanke acidĵazo, hiphopo kaj arenbio. Plie mi verkis plurajn tekstojn laŭ la melodioj de malrapidaj kantoj de aliaj artistoj.

**RG: Kion vi plej ŝatas/plej malŝatas de via laboro?**

**K:** Kiel DĴ mi povas zorgi pri bonkvalita diskejo kaj do por bona etoso dum la nokto. Dum tiu tempo la homoj plej bone interkonatiĝas — do efektive mi povas kunhelpi al internacia amikeco kaj amo!

Mi kompreneble malŝatas ke mi ĉiam devas kunporti kelkajn kilogramojn da KDj por mia laboro. Precipe dum longaj trajnvojaĝoj tio ĝenas! La konstanta aĉetado de muziko cetere kostas enormajn sumojn. Do oni ne povas DĴumi se oni ne ĉiukaze volas havi grandan KD-kolekton.

Kelkfoje la diskejo laŭ loko kaj/aŭ la teknikaĵoj ne taŭgas. Se tiam io ne bone funkcias, oni kulpigas kutime la Dĵon kiu tute ne respondecis pri tio!

Sed plej ĝenas min kiam homoj sen permeso iras malantaŭ mian DĴ-tablon por traserĉi mian muzikon, kritiki mian muzikelekton (neparolante Esperanton sed nur la anglan) aŭ fari ion ajn. Homoj, se vi faras tion, la puno estos inferne malbona muziko. Tio ne estas minaco sed promeso!

**RG: Kio estis via plej bona kaj kio estis via plej aĉa travivaĵo dum via laboro?**

**K:** Miaj du plej malbonaj travivaĵoj kiel DĴ:

Dum la IJK 1998 en Rijeka (Kroatio) Marc "DĴ Nucki" Stessgen kaj mi kune DĴumis kun kelkaj neesperantistaj Kroatoj. Ili senkaŭze havis fortan malsimpation kontraŭ mi kaj daŭre obstaklis mian laboron. Mi provis paroli kun ili pri tio sed ili rifuzis iun ajn interparolon.

Dum la IJF 1999 en Rimini (Italio) la diskoteko nur dum la lastaj du noktoj bone funkciis. Estis multaj problemoj: Pro malbonŝanco mi nur kunhavis parton de mia diskaro, post koncerto oni ne bone kunmetis la teknikaĵojn denove, la partoprenantaro daŭre forŝteliĝis al iuj privataj surĉambraj festoj kaj do mi restis sola en la diskejo ktp. Post anonco de la oficiala diskoteko-komenco dum la antaŭlasta nokto subite ĉio funkciis bone kaj la diskejo pleniĝis. ĉiuj laŭdis la bonegan muzikon — fakte temis pri la sama kiun mi jam dum la tuta renkontiĝo surmetis. Tiuj du lastaj noktoj estis bonegaj sed je la mezo de la semajno mi kompreneble ne estis tiom bonhumura!

Miaj du plej bonaj travivaĵoj kiel DĴ:

Dum la IJK 1999 en Veszprém (Hungario) malgraŭ kelkaj etaj komunikadoproblemoj kun la organizantoj la diskoteko bone funkciis. La laboro kun Norbert "DĴ Nobbi" Piechotta estis tre harmonia. Ni vere uzis ĉiujn niajn teknikajn kaj muzikajn eblecojn kaj sukcesis kontentigi la diversajn gustojn. Mi plurfoje mem kantis kaj eĉ repis kune kun la gast-DĴ Jan "Schroeder" Schroeder. Multaj homoj kunportis propran muzikon kaj ni havis internaciegan diskotekon ĉar la publiko vere dancis al ĉiu bona muziko, sendepende en kiu lingvo ĝi estis.

Dum la Kultura Esperanto-Festivalo en Helsinki en 2000 mi la unuan fojon DĴumis ekster pli malpli precipe porjunulara renkontiĝo. Oni postulis plurajn specialajn programojn dum la diversaj noktoj pri kiuj mi parte tute ne spertis. Tamen ĉio funkciis sufiĉe bone. La kulmino cetere estis la "espoteko" de Flo. La unuan fojon en Esperantujo oni havis 100%-e esperantlingvan diskotekon! Mi ne estis la ĉefa DĴ dum tiu vespero sed antaŭe kaj dume konsilis al Flo kiu estis lerta lernanto kaj absolute brilis dum lia DĴa debuto. Ĉi tiu KEF ankaŭ gravis ĉar ŝajne la unuan fojon la kultura kaj la DĴa sceno en Esperantujo vere renkontiĝis kaj kunlaboris. Granda mejlŝtono do por la muzika movado!

**RG: Ĉu vi havas iujn muzikajn/diskotekajn specialaĵojn por la publiko (ekz-e karaokado, kantado, speciala muziko ktp)?**

**K:** Karaokadon mi nur partoprenis sed neniam mem organizis kiel DĴ. Kelkfoje mi kantas mem, plej ofte temas pri malrapidaj kantoj. Mia unua Esperantotekno ĉiam kaŭzis furoron kiam prezentata.

Kelkfoje mi ankaŭ repadis en Esperanto, unufoje kun Jan "Schröder" Schröder. Kompreneble mi ĉiam preparas kelkajn specialajn kantojn por la diskoteko, ekzemple remiksojn de jam konataj kantoj, plej elstare inter ili sendube "Kayleigh/ Lavender" de Marillion, belega kaj longa "ŝvofkanto" (kanto por malrapida para dancado).




**persona nomo: Marc**
**familia nomo: Steßgen**
**DĴa nomo: DĴ NUCKI**



**- Kial vi decidis labori kiel Eo-DĴ?** Ĉar plaĉis al mi kiam mi helpis fari tion...

**- Kiam kaj kie vi komencis labori kiel DĴ en Esperant-ujo?** Dum mia dua IS en Finnentrop 1990. Tuj fariĝis hobio de mi, kvankam la rabatoj neniam estis tro altaj!

**- Ĉu vi ankaŭ laboras ekster Esperantujo (kelkfoje) kiel DĴ?** Jes, en mia propra trinkejo, kie oni ofte festas - kaj la homoj volonte ŝparas la monon - mi kompreneble inkluzivas se oni pagas la lupaĝon de mia gastejo kaj tiam ofte kiel DĴ.

**- Ĉu laŭ vi ekzistas granda diferenco inter esperanta kaj neesperanta diskoteko?** Jes, ĉar Esperanta Diskoteko estas dancado kun iuj kiuj plejofte konas vin aŭ eĉ oni sentas kiel en familio. Ankaŭ la aspektoj kaj agmanieroj ne nur dependas de modo, sed de la tipoj. Sed mi ja plejofte laboras dum familiaj festoj - tiam la diferenco prsekaŭ nur estas La Bamba-umado, kiu mankas - kaj eble oni ne tiom libere flirtas...

**- Ĉe kiuj renkontiĝoj vi jam laboris?** Laŭ kvanto: IS, IJF, MIRO, IJK, KES, FESTO, kaj tiel - mi ne memoras...

**- Ĉu vi havas certan laborfilozofion?** Mi havas vivofilozofion (virinoj en la minujon!), sed mi pensas ke laborfilozofio de ĉiu organizanto de rekontiĝ-programeroj - prezipe de la DĴ - devas esti: Homoj devas amuziĝi! ..kaj eble foje pagi bieron por plenigitaj deziroj...

**- Ĉu vi jam faris proprajn kantojn? Se jes, kiujn?** Jes, la "Internacia Tekno" 1&2 - kvankam mi ne tiom ŝatas teknon, aŭ eĉ pro tio - ĉar tio estis du "kantoj" , kiuj primokas la teknon.

**- Kion vi plej ŝatas / plej malŝatas de via laboro?** Plej ŝatas: - la muzikon, kiun la homoj ŝatas - la homojn, kiuj min ŝatas (pro mia laboro) - la cigaredojn, kiujn mi ŝatas (ĉar mi ĉiam rajtas fumi) - la bierojn, kiujn mi ricevas - la bierojn, kiujn mi ne pagas - la knabinojn, kiuj pagas mian bieron - la knabinojn, kiujn mi ne pagas - la bonuson, kiun mi havas - la La-Bamba-rekordon, kiujn mi enmetis - la aliajn DĴojn, kiuj ne sukcesis - kaj precipe la finon de tiu-ĉi listo malplej ŝatas: - teknon - se ne nur temas pri kelkaj kantoj - malbonan ekipaĵon - homojn, kiuj plendas pro laŭteco kaj pro tio detruas la ekipaĵon - ŝtelistojn, kaj bedaŭrinde ekzistas multaj eĉ en Esperantio - dancemulojn nur ĉar amuzigitaj de drogoj - kaj precipe tro forajn necesejojn

**- Kio estis via plej bona kaj kio estis via plej aĉa travivaĵo dum via laboro?** La plej bona ne vere ekzistas. ĉefe dum IS ĉiam ekzistas neforgesebla pinto de la laboro. La plej aĉa travivaĵo estis la Miro en ??? - almenaŭ la Kroatoj tute ne trovis taŭgan ekipaĵon kaj ili antaŭe ne demandis min. Do la diskoteko devis "funkcii" per portebla kasedludilo...

**- Ĉu vi havas iujn muzikajn/ diskotekajn specialaĵojn por la publiko (ekz. karaokado, kantado, speciala muziko ktp.)?** Mia avantaĝo estas, ke mi ne havas specialan direkton. Mi ŝatas preskaŭ ĉion, egalas ĉu laŭ gusto aŭ la programo. Mi tre ŝatis mian (ĉu mian?) inventon de Interkona Diskoteko dum IS. Ankaŭ mi tre ŝatas, ke mi tre ofte sukcesas ke ne-germanoj dancas laŭ karnavala muziko el Kolonjo.




# DĴ Nobbi

**persona nomo: Norbert**
**familia nomo: Piechotta**
**DĴ-a nomo: DĴ Nobbi**



**– Kial vi decidis labori kiel Eo-DĴ?**

– Kiam mi havis 17 jarojn, mi ekestis membro de junulara grupo, kiu organizis plurfoje jare diskotekon por junuloj. Kutime venis ĉirkaŭ 200 junuloj al nia diskoteko. Pro mia translokiĝo al Munkeno, mi ĉesis la kunlaboradon. Mi ŝatis tiun laboron kaj ĝi mankis al mi. Tial mi iam komencis eklabori kiel Dĵ en Esperantujo.

**– Kiam kaj kie vi komencis labori kiel Dĵ en Esperantujo?**

– Dum IJS 1996 en Eger (Hungario) mi komencis labori kiel Dĵ en Esperantujo.

**– Ĉu vi laboras ankaŭ ekster Esperantujo (kelkfoje) kiel Dĵ?**

– Mi eĉ komencis labori ekster Esperantujo. Mi laboris en junulara grupo, kiu organizis plurfoje jare diskotekon por junuloj. Sed nun mi ne plu laboras ekster Esperantujo.

**– Ĉu laŭ vi ekzistas granda diferenco inter esperanta kaj neesperanta diskoteko?**

– Dependas ĉefe de la publiko!

* Kiom internacia estas la publiko? Ekzemple ju pli da germanoj en la diskoteko, des pli da germanaj kantoj la publiko ŝatas.

* Grava demando estas, kiom ofte iras la homoj en diskotekon? Homoj, kiuj malofte vizitas diskotekon, preferas kantojn, kiujn ili jam konas el la radio kaj la televido.

* Memkompreneble dependas la muzikelekto ankaŭ de gusto de la publiko.

Mi spertis, ke la esperanta publiko estas tre internacia, vizitas malofte diskotekon kaj havas multajn diversajn muzikgustojn. Tio signifas por mi, ke mi ludas:

+ kantojn, kiuj estas konataj por multaj homoj en multaj landoj.

+ relative multajn neanglajn kantojn (francajn, hispanajn, hungarajn, italajn ktp.).

+ kantojn de diversspecaj muzikstiloj.

En tiu senco la esperanta diskoteko estas sufiĉe speciala kaj unika kompare al neesperantaj diskotekoj.

**– Ĉe kiuj renkontiĝoj vi jam laboris?**

– FESTO, IJF, IJK, IJS, IS, UK.

**– Ĉu vi havas certan laborfilozofion?**

– Mi ne scias, ĉu oni povas nomi tion laborfilozofio: Por mi gravas bona antaŭpreparo. Mi ŝatas kiel eble plej multe scii pri la diskoteka ekipaĵo kaj pri la salono, kie okazos la diskoteko. Antaŭ mia ekveturado al renkontiĝo, mi preparas la KD-ojn, kiujn mi kunportas. Dum la laboro mi ofte rigardas al la enirpordo de la salono por ekscii, ĉu pli da homoj eniras aŭ eliras. Tio estas mezurilo por mi, ĉu mia muzikelekto ĝustas aŭ ne. Ofte mi ludas je la komenco somerajn, feliĉigajn kantojn ĝis mi ŝanĝas la muzikstilon je la malfrua vespero al rokmuziko. Krome mi ŝatas prezenti al la publiko ankaŭ etan lumprezentadon.

**– Ĉu vi jam faris proprajn kantojn? Se jes, kiujn?**

– Bedaŭrinde ankoraŭ ne. Eble mi iam faros.

**– Kion vi plej ŝatas / plej malŝatas en via laboro?**

– Mi plej ŝatas, kiam multaj homoj dancas kaj amuziĝas laŭ mia muziko. Kaj mi plej malŝatas, kiam homoj volas forpreni KD-ojn. Sed estas kelkaj aferoj, kiujn mi ŝatas kaj malŝatas.

Mi ŝatas:

+ kiam multaj homoj dancas kaj amuziĝas laŭ mia muziko.

+ kiam la homoj havas taŭgajn muzikproponojn.

+ bonan diskotekekipaĵon.

+ kiam trinkejo kaj diskoteko estas apudaj.

Mi ne ŝatas:

+ kiam mi faras erarojn

+ kiam homoj "rigardas" la KD-ojn per fingroj.

+ kiam homoj volas forpreni KD-ojn.

+ kiam la homoj nepre volas aŭdi siajn tute maltaŭgajn muzikproponojn.

+ pezan pakaĵon.

+ malbonan diskotekekipaĵon.

+ kiam la diskoteko estas en iu malproksima eta ĉambro.

+ kiam mi devas esti atentema pri najbaroj.

+ kiam organizantoj petas la partoprenantojn kunporti kasedojn por la diskoteko.

+ kiam la diskoteko ne estas ŝlosebla.

+ kiam la diskoteko estas uzata dumtage por aliaj programeroj.

**– Kio estis via plej bona kaj kio estis via plej aĉa travivaĵo dum via laboro?**

– La plej bona travivaĵo estas la silvestra balo de la IS, kiam 200 homoj dancas kaj amuziĝas laŭ mia muziko. La plej malbona travivaĵo estis, kiam pluraj knabinoj volis forpreni dum la diskoteko plurajn KD-ojn kaj ili estis ofenditaj, ke mi ne permesis tion. La plej kurioza travivaĵo okazis dum UK en Montpellier, kiam ruso venis al mi kaj petis, ke mi faru paŭzojn inter la kantoj, por ke lia filino povu ekkoni knabojn.

**– Ĉu vi havas iujn muzikajn/diskotekajn specialaĵojn por la publiko (ekz. karaokado, kantado, speciala muziko ktp.)?**

– Mi havas 8 diversajn versiojn de "La Bamba", kiujn mi kopiis sur unu KD-on. Krome mi ludas relative multajn hungarajn kantojn. Profesia diskoteko havas bonan lumprezentadon. Kun pli granda entuziasmo ol miaj esperantaj Dĵ-kolegoj mi provas prezenti ankaŭ bonan lumprezentadon. La kulmino en tiu disciplino (IJK 1999 Veszprém, Hungario) estis ĝis nun kiam mi uzis 21 diversajn lumfontojn. ĝi ricevis elektran energion el kabloj, kiuj havis longecon de entute 200 metroj.

**Intervjuis DĴ Kunar,**
**Desegnis Niko.**



MALROKMUZIKO

# Bretona Esperanto-Koruso

## prezento de la KDo "MEVEN"



Bretona Esperanto-Koruso

La KDo "MEVEN" enhavas 8 bretonajn kantojn, esperanten adaptitajn kaj interpretitajn de la Bretona Esperanto-Koruso. Bretonio estas plej okcidenta regiono de Francio; ĝi historie travivis laŭ mara, marista, kamparana influo; ĝia lingvo, kelt-devena, preskaŭ mortinta, nun viglas dank' al volo de la bretonoj mem.

La Bretona Esperanto-Koruso, de ĝia naskiĝo en 1996, maturiĝis kaj kreskis. Ĝi arigas nun dudekon da esperantistaj korusanoj, ĉiuj amatoraj; kelkaj estas komencantoj, aliaj pli spertas kaj kapablas kanti soliste; neniu ĝis nun spertis surbendigon.

"MEVEN" estas rezulto de 8-monata laboro, po duhora ekzercado monate; do oni ne serĉu en ĝi perfektecon, sed spiriton kaj identecon de breton-muzika kulturo, tra korusanoj, kiuj amas sian Bretonion, kaj dediĉis sian tutan energion kaj bonvolemon al tiu projekto. "MEVEN" bonodoras Bretonion. La koruson estras Franjo Provost, profesia korusestrino, kiu akiris sian sperton tra dudek-jara korusestrado, en plej divers-stila repertuaro, de klasikaj verkoj kun orkestra akompano ĝis nunaj verkoj, tra gospeloj, ĵazo kaj varieteo; ŝi trejniĝis al orkestra estrado ĉe Wolfgang BADUN kaj al korusa estrado ĉe plej famaj francaj pedagogoj, t.e. Philippe CAILLARD kaj Stéphane CAILLAT; dank' al sia muzika interpretado kaj al originaleco de siaj projektoj, la korusoj, kiujn ŝi estris, transpasis la limojn de Bretonio. Kiam ŝi renkontis Esperanton, ŝi malkovris en ĝi novan inspiro-fonton sur kultura kaj muzika kampoj.



La titolo "MEVEN" sonas breton-lingve, kaj tio ne estas hazardo: tiu KDo celas konatigi la bretonan kulturon al la mondo, kaj tiel kontribui al interkulturaj rilatoj; ĝi signas emon pli kaj pli viglan de nia nuna mondo enradiki sian kulturon kaj samtempe riĉigi dank' al kultura monda diverseco.

La repertuaro de "MEVEN" spegulas ĉiujn aspektojn de bretona muzika kulturo; kelkaj kantoj ankras ĝin; aliaj folkloraj montras regulan ritmon necesan al dancado, kiujn ili plej ofte celas; ilin oni aŭdas en la tradiciaj "fest noz" (breton-lingve: nokto-festo); kaj fine lastaj apartiĝas pro siaj tekstaj kaj voĉaj esprimoj — inter realeco kaj legendo —, kaj pro koloro nomata "modala muziko", kie agordo ne plu respondas al klasika harmonio, sed fontas en keltaj melodioj. Ĉiuj kantoj estis adaptitaj esperanten okaze de tiu projekto; la libreto entenas la tekstojn en la franca (krom unu en la bretona) kaj en Esperanto; ankaŭ pro tio oni povas certigi, ke Esperanto plenumis sian celon utili kiel interkultura ponto. La korusanojn akompanas en tiu KDo muzikiloj, kelkaj tipe bretonaj; la muzikistojn, amatorajn aŭ profesiajn, allogis originaleco de la projekto; ili entuziasme kunlaboris.

"MEVEN" naskiĝis... vento plu blovas en veloj de la Bretona Esperanto-Koruso! Ĉu ni denove rompos la kaj-ŝnurojn? sed ĉi-foje por forlasi Bretonion kaj ondumi je ritmo de "maristaj kantoj de la mondo", transiri oceanojn, kaj halti en havenoj ĉie en la mondo?

La disko disponeblas ĉe Vinilkosmo sub referenco VKKD 43, aŭ ĉe :

**Esperanto-Bretagne, 6 rue J.P. Calloc'h,**
**FR-22000 SANT-BRIEG, Francio,**
**Tel : +33 (0)2 96 94 09 75**
**Retadreso : sekretario@wanadoo.fr**

Ankaŭ ĝi mendeblas rete ĉe: **http:// www.vinilkosmo.com**

# Valso por Amikoj

## de Ĵomart kaj Nataŝa

MALROKMUZIKO

Ĵomart kaj Nataŝa



Valso por amikoj

**Aŭtoras Jean-François Cousineau**

Kiam antaŭ dek jaroj mi unuafoje malkovris esperantan muzikon okaze de restado ĉe iu fama domo en Bonn, gravan sperton mi travivis: ne nur lingvo estas Esperanto sed ankaŭ grava vivanta popolo kun propra kulturo. El kasedilo aŭdiĝis do kristnaskaj rokmuzikaĵoj de iu Amplifiki kaj ankaŭ dolĉaj agrablaj kantoj de mi tiam tute nekonata paro: Ĵomart kaj Nataŝa (*Folioj de mia memoro*). Kiomofte mi poste aŭskultadis tiun kasedon cele al plibonigo de mia komprenpovo de Esperanto! Kaj kiom ĝoja tiuepoke mi estis malĉifrinte plian novan vorton je ĉiu nova aŭskulto!

Aŭguste 1999 - UK en Berlino. Finfine mi ricevas la okazon partopreni koncerton de la fama kazaĥa paro! Ĝi okazis unuaetaĝe en la kongresejo en granda malfermita spaco kutime uzata kiel trink-ripoz-babilejo: ne plej taŭga loko unuavide laŭ la vidpunkto de sonaŭskultado, sed ne ĝena tamen kaj eĉ bonetosa pro la diverspublikeca malfermo de tiu koncerto. Tre rapide fratece intima etoso ekestadis kaj la ĉeestantaro religie aŭskultadis ĉiujn sinsekvajn pacigajn ripozigajn, malstreĉajn amajn kaj melankoliajn kantojn iliajn dum videblis areto da ĝisostaj fervoruloj parkere mallaŭte kunkantantaj... Tre fervoraj (kaj eĉ frenezegaj!) aplaŭdoj eksplodis apenaŭ finita la muzikpeco kaj eĉ videblis pro ĝojo malsekaj brilantaj okuloj ĉe la plej sentemaj...

> **Gravan sperton mi travivis: ne nur lingvo estas Esperanto sed ankaŭ grava vivanta popolo kun propra kulturo.**

Novajn kantojn ni tiuokaze malkovris, cetere preskaŭ ĉiuj entenataj en la ĝuste dumkongrese aperinta KD: *Valso por amikoj*. Pri tio, Ĵomart kaj Nataŝa, nepre ne forgesu plej baldaŭ surkompakdiskigi la ege emociigan ĉefe nur voĉan kanton, kiun vi sursceneje prezentis al ni precizigante ke ĝin verkis iu via tre kara svislanda amik(in)o, kaj en kiu temas pri montaro, sed kies titolo bedaŭrinde mi tute forgesis...

La sekvan vesperon denove koncertis Ĵomart kaj Nataŝa en la junularejo en ĉifoje tre intima etoso. Imagu: aro de junuloj side amasiĝintaj en tute malluma klasĉambro sub la skribtabulo sur seĝoj la fama trubadura duopo ĉirkaŭata per surplankaj kaj surtablaj kandeloj... Krome aldoniĝis tute surreala magia etoso per... silentaj frenezegaj aplaŭdoj! Kiu ne spertis tiajn silentajn fervorajn fingrajn aplaŭdojn kun aro da svingantaj mansignoj dankemaj en nur perkandele lumigita malluma ĉambro, miaopinie havas grandan mankon! (Pro tio dankon al la tre rapide policvokemaj fruenlitiĝemaj najbaroj sen kiuj tio jes ja ne eblintus...)

Nu, kion pri la KD mem? Unuaaŭskulte mi tuj multe timis: efektive drumo enŝoviĝis en la muzikpecojn ĝis nun kun nur gitaro, fluto kaj voĉoj de nia plej ŝatata paro! Nur ke ili ne superkovru ĉion per aseptizita sintezilaĵaĉoj aŭ fanfaraj blovmuzikiloj pliriĉigcele! Tre rapide tamen retrankviliĝis mi: la ŝparemaj aranĝoj estas ege bone dozitaj kaj la laŭritma sinsekveco de la kantoj tre inteligente elektita, kio neatendite mirige emfazas la belecon de la dek du kanzonoj. La dormemuloj (aŭ Persone-fervoruloj) do ne timu: ili ja senoscede atingos la finon de la KD! La enhavo de la ronda plastaĵo ne surprizos la tradiciajn ŝatantojn: la dancemuloj plensekure plu moviĝados lante (kaj laste valse!)... En ĝi ankaŭ svarmas diversspecaj bestoj: *La Ranetoj*, *Paseroj*, *Papago* (sed strange ne krokodiloj: ĉu por ne konkurenci la lacertegan specialiston Georgo Handzlik ankaŭ koncertanta kaj kompaktdiskaperiganta dum la Berlina UK?). Kaj disvolviĝas amaj kantoj (*Amu min*, *Mi ĝuas*), freŝgepatriĝaj (*Malgranda miraklo*, *Filineto*), kordoloraj (*Pasero*, *Mi perdis amikon*, *Mi sopiras* - jam aperinta pli bazece surkasede), fratecaj (*Fajrereto*, *Valso por amikoj*).

Malrapidaj kantoj alternas kun pli rapidaj (tamen ne rokaj: ni ne ekscitiĝu!), kio instigas al senfina reludado de la KD, ĉar vere nenio forĵetindas el ĝi! Ĉiu kanzono estas vera viv- kaj fajr-ereto multvalora, instiganta al ĉiumomenta senpripensa zumkantado.

*Amu min* neforgesebla dolĉe kaj svingece malfermas la plastan rondaĵon. Sekvas la kvazaŭa porinfana *La Ranetoj*, dediĉita al la Stokolmaj klubanoj-esperantistoj, kun multaj strangaj krietoj de kuriozaj ranetecaj bestetoj esperante (!) babilemaj (ĉu elviniliĝintaj kuzoj de la iama famega pinkflojda *Umagumma*-albumo?), kiun miaopinie ŝategus Karina (la tre vivoplena amema kaj aminda filineto de Ĵomart kaj Nataŝa). La pensiga *Ĉio venas de l' nenio* tuj elvokis al mi eron de mia infaneco, ne nur pro la vortoj (kvankam...) sed pro la tutbelega flutmelodio de Nataŝa, kiu memorigas al mi tiun tamen ne tute similan (!) de la finprezentlisto de la antaŭtridekjara kvinminuta plej ŝatata televida porinfana felietoneto *Bonne nuit les petits*! (Bonan nokton, etuloj!), en kiu

ĉefrolis ŝatindega dika bruna vivanta pluŝurso nun jam delonge enlegendiĝinta..., kaj kiu kompreneble pluvivadas en ĉiuj cerboj kaj koroj de la nuntempaj francaj kvardekjaruloj - nu jes, Ĵomart ankaŭ mi estas!.. Vi tuŝas min kaj mi forgesas ĉion... kiu belulino (ĉiu amata knabino estas jes ja belulin') kapablas rezisti tiajn vortojn? Jen do la unuaj vortoj de la tre ĝuiga... *Mi ĝuas*! Fakte ankaŭ ni ĝuas pro la vere admirinda komplementeco de ambaŭ tre emociigaj voĉoj, la terure efika rekantaĵo tute neelkapigebla jam ekde la unua aŭskultado, la ĉarma kvankam malelmontriĝema gitarludo kaj la tre sensalloga teksto. Unuaaŭskulte por li ne tute indiferentas Nataŝa, kion fakte mi jes ja ege bone komprenas... (nur ke ja temas pri ŝi en la kanzono!). Nu, koncize jen ege bona recepto por helpi la freŝbakitajn esperantistojn pli lerte amsorĉi sian unuan konkerotinon esperanto-parolantan (bonvenon en Esperantion!)... Belega amkanto vere.



*Ŝia ege emociiga voĉo vekas nehaltigeblajn ĝuigajn plezur-haŭttremetojn, kiujn la dumrekantaĵa velura voĉo de Ĵomart agrable dolĉigas kiel kvietiga balzamo.*

Poste jen ni atestantoj de la gepatra feliĉo kun la ĵazeca *Malgranda miraklo* kaj, tiu ĝojo tiom gravas ke ankaŭ la ritmo de la muziko svinge ekzaltiĝas: jen do grava informo por la rokemuloj: jen la nura ebleco en la tuta rondaĵo prove rokdanc(et)i! (ĉu signo de baldaŭa inkludo de vera rokmuzikpeco en iliaj venontaj KD-oj? Tremu malrokemuloj!). Ĉio fine reordiĝas (!) dank' al la sekvanta lanta kaj melankolia *Pasero*, speciale verkita de Ĵomart memore al la tre agema kaj simpatia prezidintino de la rusa junulara movado Lena Lebedeva ja vere tro frue kaj june forpasinta. En tiu persona kaj diskreta omaĝo al Lena, Nataŝa ne kunkantas. Tuj poste alflugas alia bird(ul)o: *Papago*, kiun ni cetere jam malkovris en 1995 tamen pli senvestita en la unua kompilaĵo de Eurokka. Tiu ĉi versio pliriĉiĝis kaj vigliĝis dank' al basgitaro, drumo kaj aliaj perkutinstrumentoj, sed ĉe tiu viro daŭre restas en lia kap' malforta kiel en poŝta kesto nur vortoj... Sekve enviciĝas *Filineto*, - aperis vi kiel suneto en mia vivo... - malrapida emociega patreca amkanto de Ĵomart al lia karega Karina. Unuafoje alia knabino (kiu? kiu?) kante anstataŭas Nataŝa-n. Ŝi jes ja ankoraŭ ne tiel bone kantas kiel la patrino sed jam senhezite kaj senpene kapablas konkurenci la mondskale konatan Jordy! Nova talentulino sekvinda do... Krome enŝoviĝas aparte bela sensalloga gitara peceto: vere ĉarma mirakleto en la vivo de Ĵomart, nepre! En la pli ritmita *Mi perdis amikon*, Ĵomart priskribas pensigan kaj dolorigan travivaĵon - ...nenio nin plu kunigas, nur varma pasinteco, - kiun ni ĉiuj iam spertis: la disiĝo de du amikoj, kiuj jarojn post jaroj fine uzas malsamajn lingvojn kaj tute fremdiĝas pro malsama persona evoluo. Nataŝa emfaze aldonas sian emociplenan voĉon en la rekantaĵo. Sekvas nova revigligita versio de la jam fame konata *Mi sopiras* por la plej granda plezuro de la plej fruaj admirantoj. Plia perlo aldoniĝas kun la belega malrapida kantado de Nataŝa en *Fajrereto*. Ŝia ege emociiga voĉo vekas nehaltigeblajn ĝuigajn plezur-haŭttremetojn, kiujn la dumrekantaĵa velura voĉo de Ĵomart agrable dolĉigas kiel kvietiga balzamo. Longe brilu tiu fajrereto en niaj koroj!

Dance finiĝas la KD per la saĝe turniĝada *Valso por amikoj*, kies nerezistebla ritmo pludanciĝas nin minutojn post la fina resilentado... Tuj elvokas la unuaj notoj la furorajn valsajn de Dimitri Shostakovitch [Ŝostakoviĉ] - famigitaj dank' al tre populara televida reklamo pri asekura kompanio -, ĝis kiam genie kaj neatendite Ĵomart kaj Nataŝa kuntiras nin en sian propran magian rondon el kiu tute ne plu eblas eskapi. Tiu loga amikeco-himno ideale fermas altkvalitan kompaktdiskon kaj instigas al tuja reludado de la tuto. Ree kaj ree...

Konklude jen agrablega inteligenta nelaciganta disko, tra kiu sentiĝas simpleco, harmonieco kaj aŭtentika plezuro kunkanti. Krome tiu hejmstudie registrita KD estas bonkvalite surkompaktdiskigita (kvankam tamen ne tridekdutrake...), kaj la tekstoj (presitaj sur la libreto) klare aŭdeblaj kaj kompreneblaj, kio ĝin tute rekomendindigas por la komencantoj (ĉu veraj, ĉu eternaj...). Aliflanke ege malfacilas al mi elelekti unu kanzonon plej elstara ol la aliaj en tiu disko. Temas efektive pri altkvalita homogena produkto, valorigita per du belegaj emociplenaj tremetvekaj voĉoj - finfine troveblas belvoĉaj kantscipovaj kantistoj en Esperantio! -, kio nepre pravigas tiun aĉeton. Dum la Berlina koncerto Ĵomart lude aludis en iu el siaj praaj kanzonoj ĝisdatigitaj (*Jam estas... kvardek*) pri la strange rapida forflugo de la tempo de post la *Jam estas tridek*, la unua versio. Espereble ni ne longe atendos lian trian renovigitan version por denove priĝui plian tian plezurigaĵon! Mi emfaze precizigas, ke tiu disko ja konkurencivas iun ajn alian eksteresperantian eldonitan muzikaĵon, kaj do tute eksporteblas ekstermovaden... Do ne nepre aĉetu (kaj donacu...) ĝin ĉar ĝi estas esperanta, sed ĉar ĝi estas bonkvalita!..

**P.S. 1 : La jamaj aĉetintoj ĝojos, eksciante ke ilia ŝatata duopo jam intencas aperigi KD-on kun malnovaj reinstrumentitaj kanzonoj verŝajne dum la venonta somero... Intertempe ja valse ni ĝuu plu!**

**P.S. 2 : La akirantoj (inaj kaj malinaj) kore dankas al Ĵomart pro lia jarpostjara malvirvirismiĝado: fine Nataŝa fote aperas sur la libreta frontpaĝo (kvankam ankoraŭ duarangece... sed tio verŝajne pliboniĝos venontfoje, ĉu ne?)!**

**P.S. 3 : Laste sed ne balaste: Nataŝa, plezurigu min! Restu tiel blondharaspekta kiel en Berlino... kaj pensu pri viaj multnombraj admirantaj malinoj, kiuj tiom ŝatus vidi vin fote pli ofte!...**

# Morice BENIN, fama franca kantisto, registris ko-diskon en Esperanto

*In-spir'!..*

Revi ke mi povus esti aŭdata kaj komprenata de bela aro da utopiistoj tra la vasta mondo kortuŝas min plej profunde, kaj revekas funde de mi mem tiun malno-van obstinan intuon el la originoj de mia kantado:

**"Kvalito prefere al kvanto"**



Tion asertante, mi kompreneble ne volas pravigi skolojn, nek zorge flegi marĝenecon... Tamen aperas al mi grave, eĉ nepre, iri tra la infinitezimeco... por sin disvolvi.

Tio veras tiel por individuo, kiel por ĉiu homa entrepreno.

Ĉu ESPERANTO (multaj renkontitoj miras ke "tio ankoraŭ ekzistas!?") restas minoritatega?

Tamen: ĝin oni praktikas kvazaŭ ĉie sur la planedo.

Ĉu ESPERANTO estas malnova rezistema ideo?

Tamen: ĝis estas freŝa kiel sia unua konvinko.

Ĝi nenion volas forcedi al sia "urĝa pacienco".

Ĝi rendevuas kun la estonteco.

Kaj la planedaj eventoj subite ŝajnas ĝin pravigi, eĉ kvankam ĝia disvastigo restas nuntempe konfidenca.

Ĝi scias ankaŭ ke ĝi perdus sian animon se ĝi provus lingve konkuri por hegemonio kaj potenco.

Mi revenas do al mia komenca aserto:

La disko ***In-spir'*** estas por mi nekredeble fekunda ponto por kunigi al aliaj homoj eble kortuŝitaj de miaj kantoj preter la lingva barilo.

Koran dankon al ĉiuj kiuj pli ol esperantigis la tekstojn (mi preskaŭ povus diri reverkis...) kaj al la du bapto-patroj de «realisma utopio» Gilbert kaj Flo pro ilia fido kaj obstino, amikeca, kaj al la kunhelpanto «Triboulet» por liaj larĝaj oreloj, kaŝitaj malantaŭ lia longa hararo (son-registrado).

**Morice BENIN, la 7-an de novembro 2001.**

Trad. : Jacqueline, Rikardo, Arno.




## Originala KD en via kolekto...

Morice Benin estas kantisto konata en Francio pro dudeko da kompakt-diskoj kun progresemaj kanto-tekstoj, en kiuj li tenere pentras amsentojn aŭ alvokas al frateco kontraŭ maljusteco.

Li sukcese koncertis en Strasburgo la 1an de aprilo 2000 okaze de Esperanto-kursaro. Tiam li diris: "Esperanto servas neniun naciismon, neniun negocon, neniun teknokration, neniun laŭdire realisman politikan celon. Tiu sendependeco min de longe allogas: la komenca klopodo por ĝin lerni estas komuna al ĉiuj kiuj decidas gin ekkoni: ia origina demokrateco dependanta de neniu potenculo!"

Li eldonis ko-diskon en Esperanto pere de Vinilkosmo. Tiu ko-disko prezentas dekkvinon da sukaj titoloj eltiritaj el malnovaj kaj plej lastaj albumoj, tradukitaj de elstaraj esperantistoj kiaj Georges Lagrange, Ĵak Le Puil, Roel Haveman, Bernardo Legeay, Arno Lagrange, Rikardo Cash, Faverial.

Tiel vi povos malkovri la poezion sennaciecan de Morice Benin en titoloj kiaj: "La landoj ekzistas ne", "Homa blovo", "Maristoj de l' ter'", "Sin skribi", "Muĝas l' junular'", "In-spiro", "Naiva favorpeta letereto", ktp.

Efektive francoj povos aĉeti la diskon en la diskvendejoj (Fnac kaj simile) en la tuta lando! (por ni estas grava evento kaj gravas ankaŭ sciigi ĉirkaŭ vi la novaĵon, ĉar eblos rimarkigi esperantoproduktaĵon en publika loko!)

La disko estis surbendigita (nur la voĉo de Morice Benin) en la studio de Vinilkosmo en Donneville far de nia sonreĝisoro Tribulet'.

Jen estas 15 titoloj prezentante kelkajn malnovajn kaj plej plejmulte de la lastaj kantoj de Morice...

Vi estos mirigitaj pro la muziko de la vortoj kiu bonege kunfandiĝas kun la lingvharmonio de esperanto !

Morice Benin estas eksternormeca kantisto, lia potenca kaj ensorĉa voĉo forportas nin en la aŭtenteco de tenera, humura engaĝita... mesaĝo.

Tiu grandulo de la franca kanzono elektis vojetojn por ekzercadi sian talentan arton, tio klarigas sendube la etan distancon inter lia persono kaj siaj tekstoj.

Tra akustika instrumentinventiva kreaĵo, li distilas por ni tiun "vivo-blovon" kontaĝa kaj kara, eĉ en esperanto.

La verko "In-Spir'" de Morice Benin disponeblas en la TTTejo de Vinilkosmo: **http://www.vinilkosmo.com** aŭ en viaj kutimaj libroservoj. Esperantistoj en Francio povas akiri ĝin en la diskvendejoj (se ne estas en la breto petu ĝin el la katalogo de Mosaic Music Distribution).

# KAJTO: *MASKO*

Claudine Pomirol




***Kajto sinsekve eldonis siajn tri unuajn kompakt-diskojn en Esperanto fine de 1989, en 1991 kaj 1993. De ses jaroj ni atendas ĉi tiun kvaran... finfine jen ĝi: dankon al la kolekto 2000!***

Kiuj iom sekvis la grupon, scias, ke tiu eldonsilento ne spegulas la aktivan artistan produktadon de la Kajtanoj: koncertoj en kongresoj kaj diversaj aranĝoj, turneoj en diversaj eŭropaj landoj sed ankaŭ en Nord-Ameriko kantigis ilin en Esperanto sursceneje.

Sed ĉefe la kvaropo dediĉis sin esence al *Kat' yn seil* kaj *Liereliet*[1] kantante frisajn kaj nederlandajn lingvojn. Ili eldonis plurajn kompakt-diskojn laŭ marinspiro dank' al la talenta verkemo de Nanne: *Hand over hand* (1994), *... 't schip Batavia* (1995), *Kinkhooms in de mist* (1998), *Hé joh jij daar!* (1998).

Agnoskita komponisto, Nanne pli kaj pli famiĝas. En la teatro de Leeuwarden, frislanda ĉefurbo, li ĝuis specialan publikan jubileon! Sekvis la kompakt-disko *jeh ho!*, kompilaĵo de elektitaj kantoj, kiuj reliefigas la itineron de Nanne, neordinara muzikisto.

Kunlabore kun Edith van der Roest (ankaŭ esperantistino!) Nanne kunkreis *Windrose*[2], socieţon produktantan, eldonantan kaj disvendantan diskojn, kasedon kaj muzik-librojn.

Krome ili kunorganizas ĉiujare en Frislando la *Tsjoh*-festivalon (je via sano) por lokaj artistoj kaj en Workum la internacian festivalon pri markantoj.

[1] Liereliet: vasta kantgrupo ankaŭ animata de Nanne kaj Ankie en kiu kantas aliaj amikoj i.a. esperantistoj kiel Jaap Duijs aŭ Charles van der Wal.

[2] Windrose - Wiegersmawei 57 NL-9212 RD Boornbergum tel +31 512 381 606 faks +31 512 385 507 retadreso: windrose@xs4all.nl (ne hezitu peti la katalogon!)

Ankaŭ intertempe Marian kaj Marita elektis iĝi profesiaj muzikistinoj: duope ili prezentas diversajn spektaklojn ekzemple mezepokecan...

Tian profesinivelon atingis neniu alia muzikgrupo kantanta en Esperanto! Tiu kvara esperantodisko estis do vere atendita... jen *Masko*!

Estas rave mergi sin en tiu muzika entu-ziasmo konsiderante la varmon de la voĉoj.

Pri la enhavo: dek kantoj. Dek muzikoj komponitaj de Nanne Kalma.

Por *Rezono* kun plezuro ni retrovas la fidelan humurplenan norvegon Poul Thorsen. Kiel Kajto ni frandas liajn tikle pripensigajn verketetojn.

Kaj du novaj nomoj surprize aperas kiel junaj kantaŭtoroj; tiuj de Sabine Trenner el Berlino kaj Marcelo Redoulez el Bordozo. Tre sprita Sabine ŝatas vortludojn kaj kritikeme mokas pri la moderna ĉiutagaĵo.

*Para-fino* enkonduke tange dancigas du pasiblindajn tineojn. *Masko* senkaŝe rivelas la artpinton atingitan de Kajto muzike, kante kaj plie prononce! Majstra interpretado de teknike artikule perfekta buŝ- kaj lang-ekzerco. Provu mem... *Utila eraro*: fine ĉiu lernas el sia eraro. Tial ĝi estas utila; do kunkantu ĝin!

Dum *Ardas havena vivo* Kajto kantas sian marelementon. Jen ielmediteraneeca muziko kaj gitarludado por prikanti fiŝistan havenon. *El mizero*: tiu paroladeto pentras malriĉan laboristan kvartalon kiel dekoraĵon por la sekvanta kanto: *La malnova balancilo*. Tie intervenas infanoj. Ankaŭ ŝatata kortuŝa temo de Kajto. "Sune ili helas meze de la obskur'". Dormu milde jen finfine esperanto-lulkanto. "Mi bedaŭris, ke mi ne konis esperanto-lulkanton, kiam miaj beboj ploris en miaj brakoj" diris Marcelo. Ankie plurfoje registris tiun kanton. Laŭ ŝi ne sufiĉe emoci-kontentige. Ĝis kiam antaŭ la mikrofono larmoj fluis el ŝiaj okuloj. Tiam ŝi deklaris: "Tiu taŭgas!". Ke multaj infanoj (eĉ plenkreskaj) en la mondo endormiĝu laŭ tiu kanto. Songoj iĝos ravaj kaj noktoj trankvilaj.

La lasta kanto-teksto kaj muziko de Nanne. Pli ol kvindek geamikoj kunkantas tiun kanonon. Ĝi estis registrita okaze de paska esperanto-renkontiĝo en Broek (Nederlando) en 1998 por festi la dekjariĝon de Kajto... Kaj certe ne ĝi ne estu la definitive lasta kanto de Kajto!!! Kaj ke ni ne plu atendu ses jarojn antaŭ la venonta...

# Unua volumo de Brazila Kolekto!

## *Tom JOBIM en Esperanto*




La konataj muzikistoj Flavio Fonseca el Brazilo kaj la argentina Alejandro Cossavella kune produktis tiun altkvalitan KD-on ***Tom Jobim en Esperanto***.

Temas pri unua volumo de kolekto, kies venontaj volumoj enhavos kantojn de aliaj famaj brazilaj aŭtoroj. Perloj kiel *Unutona Sambo, Tristas, Knabino el Ipanema* kaj aliaj estas kantataj de Alejandro kaj Flavio, krom speciala partopreno de la kantistino Silvana kaj de la bonega gitaristo Marcelo Lafeta. La tuta produktado okazis en digitala sonsistemo, en altnivela kaj plej freŝdata teknologio, kun orkestraj aranĝoj kaj specialaj partoprenoj de bonaj brazilaj instrumentistoj. La elstarajn tradukojn verkis la svedo Bertil Wennergren (de la grupo Persone), la germano Aaron Koenig (de la ex-bando La Mondanoj), la brazilanoj Jair Salles kaj Francisco Wechsler, Flavio Fonseca kaj Alejandro Cossavella (de la bando La Porkoj). Nepre nemalhavebla KD, por disvastigo de Esperanto, por bazaj kaj daŭrigaj kursoj, kaj, en ĉiuj momentoj, por ĉies ĝuo.

Ĝi troviĝas en la katalogo kaj TTTejo de Vinilkosmo **www.vinilkosmo.com** sub referenco VKKD 51.



MALROKMUZIKO

Aŭtoras Kunar

# Sojle de la klara temp'

Rava albumo de la muzikgrupo ***Kaj Tiel Plu***
(9 titoloj; 29 minutoj)

***Mi devas averti vin: ĉifoje la albumo, kiun mi recenzas, ne enhavas rokmuzikon, sed ion tute alian! Oni povus kiel unua priskibo diri, ke temas pri popolkantoj el Hispanujo. Kvankam la vortoj "folkloro" kaj "popola muziko" tradicie indikas muzikspecojn, kiujn junuloj kiel mi ne tre ŝatas kaj plej ofte trovas eĉ sufiĉe enuigaj, tiu ĉi verko vere kaptis mian atenton!***






Kiam mi aŭskultas la KD-n *Sojle de la klara temp'*, en mian kapon venas bildoj de la mezepoko, kiel mi imagas ĝin laŭ filmoj kaj fantaziaj libroj; do kun tre romantikaj kaj elegantaj elementoj kaj ne, kiel mi racie imagas ĝin post la historiaj lecionoj en la lernejo. Nur unu kanto pensigas min pri io tute alia, nome pri ribelado kontraŭ diktaturoj.

La bravaj bardoj, kiuj muzikas, nomiĝas "Kaj Tiel Plu" kaj estas okopa (!) muzikgrupo el Katalunujo. Kvalite ilia muziko estas komparebla al tiu de la plej famaj Esperanto-muzikgrupoj Kajto kaj Persone. La sono bonegas, kaj la voĉoj estas plejgrandparte tre klaraj kaj bone kompreneblaj. Ĉio ĉi ne tiom mirigas, se oni scias ke la grupo en sia origina konsisto kiel duopo fondiĝis jam en 1986 kaj dum la jaroj daŭre plukreskis. Kiun oni aŭdas do estas spertaj muzikistoj kaj ne iuj absolute freŝaj amatoroj.

Ĝojigas ke ili trovis bonan balancon inter ritmo kaj melodio, inter baladaj kaj pli dancigaj kantoj. La repertuaro de "Kaj Tiel Plu" enhavas Okcitanajn, Katalunajn, Kastiliajn, trubadurajn, Judkatalunajn kaj Sefardajn kantojn. (La Sefardoj estis mez-epokaj Judoj, loĝantaj en — aŭ venantaj el — Hispanujo aŭ Portugalujo). Unu kanto fakte venas el tute alia tempoperiodo ol la ceteraj, nome el la Hispana civila milito, tamen ankaŭ ĝi estas popolkanto.

Entute *Sojle de la klara temp'* do montras al la aŭskultanto multajn diversajn kulturojn. Des pli mi ĝojas pri la fakto, ke oni metis ĉiam, kaj la tradukitan, kaj la originalan version de ĉiu kantoteksto en la KD-kajereton. Tre plaĉas ankaŭ la ilustraĵoj, precipe sur ambaŭ flankoj de la KD-kesto. Tiun ĉi Esperanto-albumon mi entute ege ŝatas, ne nur pro sia alta muzikarta nivelo, sed ankaŭ ĉar ĝi estas interesa por mi kiel Esperantisto, vekante atenton kaj intereson pri aliaj lingvoj kaj kulturoj.

Retpaĝo de la grupo troviĝas ĉe: http://**www.musicexpress.com.br/ktp** Mendojn direktu al Vinilkosmo.

# "ORAJ KANTOJ" APERIS

**En la Esperanto-movado estas aparte bonfama la etoso de rusiaj E-aranĝoj, parte ankaŭ pro la tiea kutimo pri oftaj kunaj kantadoj (en koncertoj, ĉe lignofajroj ktp).**

**Teamo de REU kolektis la plej konatajn, plej ŝatatajn kantojn de la lastaj jaroj (jardekoj), kaj decidis eldoni ilin en kompakt-diskoj sub nomo de "Oraj kantoj".**




La ideo delonge ŝvebis en la aero, ĉar tiuj popularaj kantoj, kiujn jam dum jardekoj ŝatas kanti niaj esperantistoj, neniam ekzistis kiel studie registrita kompaktdisko aŭ kasedo. En la pasinta jaro mi (en nomo de REU) kaj Mikaelo Bronŝtejn (en nomo de Tiĥvina E-klubo) decidis finfine realigi la aferon. Al la realigo kontribuis ankaŭ REJM. Dum OkSEJT-41 (la plej populara nia tradicia somera aranĝo) kaj poste en Interreto estis organizita la voĉdonado pri la plej popularaj kantoj, kiuj konsistigu la diskojn. Surbaze de tiuj voĉdonadoj estis kompilita la kantolisto por la registrado. Poste komenciĝis la traktadoj kun la kantistoj kaj kolektado de korektaj kantotekstoj, kiu estis bezonata pro ekzisto de kelkaj variantoj en multaj kantoj. Finfine en oktobro 2001 en Tiĥvin kolektiĝis preskaŭ ĉiuj la plej bonaj E-kantistoj, nun loĝantaj en Rusio. La studian registradon kiel kantistoj partoprenis Marija Koĉetkova, Evelina Sokolova, Sonjo Ŝejnina,




Svetlana Usanova, Grigorij Arosev, Mikaelo Bronŝtejn, Oĉjo Dadaev, Vitalij Malenko, Andrej Obrezkov, Aleksandr Osokin, Mikaelo Povorin; kiel gitaristoj – Maksim Kablukov, Andrej Obrezkov, Mikaelo Povorin, Marija Koĉetkova. Dum tri tagoj ni havis en nia dispono bonan sonstudion de Tiĥvina muziklernejo (kaj ankoraŭ unu tago estis dediĉita al la provludoj). Dum tiuj tri tagoj estis registritaj ĉiuj kantoj por la diskoj.

La rezulto estas jena:

***"Oraj kantoj - 1. Ni renkontiĝos"*** - 49 minutoj, 19 kantoj (*Din-Don, Sezonoj, Aŭtuno, Ciganeska, Valso en ritmo de pluvo, Kanto de mulisto, Oĥ, rajdis, rajdis, Vagadi sencele, Revas mi, Ural', Drink-kanto, Que sera, sera, Revelacio, Dona-Dona, Birdeca bird', Zimbabve, Vivu la stel', Ju-pi-ja, Ni renkontiĝos*).

***"Oraj kantoj - 2. Amata lando"*** - 46.5 minutoj, 19 kantoj (*Amata lando, La tempo somera, En tendar', Ni vojaĝas, Kanto pri SEJT, Oriento, Tra tuta mond', Mia amatin', Nokto ploras, Ne lasu min, Estas bela vi, knabin', Karteta dometo, Komencantoj, La renkonto, somera mondo, Ne, ne, ne, Tendaraj fajroj, Karesas koron, La tendara adiaŭo*).

Unue la diskoj estis prezentitaj kaj vendataj en la 21-a Rusia Esperantista Kongreso. Nun tiujn ĉi diskojn povas akiri ajna deziranto.

La loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ povas aĉeti la diskojn ĉe Libroservo de REU (p/k 4716, 432063 Uljanovsk; retadreso <yuka@chat.ru>). La loĝantoj de aliaj landoj povas mendi la diskojn ĉe Libroservo de UEA. La opan mendon faris ankaŭ ELNA. La registrado de la tria disko "Oraj kantoj" estas planata por aŭtuno 2002 en Tiĥvin .

Garik Kokolija
<garik@mitino.ptt.ru>

**Tarcisio Lima, delonga batalanto sur la muzika kampo finfine realigis sian malnovan revon lanĉi kodiskon. *Verdastelaj Brazilaĵoj* — lanĉita de BEL — estas la titolo de la unua kodisko de nia talenta komponisto kaj kantisto el Ceará, kies recenzo de Flavio Fonseca vi povas legi ĉi-sube. Nu, vera unua paŝo survoje al Universala Kongreso en Fortaleza.**

**Flávio Fonseca,**
represita el *Brazila Esperantisto*

# Tarcísiaj brazilaĵoj




Delonge mi atendas la pretigon de la KD de Tarcísio Lima. Lian famon mi jam konis, kaj kelkajn verkojn kaj aranĝojn liajn mi estis jam aŭdinta, kio pli grandigis mian intereson pri la disko.

Kaj jen, finfine, aperis ***Verdastelaj Brazilaĵoj***. Malfacile paroli pri ĝi, ĉar verŝajne ĝi kunigas plurajn muzikstilojn; sed tio konfirmas: jes ja, estas la tarsizja stilo!

Ĝis nun mi ne komprenis tion, per kia magio li sukcesis miksi en pluraj kantoj barokecan notplenan melodion al brazilnordorienta ritmo.

Kompreneble, kiel nordorientano, tian muzikon li ne flanklasus. Tio estas pli klara en ***Marborda Galopo***.

En kelkaj kantoj (ekz-e ***Perantoj***) li muzike konfesas la influon de la latinamerika muziko, montrante ke, malgraŭ la ĝenerala kredo inter la brazilaj muzikistoj, brazila muziko ankaŭ estas latinamerika.

Se li faras ŝoron* (***Kara Kor'***), ĝi estas natura sen fali en ripetado de uzitaj formuloj.

Se li komponas bosanovon (***Birdo Blanka***), ĝi estas aŭtentika, kun riĉa harmonio kaj aranĝo, ne nur bosanoveca gitarpinĉado.

Kaj eĉ omaĝon al brazila komponisto Jorge Benjor oni trovas (***Pri Pluva Veter'***), en la stilo de la omaĝato!

La lingva trajto de la verko estas majstra, neriproĉebla.Tarcisio bone regas Esperanton, gramatike kaj arte, havas grandan vortprovizon kaj kreemon por uzi ĝin.

La tekstotemoj estas variaj kiel la muzikstiloj. Sentoj, faktoj, dediĉoj, ŝercoj, ekologio kaj Esperanto. Kaj ĉiam laŭ pozitiva vidpunkto. Li mem diras: "kantojn de am', de sun', de lum', kantas mi" (***Tiun ĉi***).

Disko kiel tiu ĉi estas bonega propagandilo, sed ne nur de Esperanto: antaŭ ĉio, ĝi montras al mondo la riĉecon, belecon, nekompareblecon de la brazila muziko!

Nenecese estas diri ke ***Verdastelaj Brazilaĵoj*** estas nemalhavebla al ĉiuj esperantistoj.

*** ŝoro estas brazildevena rapida muzikstilo**




# LA UNUA ESPERANTO-SIMFONIO JAM HAVEBLA KOMPAKTDISKE!

[Ashburn, Virginio, Usono, la 19an de januaro 2002]

La muzikfirmao "Verda Stelo Music" fieras anonci, ke la longe atendita orkestra kompaktdisko kun la unua Esperanto-simfonio (de la usona komponisto David Gaines) jam haveblas. La usona firmao "MMC Recordings" eldonis la KD, kiu enhavas ankaŭ la koncerton por eufoniumo (tenora tubjo) kaj orkestro de D-ro Gaines. Oni povas trarigardi kaj aĉeti la diskon ĉe la TTT-ejo de "MMC Recordings" ĉe http://www.mmcmusic.com . Eventuale la KD haveblos ankaŭ ĉe la kutimaj grandaj vendejoj por klasika muziko tutmonde, kaj ankaŭ ĉe E-movadaj libroservoj.

Netigita kiel doktoriĝa disertacio en 1998, la Simfonio N-ro 1 (Esperanto) por mezsopranulino kaj orkestro de D-ro David Gaines estis registrita de la Moravia Filharmonika Orkestro de ĉehio sub la gvido de dirigento Vít Micka, kun kantistino Kimball Wheeler, en oktobro 2000. Jen la unua simfonia muzikaĵo por orkestro iam ajn komponita uzanta tekston en la internacia lingvo Esperanto!

La usona komponisto David Gaines estas rekonita internacia kaj pro lia muziko kaj pro lia entuziasma reklamado de la muziko de aliaj usonaj gekomponistoj per la internacia lingvo Esperanto. Li estis gastkomponisto ĉe la Universitato de York en Britio, la Rejkjavika Konservatorio en Islando, kaj la Internacia Muzik-Seminario en Stara Zagora, Bulgario.

D-ro Gaines posedas diplomojn de la usonaj universitatoj Northwestern University, American University, kaj la Peabody-Konservatorio de Muziko de Johns Hopkins University. Inter liaj honoroj estas la Unua Premio en la kanto-branĉo de la 1995-aj Belartaj Konkursoj, pro lia korusa kanto "Povas plori mi ne plu."

Por pli da informo pri la simfonio aŭ pri alia muziko de David Gaines, turnu vin al http://www.davidgaines.org aŭ http://www.mmcmusic.com, aŭ skribu al info@davidgaines.org (Esperante) aŭ info@mmcrecordings.com (anglalingve).

Gazetara kontakto (anglalingve):
S-ro Erik Tans, **MMC Recordings,**
**PO Box 2127, Woburn MA 01888, USONO**
telefono: 011.01.781.944.0959
telefakso: 011.01.617.249.0894
retpoŝte: info@mmcrecordings.com
Gazetara kontakto (Esperantlingve):
D-ro David Gaines, **Verda Stelo Music**
**21274 Smokehouse Court, Ashburn VA 20147-5316, USONO**
telefono: 011.01.703.723.1777
telefakso: 011.01.703.723.1650
retpoŝte: info@davidgaines.org

# LALO SCHIFRIN EN ESPERANTO

***Ĉu vi memoras tiun faman televidserion de la 60/70aj jaroj? Temis pri grupo de spertuloj, kiuj ĉiam kapablis plenumi la plej nekredeblajn, neplenumeblajn sekretajn misiojn por pli/malpli savi la mondon. Ĉiuj epizodoj komenciĝis kun la estro de la teamo — iu blankharulo, kiu aŭskultas detruiĝontan sonbendon klariganta la plenumontan mision. Tuj post la fumplena detruiĝo de la bendo eksonis la titolmuziko de la serio. Tiu titolmuziko iĝis tiel famega kiel la televidserio mem, se ne eĉ pli. Ĉu vi konas la nomon de la komponisto de tiu muziko? — "Lalo Schifrin", tuj respondus la televidspertuloj.***




Sed sciu, ke Lalo Schifrin ne nur komponis tiun faman muzikon de "Misio Neplenumebla", sed ankaŭ de diversaj aliaj televidserioj, filmoj — ĉirkaŭ 120 entute! Kaj ankaŭ menciindas lia laboro kiel ĵaza komponisto. Do vere Lalo Schifrin estas famkonata muzikisto tra la tuta mondo. Do vi imagu mian surprizon, kiam mi serĉis la vorton "Esperanto" per la serĉmotoro de iu fama perreta diskvendisto (ne, ne temis pri www.vinilkosmo.com!) kaj aperis la nomo de Lalo Schifrin en la listo de la rezultoj. Ĉar ja fakte estas iu rilato inter Lalo Schifrin kaj Esperanto: lia lasta verko nomiĝas ĝuste tiel, "Esperanto".

Temas pri 6 ĵazecaj komponaĵoj (kun anglaj titoloj) muzikigitaj de la grupo "WDR Big Band" el Kolonjo, Germanio. Diversaj konataj ĵazmuzikistoj el diversaj landoj kunludas: Jean-Luc Ponty (Francio), Nestor Marconi (Argentino), James Morrison (Aŭstralio), Trilok Gurtu (Indio) kaj aliaj, kreante internacian etoson. De tio venas la nomo de la disko: "Esperanto".

Tamen la akompananta libreto aludas al Esperanto, la lingvo: *"In 1887, a Polish eye doctor, Ludwik Zamenhof, created an artificial language, which he called Esperanto. Its aspiration was to offer mankind a universal language. His efforts were not entirely without success (Esperanto is known in 83 countries and more than 30,000 books have been published in that idiom). However, today, only 100,000 people in the whole world speak Esperanto. Perhaps one of the reasons for its limited success is that there has always been a universal language: Music"* [En 1887, pola okulkuracisto, Ludwik Zamenhof, kreis artefaritan lingvon, kiun li nomis Esperanto. Lia celo estis oferti universalan lingvon al la homaro. Liaj klopodoj ne estis entute sensukcesaj (Esperanto estas konata en 83 landoj kaj pli ol 30000 libroj estis eldonitaj en tiu ĉi idiomo). Tamen, nuntempe, nur 100000 homoj en la tuta mondo parolas Esperanton. Eble unu el la kialoj de ties limigita sukceso estas, ke ĉiam ekzistis universala lingvo: Muziko].

La konkludo estas iom stranga: kompari muzikon kun lingvo! Oni ja kutime diras — sed ŝerce — ke muziko estas la sola vera internacia lingvo. Sed tamen ni ne plendu pri tiu neatendita varbado por ni.

**Tony Guyot,**
**kun informoj de Miko Sloper.**

# ULTRA-TEKNOKERNO

La fotoj de Jorge Bienal.

# MHz




Konsistanta el Jorge (Georgo) Montanari kaj Patrick Leonard Mills, MHz ekzistas de 1992, kiam ili estis dekkvinjaraĝaj junuloj, kiuj multe amis tekno-muzikojn kiel Erasure, Kraftwerk, ktp.

Patrick estas la kantisto de MHz. Filo de argentina patrino kaj angla patro, li naskiĝis en brazila urbeto nomita Governador Valadares kaj pasis sian infanecon en Hongkongo. Kiam li komencis abiturientan lernejon li alvenis al Argentino, kie li loĝas ekde tiam. Li vere povas esti nomita civitano de la mondo, kvankam li nur konas iom da vortoj en Esperanto (nuntempe).

Jorge (aŭ Georgo), kiu programas kaj ludas per elektronikaj sinteziloj, ĉiam loĝis en Buenos-Ajreso, la argentina ĉefurbo. Li konis Esperanton pere de libreto donacita de sia patro, kaj poste li aniĝis al la movado kaj iĝis lernanto de instruisto Marjo Miranda dum la jaro 2000. Jorge ankaŭ studas kaj bioteknologion kaj juron.

Post du hejmaj kasedoj registritaj kiam ili estis ankoraŭ en abituriento, MHz trovis pli bonan sonon kiam ili komencis labori kaj aĉetis iom da elektronikaj muzikmaŝinoj. Ekde la fino de 1997, ili ofte ludas en Buenos-Ajreso kaj aliaj proksimaj lokoj. Dum la pasinta jaro, MHz estis tre aktiva, precipe pro kvar kontentigantaj faktoj:








* Usona sendependa muzik-eldonejo *Twelfth of Never Productions* inkluzivis ilin en kompilaĵon *Under the covers, an Erasure tribute* eldonita KD-e, kiu ricevis elstarajn kritikaĵojn en faka gazetaro.

* MHz mem eldonis KD-albumon nomita ***Misplaced***, kiu estis recenzita kaj en diversaj interret-paĝoj kaj en paperaj revuoj, kiel ***Prospective Magazine*** el Skandinavio.

* Pere de Interreto, MHz multe kreskis dum la jaro 2000, kaj estis inkluzivita en la ĉefa TTT-paĝo por teknomuziko: http://www.spn.nu (*The Synth Pop Network*), apud la muzikgrupoj, kiujn ili admiris kiam ili estis junuloj. Krome, MHz venkis dum du sinsekvaj monatoj la internacian konkurson de *Ranking 5000* de la paĝo http://sonico.com, pere de pli ol 18000 aŭskultadoj.

* Novembre 2000, MHz estis elektita konkurs-finanto de la unua duonjara ekspozicio *Bridgestone* de juna arto ĉe la Kultura Centro *Borges* en Buenos-Ajreso.

La muziko de MHz estas precipe komponita de elektronikaj muzikiloj en teknoa kaj popsintezila stilo, iel simila al Solotronik. Ĝenerale, MHz verkas siajn kantojn en la angla lingvo, sed nun, post la aniĝo de Georgo al Esperanto, la aŭskultado de iom da muzikoj en Esperanto, kaj la sugesto de Floréal Martorell, Marjo Miranda, Georgo kaj Patrick decidis surbendigi iom Esperante. La unua kanto elektita por tiu celo estas ***Ne Roboto***, kiun Georgo reverkis (korektita de Marjo Miranda) ekde la originala versio el Patrick. Georgo instruis al Patrick pri la prononcado kaj signifo de la vortoj, kaj li rapide povis kanti tion tre bone. Tiu ĉi kanto eble estu la unua el multaj muzikoj de MHz en Esperanto, ĉar Georgo kaj Patrick multe ĝuis la registrado kaj la rezulto de tiu eksperimento. La titolo "Ne roboto" troviĝas en la *Elektronika kompilo* eldonita de Vinilkosmo.

**TTT-paĝoj pri MHz: http://www.welcome.to/mhz**
**http://www.mhz.sonico.com**





Intervjuo de Flo
far Riitta
Hämäläinen

**En la IJK 1989 en Kerkrade, Nederlando, mi renkontis malaltan viron, franckatalunan. Li parolis al mi pri sia ideo starigi esperantan muzikeldonejon, esperantlingvan rokmuzikan gazeton, esperantan Rok-Asocion. Preskaŭ certe unu plia nubkapulo kun grandaj projektoj neniam realigotaj, mi tiam pensis. Mi eraris. Floréal Martorell feliĉe realigis siajn ideojn. Li fondis Esperanto Rok-Asocion, Eurokka, diskeldonejon Vinilkosmo kaj rokmuzikan gazeton *Rok-Gazet'*. Sendube, sen li nia esperanta muzikmondo estus seka kaj malfekunda kiel sahara sablo.**

# Flo – animo de esperanta muzikmondo

**Riitta: Flo, rakontu al ni kiel fartas momente Eurokka?**

**Flo:** La plej grava projekto ĉijara de Eurokka, post pasintjara KAFE, estis kunlabori pri la programo de la franca IJK kaj festivalo ***Artoj kaj Lingvoj***.

**Riitta: Kio pri Rok-Gazet'? Mi esperas, ke la bonega Rok-Gazet' ne mortis.**

**Flo:** Ne, sed Rok-Gazet' longe paŭzis pro diversaj kialoj, i.a. manko de vera ĉefredaktisto, ĉar dum tro longa periodo mi mem faris ĉion kaj ne estis tempo plueldoni ĝin. Antaŭ du monatoj nova teamo stariĝis kaj transprenis la taskon. En la teamo estas i.a. Tony Guyot kaj Rikardo Cash el Francio, kaj Niko Vološin el Ukrainio. La nova teamo jam laboras por la 10a Rok-Gazet' kiu entenos amasegon da novaĵoj kaj informoj.

**Riitta: Kia bona novaĵo! Kaj kio pri Vinilkosmo?**

**Flo:** Post la apero de Kolekto 2000 aperis du albumoj: tiu de Kaj Tiel Plu kaj tiu de Esperanto Desperado. De tiam estis longa paŭzo, ĉar estis granda laboro en la studioj en Donneville, kie mi konstruas sonstudion. Nun ĝi pretas. Temas pri 16-traka 1-cola analoga surbendigstudio, kun sufiĉe multaj periferiaj efektiloj kaj masterizeblecoj ktp.

**Riitta: Hmmmŝ. Bonege, gratulon pro la studio, sonas tamen iom komplike. Rakontu al ni, kiuj ne multon komprenas pri trakoj kaj masterizeblecoj, kial vi konstruas surbendigstudion?**

**Flo:** La celo estas disponigi al bandoj kaj artistoj, esperantistaj kaj ne-esperantistaj, profesian kaj kvalitan surbendigadon je tre favoraj kondiĉoj.

**Riitta: Kiel statas pri la nunaj projektoj de Vinilkosmo? Kiu disko sekve aperos?**

**Flo:** Antaŭ nelonge ni interkonsentis kun diversaj artistoj distribuadon de novaj diskoj; temas i.a. pri Krio de Morto (alternativa subgrunda roko el Pollando), Tjeri Faverial (intimeca latinĵazo kaj europeca kanzono el Francio), nova albumo de Solotronik (elektronika teknomuziko el Hispanio) kaj pluraj aliaj.

Venonta disko distribuota de Vinilkosmo estos la albumo Meven de la Bretona Esperanto-Koruso, disko kiun ni fabrikigos. Produktis kaj eldonas la Bretona Federacio de Esperanto.

Venonta KD produktota kaj eldonota de Vinilkosmo mem estos la albumo de JoMo sola. Fakte estos ankaŭ la unua produktaĵo surbendigita en la "esperanto-Muzik-studio" de Vinilkosmo!

Imagu la unua surbendigo en la studio estos esperanta! Ne malbona inaŭguro por la studio, ĉu ne?

**Riitta: Splende! Kaj kio sekvos la inaŭguron?**

**Flo:** Poste estas pluraj aliaj projektoj: hiphopa albumo de Eterne Rima el Pollando, Elektronika kompilo kun multaj novaj artistoj, inter ili DĴ Kunar, albumo de la franca kanzonisto Morice Benin, albumo de itala mondmuzika bando FBA, ktp.

**Riitta: Kiaj estas la ĉefaj novaĵoj kaj tendencoj en la espa muzikmondo momente?**

**Flo:** Kun artistoj kiaj DĴ Kunar kaj aliaj kaj plej laste Eterne Rima hip-hopo kaj ties influaĵoj atingas espan planedon! Ne estas malbone, ĉar vere mankis por la junularo. Se ni sukcesas eldoni la albumon de Eterne Rima tio estos la unua albumo hip-hopa. Tio ne estas tre nova muziko, sed por espio jes!

Same pri la Elektronika kompilo, projekto en kiu aperos plej diverstendencaj aktualaj muzikoj kiel tekno, trenco, denco, haŭzo, drumenbaso, bigbito. Pri la projekto kulpas ĉefe Gunnar Fischer kaj mi. Ĝi entenos artistojn kiel Solotronik, MHz, Magnus, Andreas Viklund, DĴ Kunar, Lunatiko, ktp.

**Riitta: Proksimume kiom da espaj diskoj aperas ĉiujare?**

**Flo:** Tio estas ne antaŭvidebla. Dependas de la bandoj kaj artistoj. Sed ankaŭ de la esperantistaro mem kaj kompreneble de la financostato de Vinilkosmo. Se esperantistoj interesiĝas pri espomuziko, tiam ili aĉetas, kio ebligas antaŭenpaŝi kaj

plu eldoni novajn produktaĵojn. Se ne estas intereso tiam la afero stagnas kaj bremsas la eldonadon. Fakte la mono enkasigita de unu produktaĵo utilas por fari novan. Tiel ni sukcesis fari ĝis nun.

**Riitta: Kio, cetere, estas kutima vendokvanto por espaj diskoj?**

**Flo:** Ni kutime eldonas po 500 ekzempleroj de ĉiu albumo, sed ni reeldonis kvar foje tiun de Jacques Yvart, unu foje tiun de JoMo kaj Liberecanoj, kaj eble baldaŭ ni devos reeldoni tiun de Persone ***sed estas ne*** kaj Kaj Tiel Plu. Ni evitas grandajn stokojn — tio malebligas eldonadon de aliaj artistoj.

**Riitta: Ĉu multaj ne-esperantistoj aĉetas esperantlingvajn diskojn?**

**Flo:** Ne! Esceptoj estas la disko de Jacques Yvart kiu multe disvendiĝis, ĉar li kantis kantojn de Georges Brassens en Esperanto, JoMo kaj Liberecanoj, kiu disvendas multajn diskojn dum siaj koncertoj, kaj Kaj Tiel Plu, kiu multe disvendis en Katalunio al ne espistoj.

**Riitta: Kio igis vin originale okupiĝi pri esperanta muziko?**

**Flo:** Antaŭ ol okupiĝi pri espa muziko mi okupiĝis pri loka rokmuziko kaj kiam mi malkovris Esperanton vidante ke estis preskaŭ virga tereno tiukampe , mi simple emis kultivi ĝin kaj alporti mian sperton por la espomuzikkulturo.

**Riitta: Feliĉe tiel! Sed de kie venas la kuraĝo por tiom freneza projekto kiel profesia eldonisto de espa muziko? Kaj ĉu Vinilkosmo efektive estas via ĉefprofesio?**

**Flo:** Simple ĉar neniu vere kuraĝis eldoni aktualajn, rokajn, alternativajn, subgrundajn ktp muzikojn en Esperanto por junularo. Vinilkosmo estas mia ĉefprofesio de 1999.

**Riitta: ĉu vi eldonas ankaŭ ne-esperantlingvajn diskojn?**

**Flo:** Ne! Jam estas sufiĉe da laboro kun la esperantaj eldonoj! Tamen kiel mi diris, en la studio ni surbendigos ne nur esperantajn bandojn kaj fabrikigos ankaŭ por tiuj bandoj la diskojn, sed ni ne produktos nek eldonos nek distribuos ilin. Temos pri memproduktaĵoj de la bandoj mem. Tio ja postulos malpli da laboro kaj estos monenspeza, tio helpos por financi ontajn espoproduktaĵojn!

**Riitta: Laste, Flo, diru al ni kiam la unuaj espomuzikistoj eniros la Euro Top 50?**

**Flo:** Certe tio ne venos de ni! Sed se iu artisto emas tien eniri kial ne. Ni ne bremsos... Kaj tio povas esti bona por espo. Ni atendas ke Dolcxamar faru verkon enireblan en Top 50-on!




# Eterne Rima


Igor Wasilewski

***Mi nomiĝas Igor Wasilewski, mia aĝo estas 28 jaroj. Mi loĝas en Pollando, en la urbo Kraków. Mia profesio estas kuracisto. Antaŭ tri jaroj mi finis la medicinan fakultaton en Jagiellona Universitato en Krakovo. Tuj mi faris devigan, unujaran praktikon kiel ĝenerala kuracisto. Nun mi volas komenci psikiatrian praktikon, sed pro terurega medicina senlaboreco en Pollando jam de du jaroj mi ne povas trovi tian laboron. Verŝajne ĉi-jare mi finfine komencos tiun praktikon. Mi do okupiĝas pasie pri Esperanto.***

Verdire, mia plej granda hobio estas fremdaj lingvoj kaj muziko. Mi esperantiĝis en decembro 1999. Post lernado de aliaj lingvoj Esperanto allogis min per sia mistereco, belsoneco kaj eksterordinara logikeco! Kun mia amiko Mariusz Sielicki (24 jaroj) ni produktas jam de kelkaj jaroj elektronike faritan muzikon: ĉefe hauxzon kaj trencon. Ni faris ankaŭ kelkajn produktaĵojn en severa tekno aŭ pli komerca denca stilo. Ĝis nun, ĉio estis farita. Tamen lastatempe mi decidis elprovi tiun ĝenron. Mi pensas, ke la plej grandan influon al mi havas la franca hip-hopo (Iam, Prodige Namor, Oxmo Puccino, Doc Gyneco, Arsenik, Hamed D?ye kaj fine Alliance Ethnik aŭ MC Solaar). Kiam mi malkovris bonegan belsonecon de la franca lingvo en repo, mi rimarkis, ke ja ankaŭ Esperanto povas esti bonega en tiu stilo, ĉar laŭsone ĝi estas latinida. Mi mem kreas la tutan muzikon, verkas la tekstojn kaj rep-kantas.

Nun pri Mariusz Sielicki: li havas 24 jarojn kaj studas en nova fakultato pri "reklamado de sano" (mi ne scias, kiel precize nomi tion) en norda Pollando. Krome, li estas teknikisto pri dentaj protezoj. Li bedaŭrinde ne parolas Esperante, do pri ĉio decidas mi. Mariusz havas bone ekipitan studion, kie ni renkontiĝas de tempo al tempo. La afero ne estas facila, ĉar li loĝas en norda Pollando, en la urbo Szczytno (600 km for de Krakovo). Do, mi preparas la muzikon hejme ĉe mi kaj poste veturas al li por registri tion. Mi kredas, ke nia projekto **Eterne Rima** pruvos, ke hip-hopa muziko havas grandan ŝancon en Esperantujo, ĉar nia kara lingvo bonege taŭgas por tiu ĉi ĝenro. Ni havas ankaŭ aliajn planojn: produkti dencmuzikon kaj teknon en esperanto. Mi opinias, ke estus tute bone aktive disvolvigi la dencan muzikon kaj hip-hopon.

# Afrikaj impulsoj



AFRIKA ANGULO

**Dennis Rocktamba: Afrika nokto**
(5 titoloj; 24 minutoj)

Afrika artisto el Kongo (iama Zairio), nun loĝanta en Germanio, prezentas en sia kiel KD kaj kasedo aperinta verko mondmuzikon. Tio ĉikaze signifas bonsonan koktelon el regeo, afrika kaj latineca muziko. Plaĉa voĉo parolas kaj kantas al la konvinka sono de gitaro, baso, drumo, afrikaj mantamburoj kaj klavaro. Foje malfacilas kompreni la tekston, sed fakte la vortoj ĉe tiuj stiloj multe malpli gravas ol la entuta etoso. Du kantoj enhavas parte german-, franc- kaj nederlandlingvajn frazojn.

Je la ideoj esprimitaj regas kontentiga ekvilibro inter gajaj kaj pripensigaj temoj: Rocktamba kantas pri amo kaj bela virino same kiel pri la sentoj de rifuĝinto kaj la strebo al paco. Ĉiuj pecoj danceblas; precipe *Regeo-virino* kaj *Vivu la paco* vere pliriĉigos esperantlingvajn diskotekojn kaj tie certe furoros.

Resume la kantoj montras bonajn unuajn paŝojn kiuj estonte ĉefe bezonos nur kelkajn plibonigojn rilate al la prononco. Restas dezirinde duoble longa albumo de tiu muzikspeco.

**DĴ Kunar.**

# KONSILOJ PRI TRADUKADO DE KANTOJ



TUTE NE GRAVAS!

**Laŭ peto de Floreal Martorell mi pritraktas ĉi-artikole kelkajn atentopunktojn rilate al tradukado de kantoj en Esperanton. Unue mi prezentas kelkajn ĝeneralajn konsiderojn, kaj poste mi priparolas kelkajn pli specifajn temojn: rimon, ritmon, fluecon kaj enhavon.**

## Ĝeneralaj konsideroj

Estas multaj atentopunktoj kiuj ĝenerale rilatas al tradukado. Kelkajn mi mencias ĉi tie. Tradukado de kantoj tamen, estas io tute alia ol tradukado de prozo.

Tradukoj estu lingve seneraraj. Oni ekzemple ne apostrofu adjektivojn aŭ vortojn kun akuzativa finaĵo.

Tradukoj stile kongruu kun la originala teksto. Tio signifas ekzemple, ke se la originalo uzas ĉiutagan lingvaĵon, oni ne traduku tro literaturece per multaj neologismoj k.t.p.

Tradukoj estu vivipovaj per si mem. Legantoj kaj aŭskultantoj laŭeble ne rimarku, ke temas pri neoriginala teksto. Oni do konsciu, ke tradukado ne estas lerneja ekzerco por pruvi al instruisto la bonan komprenon de la originalo. Tiu ĉi konsidero havas kelkajn konsekvencojn:

- Se estas malfacile trovi rime kaj ritme taŭgan tradukon, oni ne timu iom alivortigi la ideon de la enhavo, elektante alian bildon aŭ komparon. Tradukoj ofte elspiras tradukitecon kaj torditecon se oni rigore tradukas laŭvorte.
- Oni ne sklave kopiu fuŝojn aŭ fuŝetojn el la originalo. Se la originalo uzas nevivajn, senkolorajn rimojn kaj komparojn, fuŝas pri akcentoj k.t.p., oni ne nepre kopiu ilin. Tradukoj emas esti iom malpli bonaj, malpli sukaj, ol la originalo, do oni ne maltrafu ŝancojn igi tekston pli ĝuinda por la aŭskultantoj. Aliflanke, oni kompreneble ne korektu "fuŝojn" ironie, parodie aŭ alicele intencitajn.

Ĉe tradukado de kantoj oni trovu kontentigan solvon por kombini ritmon, rimon kaj enhavon. Tio estas tre temporaba. Konsciu, ke tradukado de nur unu kanto povas esti plurtaga lukto.

Kelkfoje povas montriĝi neeble taŭge kunforĝi la ritmajn, rimajn, enhavajn kaj vortludajn nuancojn. Ankaŭ povas esti, ke la originalo enhavas tro da kulture specifaj aferoj, kiuj estas nekomunikeblaj al internacia publiko. Tiam oni konsideru iom pli draste ŝanĝi la enhavon, por ke la traduko iĝu tamen interesa. Eble oni petu helpon aŭ konsilojn de kolega tradukanto. Alia konsidero estas, ke eble estas pli bone rezigni ol fuŝi.

## Rimo

Se en la originalo troviĝas rimo, ĝi aperu ankaŭ en la traduko. Nur malofte la rimvortoj en la originalo kaj en la traduko povas esti signife identaj. Tiuokaze oni trovu rimvortojn, kiuj havas alian signifon. La alivortigita verso plejeble esprimu la ideon, la intencon de la originalo.

Ĉe tio oni atentu, ke la rimvortoj restu "interesaj", ĉar rimoj tiras la atenton de la aŭskultantoj. La unua vorto de la rimparo iel preparas la aŭskultanton, kaj la dua vorto de la rimparo estas la iom surpriza, frapa "fino". Tial oni evitu sensignifajn, malplenajn, tedajn vortojn kiel duan vorton de la rimparo. Tial ekzemple personajn pronomojn oni ŝpareme uzu kiel rimvorton. Prefere ne skribu:

*Min turmentas tragedi'*
*Pro subita mort' de vi*

Eble oni povus interŝanĝi la versojn (laŭbezone oni kuraĝe faru tion!), ĉar *tragedi'* estas pli interesa rimvorto ol *vi*:

*Pro subita mort' de vi*
*Min turmentas tragedi'*

Tamen, se "malplenaj" rimoj aperas en rapide kantata parto, tiu ĉi punkto povas esti malpli grava, ol se temas pri fragmentoj, kiuj muzike estas forte akcentitaj. Ankaŭ se la originalo estas enhave iom senpretenda kaj mem intence uzas simplajn rimojn, tiu ĉi punkto povas esti malpli grava. Tamen, ĝenerale oni rimu per interesaj vortoj.

Oni evitu t.n. adasismojn, t.e. sufiksajn rimojn. Do *laboradas/dormadas*, *turmentita/ĉagrenita* ne estas bonaj rimoj. Oni tamen povas uzi rimantajn sufiksojn se ilin subtenas la antaŭan literon aŭ silabon, do: *frivo**lado**/paro**lado***.

Laŭbezone oni uzu "neprecizajn" rimojn, kiel *tagiĝo/feliĉo*, *virino/animo*. Alikaze oni ekhavas tro da trivitaj rimoj, kiel *for/kor'*. Se la rimo sonas bone kaj kantigas bone, oni ne timu se temas pri preskaŭrimo!

Uzu rimvortaron por ekhavi inspiron. Tre taŭgas *Parnasa Gvidlibro* de K. Kalocsay, G. Waringhien kaj R. Bernard. Tiu libro entenas multajn aliajn saĝajn konsilojn rilate versfaradon.

Uzu *PIV* ne nur por kontroli la signifon de vortoj, sed ankaŭ por trovi (preskaŭ)sinonimojn. Sinonimoj estas tre utilaj, kiam oni serĉadas kontentigan rimparon. *Esperantaj sinonimoj* de Jaan Ojalo estas alia bona fonto por trovi trafajn sinonimojn. Ankaŭ nacilingva vortaro povas esti utila helpilo por tio.

## Ritmo

Oni zorge atentu, ke ĉiu silabo havu sian lokon en la muziko. Oni ne torde kunpremu plurajn silabojn en unu solan noton. Aliflanke, se en la originalo unu silabo estas kantita per pluraj notoj, oni kelkfoje tamen povus aldoni silabojn. En pop-roka muziko oni ofte emas silabumi iom malpli strikte: la kantisto variigas la silabonombron en muzike identaj lokoj. Tiam ankaŭ la tradukisto povus permesi al si ludeti kun la silabonombroj kaj ne rigore sekvi la kapricojn de la originalo. Ankaŭ tiam la tradukisto mem provkantu iomete por kontroli ĉu varioj estas muzike eblaj. Estas konsilinde precize indiki (ekzemple per substrekoj) kie en la teksto troviĝu la muzikaj akcentoj. Tiaj indikoj estas des pli gravaj, se oni tradukas por ne-esperantistaj kantistoj.

Oni atente zorgu pri tio, ke la akcentoj de ĉiuj vortoj en la traduko precize koincidu kun la akcentoj de la originalo. Ĉe tio oni konsciu, ke en Esperanto la antaŭlasta silabo de ĉiu vorto estas akcentita, kaj ne la lasta (kiel ekz-e francoj foje emas fari). En kelkaj lingvoj oni permesas al si ofte iom devii de normaj vortakcentoj. Tiujn deviojn oni ne kopiu, ĉar Esperanto estas tre strikta se temas pri akcentoj.

Se kantofrazo en la originalo komenciĝas per akcentita silabo, kelkfoje eblas en traduko antaŭe aldoni kroman, neakcentintan silabon. Oni mem provkantu iomete por kontroli ĉu la muziko tion efektive permesas. Tiel *Bona travivaĵo* povus iĝi *Inspira travivaĵo*.

## Flueco

Gravas atenti ĉu certaj vortoj ricevas specialan atenton (ekz. elstaran laŭtecon, muzikan efekton ktp.). En la traduko tiuj vortoj estu enhave kaj forme same taŭgaj. Vorto kiel *plu*, laŭforme multe pli taŭgas por kanti dum pluraj sekundoj ol ekzemple *mond'*.

Ĝenerale estas bona ideo mem kanti vian tradukprovon laŭ la originala melodio por malkovri tiajn malglataĵojn. Ekzemplo: Mi iam tradukis angalingvan ĉenkanton, kiu entenis “follow, follow, follow, follow, follow, follow me”. Laŭritme tiu frazo facile tradukeblas per “sekvu, sekvu, sekvu, sekvu, sekvu, sekvu min”. Evidente, se oni rapide kantus tian tradukon, ĝi montriĝus vera langorompilo; tute perdiĝus la flueco de la originalo. Por atingi ĝustan fluecon, mi kompromise ŝanĝis la enhavon kaj tradukis per “velu, velu, velu, velu, velu, velu ni”).

Troa uzo de apostrofoj ofte ĝenas la fluecon. Neniam apostrofu vortojn kiel *kuniklo*.

Oni atentu pri harmonia, subtena kantado. Ankaŭ ĝi devas esti tradukita. Ĝi estu konforma al la ĉefa kantado kaj principe ne konsistu el dishakitaj silaboj.




## Enhavo

Ĉe kantoj plej unue atentu ritmon kaj rimon. La enhavo estas pli fleksebla. Per aliaj vortiĝoj oni ofte povas esprimi la samajn ideojn.

Ne nur ĉe rimvortoj, sed ankaŭ ĝenerale, oni evitu tro da signife malplenaj vortoj en kantoj. Kelkaj tradukantoj emas plenigi mankantan silabon per *do*, *ho*, *ja*, *nu*, *jen* k.s. Tiuokaze oni prefere foliumu en *PIV* por trovi iom pli longan sinonimon, kiu povus anstataŭi unu el la malpli longaj vortoj. Uzu la ŝtopilojn nur en kazo de urĝa bezono.

Provu kolorigi palajn vortojn. Precipe la vorto *estas* estas signife sufiĉe pala. Anstataŭ: *Mi estis en la urbo* eble diru *Mi vagis tra la urbo*. Anstataŭ *Mi estis hejme* eble diru *Mi solis hejme*.

En kantoj oni laŭeble uzu lingvaĵon kiun oni ankaŭ uzas en normala prozo. Se tio montriĝas neebla, oni konsciu, ke en kantoj la lingvouzo povas esti pli libera ol en normalaj kuntekstoj:

- En kantoj oni povas pli vaste uzi neologismojn: *tarda*, *dura*, *lanta*, *turpa*.
- La vortordo povas esti pli libera: *Mi kisis ĉarman lian amikinon*.
- Oni pli libere povas verbigi adjektivojn (ekz. *vi belas*; *la kato nigras*)
- En kantoj oni foje povas forlasi la artikolon *la*, kie tio normale ne eblas. Ekz. *Ni spitis malamikon* anstataŭ *Ni spitis la malamikon*.
- Oni povas uzi *ĉi* anstataŭ *ĉi tiu(j)(n)*: ekz-e: *En ĉi nokto lunoplena, aŭskultu ĉi preĝon*.
- En kantoj oni pli ofte evitas la sufikson *-ec* ol en prozo. Do *dolĉo*, *intimo*, *senkoro* anstataŭ *dolĉeco*, *intimeco*, *senkoreco*.
- Tamen, oni prefere ne uzu Esperanton laŭ iu nefundamenta “ismo” kiel “riismo”, “alielismo” k.s.

***En mia ttt-ejo mi kolektis kelkajn el miaj tradukoj kun ligoj al la originalaj tekstoj. Vi povus uzi tiun materialon por ekhavi ideon pri mia labormetodo: http://www.tekstoj.nl/esperanto/kantoj/***

**En la teksto mi enplektis komentojn de Gunnar Fischer, Giuseppe Castelli, Manuel Pancorbo, Marwine van der Molen kaj Anja Karkiainen. Se ankaŭ vi havas komentojn pri ĉi tiu teksto, bonvolu sciigi min (roel@tekstoj.nl). La plej aktualan version de ĉi tiu artikolo vi trovos en http://www.tekstoj.nl/esperanto/konsiloj.htm**

**Roel HAVEMAN.**




# La ago-tago de Onjo Asunta



Represita el "Ni ĉiuj", oficiala organo de Meksika Esperanto-Federacio

Antaŭ kelkaj semajnoj mi vizitis Onjon Asunta kaj trovis ŝin entuziasmo-plena, pretigante sin por la ĉi-jara Ago-Tago. Ŝi estis ĉirkaŭita de grandaj kvantoj de flug-folioj, broŝuroj, libretoj, flagoj, pingloj kaj poŝtkartoj. Pere de ŝia kased-aparato, aŭdiĝis rok-muziko, kiun poste mi rekonis kiel strangan version de la himno.

— "Vidu, nevo. Ĉi-jare mi intencas alvoki al la junularo... Antaŭ kelkaj tagoj, mi vidis terurajn statistikojn pri la meza aĝo de la esperantistaro. Mi ne memoras precize, sed evidentas ke al nia movado mankas junul-alfluo, nova kaj juna sango kiu renovigu niajn agadojn. Se ni ne varbas gejunulojn, la movado malaperos post unu generacio!"

Post rakonto de tiu katastrofa novaĵo, Onjo Asunta eniris en kuirejon kaj revenis kun glaso da biero enmane.

— "Ĉu biero? Mi pensis ke vi trinkis nur viskion!"

— "Oni devas alĝustigi sin al novaj tempoj. Junuloj neniam trinkas viskion, ĉefe ĉar ĝi estas multekosta, sed emas trinki bieron. Nu, se ni deziras altiri la junularon, ni devas koni ĝin, ni devas scii kion la junuloj faras, kion ili pensas, ŝatas, kotopo."

— "Ĉu ankaŭ aŭskulti ĝian muzikon?", demandis mi celante la rok-muzikon.

— "Tio estas la ĉefa bazo de mia nova plano: ni allogos la gejunulojn pere de rok-muziko en Esperanto. Tiel ni ne povas fiaski!"

— "Sed tio jam ekzistas... estas eĉ disk-eldonejo kaj asocio... krome..." Mi ne deziris daŭrigi, ĉar mencii al Onjo Asunta ke ŝi estas 84-jara kaj ke tio estus grava malhelpo por ŝia laboro en la rok-muziko, metus min en la danĝeron esti furioze elpelata de ŝia hejmo kun nekalkuleblaj fizikaj kaj moralaj vundoj.

— "Krome nenio! Mi jam organizis ekster-ordinaran Ago-Tagon por tiu ĉi jaro, kaj nenia malbon-aŭgurulo deflankigos min. Krome, mi jam kontraktis kaj pagis rok-grupon por la koncerto."

— "Ĉu vi organizos rok-koncerton por la Ago-Tago? Onjo Asunta! Tio ja vere estas ekster-ordinara! Vi estas mirinda. Mi informos al landa asocio por ke ĝi prepariĝu por la amasa enfluo de gejunuloj post tiu tago!"

— "Nu, bone, ĉion ĉi mi faras por la bela sonĝo de l' homaro", respondis ŝi modeste. "Mi ankaŭ skribis du kanzonojn speciale por la koncerto. ĉu vi volas aŭdi ilin? La unua nomiĝas 'Ne tuŝu mian fundamenton'; la dua, 'Vi plenigas mian vortaron.'"

Ne atendante mian respondon, ŝi enmetis kasedon en la aparaton kaj enŝaltis ĝin. La aero pleniĝis de fortega bruo, el kiu mi povis kompreni apenaŭ kelkajn vortojn. Post dek minutoj da tondrado, ŝi elŝaltis la aparaton kaj demandis:

— "Ĉu vi deziras aŭdi la alian?"

Sed mi ĵus rememoris ke mi havis hejme plurajn ŝtrumpojn por lavi, do mi neis kaj adiaŭis. Ekster la hejmo, sur la strato, la muziko ankoraŭ estis aŭdebla. Pro miaj profesiaj devoj, mi forvojaĝis kaj revenis en la urbon kelkajn tagojn post la Ago-Tago. Spronita de l' scivolemo, mi tuj telefonis al Onjo por ekscii kia estis la koncerto.

— "Fia perfidulo! Kiel vi kuraĝas paroli al mi post kion vi faraĉis?", ekkriis ŝi tuj post rekoni mian voĉon en la telefono.

— "Sed, sed... Onjo, kio okazis? Mi ĵus revenis el labor-vojaĝo... Mi ne scias kion..."

— "Vi informis al la landa asocio pri mia planita koncerto! Kaj la estraro malpermesis al mi ties organizadon."

— "Kial? Estas ja tre bona ideo por allogi junulojn..."

— "Certe; tial la estraro mem organizis la koncerton kaj malpermesis al mi eĉ alproksimiĝi al koncertejo. Ili sendis al mi leteron tiurilate! Aŭskultu, mi havas ĝin ĉemane: 'Unu el la plej oftaj plendoj estas kontraŭ tro maljunaj grizharuloj kiuj montras sin propagandcele antaŭ la publiko.' Kaj poste ili demandas: 'ĉu inter la esperantistoj ne estas troveblaj kelkaj pimpaj junulinoj, portantaj minijupojn, kiuj povus pliagrabligi la kontakton kun la publiko?'"

— "Mi tre bedaŭras aŭdi tion, Onjo. Sed, ĉu la koncerto sukcesis? Ĉu multaj gejunuloj aliĝis al la asocio? Ĉu jam svarmas lernantoj en la kursoj?"

— "Kompreneble, ili amase aliĝis sed al la rok-grupo; kaj la lernantoj svarmas en la kursoj, sed ne pri Esperanto, sed pri gitaro kaj kantado. Kvankam mi ne estis invitita, la muzikistoj kantis miajn kanzonojn. Ŝajne, ili foriris kiam oni ekkantis 'Vi estas mia deksepa regulo!'"

# "Meven" misio!!!

by Miss Schlampe



Iun tagon, kiel kutima tago, mi estis manĝanta kremkukojn rigardante iun ajn fekaĵon ĉe mia televidilo... kiam la telefono sonoris...

- Ha?? Kiu povas esti?? Mi demandis al mi mem.

Eta voĉo en mia kapo diris al mi ne respondi:

- Ne respondu!!

Eble estis mia patrino kiu volis scii ĉu mi trovis laboron?

- NE RESPONDU!! Diris la ne-plu-eta-sed-tre-fortega-voĉo!!

Sed kio devis okazi, okazis. Mi respondis!

- Miss Schlampe??

- Hmmm??!!

- Via misio, se vi akceptas ĝin, estas iri al Saint-Brieuc (Bretonio/Francio) por ĉeesti la koncerton de la Bretona Esperanto-Koruso! Kompreneble se vi aŭ iuj aliaj el viaj geamikoj mortus dum la misio, ni neos scii ion ajn pri tiu afero...

- KIO? Ĉu vi vere kredas, ke mi kutime aŭskultas koruson?? Ne, ne! Mi ne akceptas la mision!!

- Ĉiumaniere, vi ne havas elekton! Vi iru! ĝis!

Klik, bipo, bipo, bipo...

- Allo? ALLOOO? HO la filo de...




Do, mi veturis per trajno ĝis Saint-Brieuc, ĝoje kaj bonhumore... Mi facile trovis la horejon (estis en la kultura domo de la maljunularo el Saint-Brieuc! Jes vere!! Estas kompreneble por esperantistoj, ŝajnas...). Mi sidiĝis kaj atendis la komencon. La korusanoj alvenis sur la scenejon....

Franjo Provost ekkantis, klasikan kanton sen muziko, per bela kaj forta voĉo. Estis tre belege! Mi ne kredis ĝin!! Ŝia voĉo emociigis min, miaj okuloj ekmalsekiĝis pro la skuo! Sekve, Jean-Pierre Ducloyer paroladis por prezenti Esperanton, la koruson kaj la koncerton, poste ili kantadis!

Mi amegis ĝin!! Vere!! (ne diru tion al mia familio. Jam ili kredas min senlabora, alkholema, geja kaj esperantista! Se vi diras al ili ke mi nun ŝategas la bretonan koruson, ili mortos... ho, nu, jes, al ili diru tion!!).

Se la koruso kantos en via urbo, senhezite iru aŭskulti ilin. La voĉoj estas belaj, la kantoj ritmaj kaj la etoso bonega.

Ĝis tiam, vi povas aĉeti la diskon. Mi tiom amis la koncerton, ke mi aĉetis ĝin. Nun inter punkaj kaj hardrokaj diskoj, mi havas "MEVEN". Tio ridegigas la geamikojn, sed mi diras ke en la vivo vi bezonas nur du KDojn: "Esperanto Desperado" kaj "Meven"!!

## *NI DANCU EN LA RONDO* — Brazilaj Infanaj Kanzonoj



PORINFANMUZIKO

Aperis en *Esperanto USA* (aprilo 2000)
Represita kun permeso

Ĉar sonregistraĵoj por la plej malgrandaj en nia malgranda popolo malabundas, la jena KD meritas nian plenan atenton kaj pro la enhavo kaj pro la aspekto. Detale priskribi ĝin forprenus el la surprizo kiun la gepatroj kaj siaj idoj havus ricevante la diskon. Do, mi limigos min menciante ke la disko surhavas tradukitajn infanajn kantojn ĉarme kantatajn de Flavio kaj Cristina (ne sen ia plaĉa brazil-portugala akĉento), kun instrumenta akompano taŭga al tiaspeca muziko. Plejparto de la 14 kantoj havas simplajn, ofte ripetiĝantajn versojn, kiujn, helpe de bele ilustrita libro, oni povus uzi por instrui novajn vortojn al infanoj. Menciendas ke la plej longaj muzikaĵoj estas iom pli ol tri minutoj longaj, sekve la enuiga faktoro preskaŭ mankas. Plaĉas ankaŭ la akompana broŝuro, kiu enhavas ĉiujn tekstojn apud belaj nigra-blankaj desegnaĵoj taŭgaj por infanoj. Ĉu ni rajtas esperi, ke la ekzemplon de niaj brazilaj samlingvanoj sekvos alilandanoj?

**Ni dancu en la rondo — Brazilaj Infanaj Kanzonoj**
Flavio Fonseca kaj Cristina Pancieri
1999, Brazila Esperanto-Ligo
KD + 16-paĝa broŝuro

La (por)infana muziko estas aparta universo, kiu meritas pli grandan atenton flanke de tiuj kiuj okupiĝas pri la plej junaj/freŝaj E-parolantoj.




**Ionel Onet**

# *Esperanto Subgrunde Kompil'* — ĉu arta aŭ aĉa?




***Kiam mi unue legis pri tiu ĉi KD, mi tuj interesiĝis pri ĝi. Ĉifoje oni ne skribis kiel kutime pri belaj melodioj, bone pripensitaj tekstoj kaj kompreneble ĝia alta valoro kiel parto de la Esperanto-kulturo kiu kompreneble devas plaĉi al ĉiu bona samideano. Male oni avertis ke temas pri "ekstrema produktaĵo" kies enhavo laŭ normalaj oreloj ofte pli similas al bruo ol al muziko kaj kies tekstoj aŭ ne estas kompreneblaj aŭ maldecaj.***



SUBGRUNDE

(31 titoloj; 66 minutoj)


Lokotoksik

Mi tute sincere dubis ke tia KD povus plaĉi al parolantoj de la lingvo internacia. Tradicie oni ja ofte aŭdigas dum kongresoj kaj renkontiĝoj folkloran muzikon kiu montru al la (parte neesperantista) publiko kiom belas nia lingvo, do havu ankaŭ varban celon. Malfacilas imagi ke la ***Esperanto Subgrunde Kompil'*** povus plenigi tiun duan postulon. Sed surprize tamen eblas, mi skribos poste kial kaj kiel...

Kiel recenzanto oni povas priplendi multajn aferojn de tiu KD. Multaj grupoj ne vere parolas Esperanton sed ripetas papage la tekston, sekve oni trovos la tipajn malplaĉaĵojn kiuj kutime akompanas muzikprojekton kun papagoj: La vortoj estas malĝuste prononcitaj, la kantantoj havas sufiĉe rimarkeblan akcenton, la kantoj ne estis origine verkitaj en Esperanto kaj do ensteliĝis lingvaj eraroj kaj/aŭ la nova versio ne tiom bone kongruas al la muziko. Plie kritikindas la akompanaj tekstoj kiuj enhavas skriberarojn kaj la relative malaltkvalitaj fotoj. Plej malfrue post la unua aŭskultado mi vere demandis min ĉu tiu ĉi KD ne grandparte estas katastrofo. El la "tradicia" vidpunkto pri Esperanto-muziko jes. Konsiderante kio estas subgrunda muziko, tute ne!


Traŝ Bog'


La Bestoj

Mi ne estas plena spertulo pri subgrunda muziko sed tamen mi konscias pri kelkaj faktoj. Esenca parto de la punko kiel movado konsistas el la forta malakcepto de konvenciaj sociaj normoj kaj la (kapitalisma) ekonomio. Oni ne volas iĝi sklavo de reguloj, ekzemple ne "esti bela ĉar oni devas beli" sed "esti kiel oni estas" sen trompi aŭ kaŝi sin mem. Tial konvencistila, komerce brila prezentado estus multe pli terura ol kelkaj lingvo- kaj skriberaroj ĉar ili nur estas malĝustaj kaj ne falsaj. La KD verŝajne ŝokos esperantistojn - kaj do? Oni ĉiukaze ne povas plaĉi al ĉiuj! Kial muziko en Esperanto devas ĉiam esti belsona? "Normalaj" lingvoj ja ankaŭ ne estas tiaj! Se ni volas ke la Esperanto-kulturo estu akceptita kiel vera kulturo, tiam devas ekzisti spaco por tiuj kultureroj. Do ek al la recenzo de la muziko...


Araŝ Mumut


La Bestoj

La kompilaĵo konsistas el 15 grupoj el Francio (9), Brazilo (4), Ukrainio (1) kaj Kanado (1). Stile temas ĉefe pri punka muziko kun kelkfoja inklino al bruo sed tamen oni trovas certan diversecon inter la kontribuantoj. La kantoj sufiĉe varias


La publiko por Araŝ Mumut


Drinkomaniuloj

EN CONCERT
A L'OCCASION DE LA SORTIE DU CD "ESPERANTO SUBGRUNDE"
DIMANCHE 30 AVRIL
14 RUE NEGRENEYS
LES MINIMES
AU ANG ART
PRIX LIBRE
DE 15 H À 23 H
LES BÊTES - LES VALSEUZES
LES DIPSOMANES - HUMAN FACTOR
VIOLENT TOPALOFF - LOCOTOXIC
TRASH BUG - ARRACH' MOUMOUTT

laŭ ilia longeco: Parte temas pri malpli ol 20 sekundoj dum la plej longa kontribuo longas 4:49 minutojn. Neniel videblas adapto al la laŭ mi tre stulta radioregulo ke taŭga kanto daŭru pli mapli 3:30 minutojn. La tekstoj kvazaŭ neniam kompreneblas, grandparte ili estas pli kriataj ol kantataj (kio cetere tute ne mirindas, ĉar tia estas punka muziko). Ofte traktiĝas, nu, ni diru, "la bazaj homaj bezonoj". Sed ankaŭ troviĝas legindaj protestaj tekstoj kontraŭ milito, rasismo, hipokriteco, diskriminacio, infanlaboro. La ĝenerala mesaĝo ŝajnas esti: La mondo estas aĉa, kaj ni kantu aĉe pri tio!

La avantaĝo de kompilaĵo montriĝas en la fakto ke temas pri multaj diversaj grupoj kaj aŭskulteblas interesaj muzikpecoj ankaŭ se parto ne tiom plaĉas al oni. Sekve mi nun ne mencios ĉiun unuopan grupon sed tiujn kiuj plej vekis mian intereson. **Kosmoŝip'** de la **Kanadoj Alaksio kaj la Galaksioj**, certe unu de la plej bonaj kantoj de la KD, estas instrumenta surfroka kanto. (Okaze ke vi ne scias kio estas "surfroko": sonas ekzemple kiel la titolkanto de la filmo "Pulp Fiction".) Eĉ se la resto de *Esperanto Subgrunde Kompil'* estas tro forta aŭ maldeca, tiun ĉi vi povas montri al ĵurnalistoj (aŭ, eĉ pli freneza ideo, al viaj gepatroj!). **Piĉismo** el Ukrainio havas bonegajn, fortajn gitarojn en iliaj kantoj, ankaŭ se la tekstoj ne vere estas laŭ mia gusto, dum **Araukana** el Brazilo havas bonajn gitarajn partojn sed pli ol la muziko mem bonas la tekstoj. **Averto al gepatroj** (ankaŭ el Brazilo) uzis interesajn kaj pripensigajn citaĵojn por ilia kanto *Scio*. La Brazilanoj **Stomaka Korodo** gajnas la premion por la plej sincera kantotitolo, nome *Nur bruo*. Tiun iel tre ĉarman kanton mi ĉiam montras al nenion suspektantaj viktimoj, ege amuzas ilia reago...

Finfine mi rakontu kion diris miaj amikoj pri la KD. Ili ĉiuj estis agrable surprizitaj kaj faris komentojn kiel "Hej, mi tute ne imagis ke ekzistas ankaŭ tia muziko en Esperanto! Do ŝajne vere estas vivanta afero se eĉ en tiom novaj stiloj haveblas KD!" Mi konfesas ke ili kaj estas relative junaj (malpli ol 30 jaroj) kaj aŭ ŝatas ĝuste tiun muzikon aŭ ĝenerale plurajn stilojn. Tamen tio ja ne malvalorigas ilian reagon sed nur montras ke Esperanto povas gajni parolantojn ankaŭ en tiuj sociaj grupoj. Do varbado per *Esperanto Subgrunde Kompil'* jes eblas - nur diversas ĉifoje eble, kiun vi povas varbi.

**DĴ Kunar**


Violent Topaloff


Violent Topaloff


Julio Kalegari kaj Flo


La Valsistinoj

La disko haveblas ĉe: **Vinilkosmo**
**www.vinilkosmo.com**
Por Brazilo ĉe: **"La Blua Papilio"**
**P/a Julio Calegari - CP 60084**
**CEP 05033-970 Sao Paulo - SP - Brazilo**
**reto: araukan@hotmail.com**



HASTE-KLAĈE

# Subteni la artan projekton de artistino ORLAN

Franca artistino **Orlan** faras artistan projekton por malaperantaj kaj vivantaj lingvoj. Tiucele la artistino volus tradukojn suban mallongan tekston de franca filosofo Michel Serres multlingven. La gepatroj de la artistino estis esperantistoj. Pere de Esperanto, ni eble facile povas traduki la tekston multlingven. Jam ekzistas esperanta, franca, angla, germana, portugala, hebrea, araba, kroata, finlanda, hispana, greka kaj itala versioj. Ĉu iu pretus traduki nacilingven la suban tekston kaj sendi al la artistino (**www.orlan.net, orlan@noos.fr**)?

Mi tre dankas al Jocelyne, Brian kaj Claude pro la bela traduko esperanten.

***LA TEKSTO:** Kion la kuranta, tatuita, ambaŭmana, hermafrodita kaj mestiza monstro povus vidigi al ni, nun sub sia haŭto? Jes: sangon kaj karnon. La scienco parolas pri organoj, pri funkcioj, pri ĉeloj kaj molekuloj, por finfine konfesi ke jam de longe oni ne plu parolas pri vivo en la laboratorioj. Ĝi neniam uzas la vorton " karno" kiu, ĝuste, indikas la miksaĵon en specifa loko de la korpo, ĉi-tie kaj nun, el muskuloj kaj sango, el haŭto kaj haroj, el ostoj, el nervoj kaj el diversaj funkcioj, kiu do kunmiksas tion, kion analizas la koncerna scio.*

# Jen ĝi... la "Elektronika kompilo"!

Ekde nun mendeblas la delonge atendita elektronika kompilo kiu ĵus aperis la 20-an de januaro 2003. 70 minutoj da aktuala elektronika Esperanto-muziko - tekno, trenco, denco, drumenbaso kaj triphopo de 10 grupoj kaj DĴ-oj el 8 landoj: Dolcxamar (Finnlando) - Lunatiko (Pollando) - DĴ Kunar (Germanio) - DĴ Roger (Brazilo) - Magnus (Svedio) - Andreas Viklund (Svedio) - Krio de Morto (Pollando) - Solotronik (Hispanio) - Mhz (Argentino) - Asorti (Litovio).




Por mendi "Elektronika Kompilo"-n rete vi povas iri ĉe: http://www.vinilkosmo.com aŭ vi trovos ĝin ĉe la unua paĝo kun pluraj muzikeltiraĵoj kaj eblas tuj aĉeti ĝin per kreditkarto ĉe : http://www.vinilkosmo.com//?disc=vkkd53&lng=e (ĉe la fino e - por esperanto, f - por la franca, a - por la angla kaj d - por la germana).

Eblas ankaŭ aboni Rok-gazet'-n per kreditkarto ĉe www.vinilkosmo.com en la rubriko "Vinilkosmo Panorama" aŭ rekte ĉe : http://www.vinilkosmo.com/rgaz.php3 - Vi povas ankaŭ sendi mendon por "Elektronika kompilo" kun via pago al nia poŝta adreso (ĉekoj akceptataj nur por francoj).

Informoj kaj prezoj "Elektronika kompilo" Referenco: VKKD 53

Prezo: 18 EUR Sendokostoj por unu ekzemplero al Francio: 3,31 EUR

Sendokostoj por landoj de Eŭropa Unio: 4,05 EUR

Sendokostoj por aliaj landoj, por pliaj kvantoj, aŭ libroservoj: Bonvole konsultu nin. Produktas : **VINILKOSMO "Esperanto-Muzik-Prod." FR-31450 Donneville, Francio** Tel.: +33(0)5 61 81 95 65 Retadres.: vinilkosmo@esperanto.org / eurokka@club-internet.fr

# Aperis nova artisto en la espo-muzika mondo

Daphne LAWLESS (Dafne Laŭles) estas artistino el Wellington en Novzelando kiu faras elektronikan popmuzikon. Daphne (Daph por la intimuloj) havas jam sufiĉe interesan kaj longan muzikan sperton en diversaj bandoj en Wellington. Ŝi komencis solistan karieron anataŭ 3 jaroj kaj ŝi eldonis du diskojn, *Facing images* (2000/01) kaj *Undinal songs* (2002) (Undinaj kantoj). Ŝia dua disko enhavas du Esperanto-kantojn: "La sorĉistetino", kaj "Hejmen mi flugus". Ceteraj kantoj estas en la angla. Kaj bonega novaĵo Daphne ne kantas papage! Ŝi lernis/as esperanton kaj havas tre bonan prononcon... Laŭdinda ekzemplo! Ni invitas vin viziti ŝian retpaĝaron (en esperanto bonvolu!) kaj tie eĉ vi povos aŭskulti kaj mendi la diskojn..! Bonan malkovron! **http://www.randomstatic.net/lawless/eo/index.html**

# Sonregistraĵoj de RET-koncertoj

Dum RET en Puŝĉino (Ruslando) la plej malpaciencaj muzikemuloj povos teni en la manoj kaj eble eĉ akiri la unuajn - signalajn - ekzemplerojn de kompaktdiskoj kun registraĵoj de koncertoj, okazintaj en RET-02 en Kovrov. La ĉefa kolekto aperos en la populara formato MP3 - en tiu disko estos KD-kvalitaj registraĵoj de la koncertoj de Ĵomart kaj Nataŝa, Sergej Bozin, Mikaelo Bronŝtejn, Pavel Korotenko kaj Grigorij Arosev, Maŝa Koĉetkova, Vladimir Soroka kaj kompanio, kantoj de Anatolo Radaev, Aleksandr Koval kaj Oĉjo. Ĉar la surbendigoj de la koncertoj de Mikaelo Povorin kaj Andrej Obrezkov ne okazis pro teknikaj kialoj, tiuj kantistoj estas prezentataj per kopioj de iliaj kompakt-diskoj (laŭ interkonsento).

Preskaŭ ĉiuj koncertoj estas aŭskulteblaj per du manieroj: la koncerta, kiam oni aŭskultas ne nur kantojn, sed ankaŭ la interkantajn klarigojn kaj respondojn al demandoj, kaj la "diska" - kiam sonas nur kantoj. Laŭdezire eblas aŭskulti nur interkantajn klarigojn aŭ eĉ nur aplaŭdojn.

La tuta kolekto ampleksas ĉ. 10 horojn da registraĵoj (kio ekvivalentas al 10-14 ordinaraj "albumoj"). Speciale por tiuj, kiuj ne povas aŭ ne ŝatas aŭskulti muzikon pere de komputilo malgrandkvante aperos ankaŭ apartaj sondiskoj en formato "aŭdio". Sur tiuj diskoj estos koncertoj de Pavel Korotenko kaj Grigorij Arosev, de Sergej Bozin, de Ĵomart kaj Nataŝa, de Maŝa Koĉetkova. La koncertoj de Vladimir Soroka kaj kompanio tiuformate ne aperos pro lia speciala peto.

Se vi deziras antaŭmendi iu(j)n disko(j)n, sinturnu al Andrej Grigorjevskij, andreo@esperanto.msx.ru



# Ralph Glomp




Ĉu vi konas muzikstilon nomita ***Schlager***? Temas pri germanaj modkantoj, kantataj ekzemple dum la ***Eurovision***-konkurso. Tiuj kantoj havas simplajn melodiojn kaj tekstojn. Ĝis nun tiu stilo ne ekzistis en Esperantio. Sed Jürgen Wulff esperantigis kelkajn el la plej famaj kantoj. Ili estis prezentitaj de Ralph Glomp dum la pasinta IS en Cuxhaven. Li tiam furoris. Kvankam li estis komencanto, lia prononcado estis tre bona kaj la publiko tuj kunkantis la facile memorigeblajn refrenojn. Ekzistas KD kun 8 kantoj (2 en la germana kaj 6 en Esperanto) kun libreto por la tekstoj.

**Kontakto: Ralph Glomp, Wandsbeker Chaussee 185 b, D-22089 Hamburg, Germanio.**
**Tel: +49 / 40 / 68 91 53 60. Faks: +49 / 40 / 68 91 53 61**

Pliajn informojn en la germana lingvo vi trovas ankaŭ en la interreto: **http://www.ralph-glomp.de**

# Karaokeo en Esperanto

Miĥail Povorin informas, ke lia hejma paĝaro translokiĝis al: **http://mpovorin.narod.ru/**




Intertempe la paĝaro tre rimarkeble kreskis. La plej granda novaĵo en ĝi estas KARAOKEO EN ESPERANTO! Li jam havas pli ol 30 koncernajn dosierojn kaj, por krei novajn, serĉas, unue, MIDI-dosierojn kaj, due, samtempe bonajn koncernajn kantotekstojn por kunigi tion en karaokeon.

Se vi havas la serĉatan, bonvolu helpi. Vi kune povas krei grandan internacian karaokeejon utilan por instruado, amuzo kaj simple tre oportuna kantinterŝanĝo.

**Kontakto: povorin@yandex.ru**

**Sur la foto: Miĥail Povorin kantas dum la KEF-2000.**

# "Per-Esperanto-Muziko"

Pro kontaktoj kun Eurokka estis kreita la listo "per-esperanto-muziko", al kiu eblas aliĝi per malplena mesaĝo al <per-esperanto-muziko-subscribe@yahoogroups.com>

Ĝi celas ĉiujn esperantistojn, kiuj volas labori per Esperanto pri muziko (tradukado, eldonado, kantado, ktp). Mi kaptas la okazon por memorigi vin, ke funkcias ankaŭ la jenaj aliaj listoj:

per-esperanto-ghenerale@yahoogroups.com
per-esperanto-bazascienco@yahoogroups.com
per-esperanto-komerco@yahoogroups.com
per-esperanto-literaturo@yahoogroups.com
per-esperanto-medicino@yahoogroups.com
per-esperanto-politiko@yahoogroups.com
per-esperanto-teknologio@yahoogroups.com
per-esperanto-turismo@yahoogroups.com
per-esperanto-muziko@yahoogroups.com

Se vi interesiĝas pri unu el tiuj fakoj, bonvolu aliĝi k aktivi, utiligante Esperanton.

**Renato Corsetti.**

# La Bretona Esperanto-Koruso alvokas

Post produkto de sia KDo MEVEN pri temo "kantoj el Bretonio", la Bretona Esperanto-Koruso projektas prilabori nun la jenan repertuaron: maristaj kantoj el la mondo. Ĉefe interesas nin labor-kantoj, tio estas kantoj kiujn maristoj uzas por ritmi la komunan laboron kaj kuraĝigi la maristojn. Tial ni alvokas ĉiujn kiuj povas helpi nin por trovi ĉi-temajn kantojn.

**Ni bezonas:**

- nepre la kanton en la nacia lingvo.
- nepre la melodion (partituron aŭ/kaj registradon), kun muzikilo-akompano se ĝi ekzistas.
- nepre la harmonizadon plur-voĉan (laŭ la nacia kulturo).
- ne nepre la tradukon al Esperanto; sufiĉas la vort-al-vorta traduko.

Se vi mem ne povas helpi nin, eble vi konas iujn, kiuj povus... do bonvolu doni al ni ties kontaktojn, eĉ ne esperantistajn. Dankon pro via kunlaboro.

**Manjo Clopeau**
**Esperanto-Bretagne, 6 rue J.P. Calloc'h,**
**FR-22000 SANT-BRIEG, Francio,**
**Tel : +33 (0)2 96 94 09 75**
**Retadreso : sekretario@wanadoo.fr**

# Mallongaj klaĉoj

Dum lasta tempo abundas Espo-Muziko en Esperantio. Pri multaj novaĵoj vi legos en la venonta 11 numero de Rok-Gazet'. Jen nur kelkaj mencioj:

Danuba kantistino esperanta civitanino **Anjo Amika** muzike atestis la 1990-ajn jarojn, kiuj por Balkanaj landoj estis vere koŝmaraj. Ŝia *Bela Revo* pri paco plenumiĝas nun.

Talenta solistino per gitaro, harpo, piano **Danielle Béguin** vagadis kun sia arto tra kvin kontinentoj. En la verda diasporo ŝi rikoltis plurajn sukcesojn.

18-jara samideano, Filippo Tadolini, nepo de nia fama veterano Luigi, fondis kulturan asocion cele al prikonsidero de opera arto.

Aŭskulti MP3-muzikon, realaŭdio-programojn, praktike uzi nian lingvon, komuniki en ĝi, malkovri internaciajn kaj naciajn asociojn, legaĵojn vi povas en tt-ejo Esperanto-Panorama: **www.Esperanto-Panorama.net**

Espo-bando **Klingo** (el Ukrainio), kiu nun ludas elektronikan hard-koron, en 2002 eldonis demon, kiu nomas *Plezuro*. En ĝi eniras 14 kantoj. Kaj ekzistas nova projekto por 2003, kiu eble nomiĝos *ORO*. Raportis ĉefmuzikisto de Klingo Alekseo.

Ankaŭ vi povas pere de interreto aŭskulti muzikon kaj kunkanti en nia lingvo, sekvante la kantotekstojn. Bonvolu viziti interret-Karaokeon: **www.rantac.com.br/users/alls**

Konata Bardo sen barbo **Georgo Handzlik** ekkantis al ni el kodisko *Ni tostu la verdan fortunon...* per kabaredaj kaj bardaj kantoj. La diskon devas aŭskulti ĉiuj, kiuj ŝatas bonetosajn kaj bonhumorajn registraĵojn.

Du kodiskoj de Sylla Chaves aperis en Brazilio. Por unua ***Elektitaj kantoj*** pri paco, amo kaj naturo kunlaboris de J. de Castro, F. Fenati, A. Ymakayan k.a. Dua ***Rapida vojo al legado kaj kanto en Esperanto*** estas enkonduko en Esperanto per mallongaj kantoj, dialogoj, poemoj.

***Germanaj kristnaskaj kantoj*** en plenumo de Alfons Hoffmann (tenoro), Ulrich Kohlrusch (orgeno), el la germana tradukis Joachim Giessner, aperis kompaktdiske en 2002.




# La alia sono de la muziko

Sekve de ricevo de retmesaĝo el Monterrey en Meksiko, kiu atingis nin erare (!?), ni respondis, konatiĝis, kaj kunlaboras de tiam kun Jesus Diaz, pasia kaj engaĝita programgvidanto en la radiostacio Eufonia de "El otro sonido de la musica" (la alia sono de la muziko). Iom da korespondado konvinkis nin pri la perfekta "devoteco" de J. Diaz, kaj liaj du "akolitoj", por ĉiuj formoj de muziko kiun ili taksas kiel "defia, engaĝiga, kaj edukita". Ni sendis al Eufonia reprezentajn specimenojn de la esperanto-muzika scenejo, kaj ni estis kontentigitaj per du sinsekvaj horoj de disaŭdigo de eldonitaj diskoj de Vinilkosmo la 21an de oktobro (2002). La elsendo estis pliriĉigita per komentoj pri la historio, la novaĵoj, kaj la organizoj dediĉitaj al esperanto kaj ĝiaj movadoj en la tuta mondo, inter kiuj EUROKKA kaj VINILKOSMO kompreneble, kies engaĝiĝo kaj bona edukiĝo estas jam agnoskitaj! Eufonia dissendatas regule de tri jaroj, du horojn da progresiva roko, sendependa, psikadela, metala, alternativa, spaca roko, kaj multaj aliaj rokstiloj precipe ne komercaj. Eufonia estas ankaŭ disaŭdigata interrete tra 'shoutcast': frecuenciatec.mty.itesm.mx:8000 **http://frecuenciatec.mty.itesm.mx/** kaj el la radiostacio: et la station de radio: 94.9 FM XHTEC La elsendo estas tre interaktiva ĉar la aŭskultantaro povas interveni per ICQ, rete kaj telefone dum la elsendo. Eufonia proponas ankaŭ al retemuloj artiklojn, ligojn, kaj kontaktojn ĉe: **http://www.eufonia.net**

## ANONCE

# Latinpopo el Meksiko




**KABAH** latinpop-bando el meksiko, furoras en centra kaj sudameriko. En 1998 la bando eldonis sian 2-an albumon titolitan "Esperanto". Ni preparas reporteraĵon por prezenti Kabah-n kaj la diskon "Esperanto" en venonta 11-a numero de *Rok-gazet'*...

Se vi jam senpaciencas kaj scivolemas vi povas viziti la hispanlingvan TTTejon de Kabah: **www.kabah.com.mx**



# E-Redakcio de RADIO POLONIA

disaŭdigas ĉiutage sian elsendon kvar fojojn per mallongaj ondoj, satelito kaj interrete.

Krom konstantaj eroj en la elsendoj aŭdiĝas redakciaj interparoloj pri aktualaj temoj, sonraportoj, telefonaj interparoloj pri gravaj polaj kaj internaciaj temoj. En la elsendoj multe da atento oni donas al la lokoj ligitaj kun la agado de la kreinto de Esperanto, d-ro Ludoviko Zamenhof.

Pro la limigo de la funkciantaj sendiloj kaj strukturaj ŝanĝoj en la Poreksterlanda Programo de Pola Radio en la emisiado de E-elsendoj okazis jenaj ŝanĝoj. La premiera E-elsendo de Pola Radio estos aŭdigata je la 16.00 h (laŭ la Universala Tempo) per la ondo 41,26 metroj respektive 7270 kilohercoj. La ripeto okazos je la 19.00 UT per la ondo 41,18 metroj respektive 7285 kilohercoj. La elsendo estas ripetata la saman tagon je la 20.00 UT nur satelite. Post ĝia emisio okazas la enretigo de la programo. La laŭvican fojon nur persatelite nia esperantlingva programo estas ripeta la sekvan tagon je la 09.30 UT.

Por aŭskulti nin laŭ la mezeŭropa tempo necesas alkalkuli unu horon, ekzemple 16.00 UT + 1 h = 17.00

Satelite nia programo aŭdiĝas je la 20.00 h UT kaj la sekvan tagon je 09.30 h UT. La satelita ricevo estas ebla per: **Eutelsat II F - 6 - Hot Bird - 13 gradoj de la orienta latitudo**; frekfenco **11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz.**

Eblas ĉiutage aŭskulti freŝan programon de Pola Radio en Esperanto. Oni povas uzi la hejmpaĝon de WRN - **http://www.wrn.org**

Oni bezonos instalitan Real Player http://www.real.com/ (aŭ kongruan samkapablan programon). Ĉiu programo ne restas pli ol 24 horojn sur tiu loko.

Nia hejmpaĝo: **http://www.radio.com.pl/polonia/esperanto_eo.asp** Sur niaj paĝoj ni afiŝas ĉiutage la tekstojn de niaj informbultenoj.

Ni memorigas, ke multaj sonmaterialoj de la E-redakcio de Radio Polonia troviĝas ĉe la adreso de nia aŭstra aŭskultanto: Anton Oberndorfer. Lia retradio liveras ankü felietonojn de nia redakcio pri sociaj kaj socialaj temoj. Siajn servojn Anton Oberndorfer vastigis per dulingva versio de iuj felietonoj - esperanta kaj germana.

Uzu kaj disvastigu esperantan ret-radion!
**http://start.at/retradio**

Aŭskultu niajn elsendojn kaj nepre reagu! Ne forgesu, ke E-redakcioj de radiostacioj bezonegas ne nur notojn pri okazantaĵoj, sed ankaŭ simplajn reagojn kun opinioj kaj instigvortoj de la aŭskultantoj. Ĉi tio estas aparte grava por ke la radio-estroj konstatu la amplekson kaj geografian diversecon de la aŭskultantaro. I.a. danke al tio E-fako de Pola Radio, ekzemple, ĝuas altan reputacion ĉe la pola nacia radio.

La rimarkojn pri la programoj E-Redakcio de RP atendas rete:**esperanto.redakcio@radio.com.pl** aŭ **pietrzak@wa.onet.pl**; poŝte: **Pola Radio, E-Redakcio, Al Niepodleglosci 77/85, PL-00-977 Varsovio, pk.46**;
telefone: (+4822) 6459337, 6459358; fakse (+4822) 6455917

**Estro de la E-Redakcio de Pola Radio**
**Barbara PIETRZAK.**

## Ne kopiu espo-Kodiskojn

Karaj Esperanto-muzikaj ŝatantoj,
VINILKOSMO dankas vin pro via aktiva subteno.
La Espo-muzika kulturo vere bezonas homojn kiel vi.

VINILKOSMO estas eta sendependa artista diskeldonejo, kiu luktas ekstreme forte por postvivi.

De la unua sono ĝis la finfina KD en la distribua katalogo kaj TTTejo, ĉi tie ekestas muziko de la plej alta kvalito, malgraŭ ĉiuj altegaj kostoj kaj problemoj pro nia sendependeco.

Kiel libera diskeldonejo, ni ne povas malhavi la subtenon de ĉiuj niaj muzik-amantoj por niaj muzikprojektoj. VINILKOSMO nek havis en la pasinteco nek havas hodiaŭ sponsorojn por varbado kaj financado. Ni ne disponas pri radio kaj televido kiel ja havas komercaj muzikfirmaoj.

**TIAL NIA PETO AL VI : BONVOLU KUNHELPI !**

Aĉetu kaj donacu nur originalajn ko-diskojn kaj kasedojn. Tiel vi helpos por ke VINILKOSMO plue ekzistu. Ĉar nur tiel eblis ke ni sukcesis postvivi krizojn ekde nia ekesto ĝis nun.

Pro ĉiuj tiuj kialoj, ni vin petas kaj instigas **ne kopii la esperantajn KDojn.**

Multan dankon pro via komprenemo kaj via subteno.
Vi povas viziti nian TTTejon kun ĉiuj disponeblaj muzikproduktaĵoj ĉe : **www.vinilkosmo.com**

Nome de ĉiuj artistoj kaj de la VINILKOSMO-teamo,

**Floreal Martorell,**
respondeculo de EUROKKA kaj direktoro de VINILKOSMO



## TUTE NE GRAVAS!

*Postparolo*

## POR TIU, KIU LEGAS GAZETOJN DE LA FINO

Mi forŝaltas la KD-ilon kaj malaperas fajra energio de **Rammstein** kaj malhela forto de **Marilyn Manson**. Jes, mi laciĝis... tro da melodia bruo. Mia cerbo volas ripozi - jen por tio, miaopinie, ekzistas esperanto-Muziko. La ĉambro pleniĝas per helaj **Kajto**, mallaŭt-instrumenta **Persone**, lirikaj **Ĵomart kaj Nataŝa** al ili heppas **Morice Benin**, **Amplifiki**, **JoMo** kaj fonas por ĉiuj ĉarmaj moduloj de **Bretona Esperanto-Koruso**. Se vi volas pli da ritmo prenu **Dolcxamar**, se vi preferas pli da humura energio - enŝaltu **Esperanto Desperado**-n kaj por dancado (diskoteko) elektu ion el braziliaj produktoj (**Merlin**, **Tarcísio Lima** k.a.), ion el **Solotronik** aŭ el verkoj de esperanto-DĴ-oj (**Kunar**, **Nobbi**, **Nucki**). Por "sentegmentaj" ŝatantoj de subgrunda malhelo en esperanto-Muziko ekzistas same vasta elekto: **Krio de morto**, **Piĉismo** aŭ ajno de *Subgrunde kompil'*.

La esperanto-Muziko tiom abunda, ke ofte perdiĝas en tiu ĉi sona maro. Jen ĝuste por tiu momento, ke ne vagi senvoje, ekzistas lumturo - RG! La magazino, en kiu vi trovos multe da informo pri ĉio kaj ĉiuj en verda muziko.

Ĝuste por RG-10 mi kiel komputilordiganto laboris pli ol jaro. La nova vojo de internacia redaktado ne estis facila. Aktive uzante Interreton ne ĉio sukcese kaj glate pasis. Ne ĉiuj samtempe aktive laboris (mi unuavice) kaj pro tio vi, leganto, devis atendi ĉi tiun numeron 10-an tro longe. Pardonu, sed ekĝoju - vi ĝin jam ektenas. Onidire: unua kuko estas kruda. Ĉu tio estas vero, vi mem gustumu. Certe sekva 11-a kuko estos pli bongusta, mi certas.

De la ĉiutagaj problemoj kaj pensoj pri gajno por vivi mi forkuras en melodian verdan mondon de esperanto-Muziko. Jen ĉi tie mi eksatiĝas kaj trankviliĝas.

**Roke kaj amike,**
**teknika art-redaktoro Niko VOLOŜIN.**

(Por kontaktoj: **p.k. 26, Lucjk-18, UA-43018, Ukrainio.** rete: **<esperanto@fk.lutsk.ua>**. Kunlaboru aktive, alsendu viajn proponojn, recenzojn, impresojn pri esperanto-Muziko, kulturaj e-aranĝoj. Jam prepariĝas RG-11!).

Por kontaktoj: **EUROKKA, FR-31450 Donneville, Francio.** rete: <eurokka@club-internet.fr> **http://www.vinilkosmo.com**

RG'0 1990







RG'1 1991




RG'2 1992

RG'3 1992







RG'4 1992




Katalogo de Vinilkosmo 2003

ABONU la gazetojn!
(Numeroj 3, 4, 6 kaj 7 elĉerpiĝis kaj ne plu haveblas).
MENDU la diskojn pere de la Katalogo de Vinilkosmo kaj ĝia TTT-ejo: www.vinilkosmo.com

RG'9 1998/1999







RG'5 1993




RG'6 1994




RG'7 1995




RG'8 1997